XXIª jaro. Nº 302 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Ligo de Nacioj kaj instruado.

Dum la sufiĉe negativa kunveno de la Ligo de Nacioj lastan monaton en Ĝenevo estis ankaŭ pritraktata la demando pri edukado de l' infanoj al internacia paca idealo. Nek la Ligo mem, nek la fama Komitato por Intelekta Kunlaborado kuraĝis ion entrepreni. La Ĝenerala Sekretario preparis tre interesan raporton pri tio, kion jam faris kelkaj ŝtatoj en siaj lernejoj. Eĉ tiun tute objektivan raporton la kunveno ne kuraĝis adopti kiel ĝi adoptis la raporton pri Esperanto antaŭ tri jaroj. Ĝi nur rekomendis, ke la ŝtatoj interesataj en la afero daŭre informu la Ligon pri siaj entreprenoj tiurilate kaj ĝi resendis ĉiujn proponojn pri la temo al la Intelekta Komitato kun averto, ke oni neniel enmiksiĝu en la rajtojn de ĉiu nacio organizi sian lernejan instruadon laŭ propra bonplaĉo.

Ni povas observi, ke Esperanto ricevis do eĉ pli favoran konsideron ol tiu ankaŭ tre grava edukafero. Ne nur la raporto pri ĝi estis adoptata, ne nur la malsaĝa rezolucio de la Intelekta Komitato pri fremdaj lingvoj estis malakceptata de la ĝenerala kunsido, sed la Ligo fine voĉdonis rekomendon favoran al Esperanto lastan jaron sur la kampo de praktikaj rilatoj en telegrafio.

La komparo estas sufiĉe rimarkinda. Kion pruvas ambaŭ spertoj? Ili montras, ke la Ligo, jam tro prudenta en aferoj de senarmigo, estas ankoraŭ duoble pli singardema kaj eĉ timema en ĉio, kio tuŝas lernejojn. Tie la ŝtatoj estas aparte sentemaj. Ili ĵaluze defendas sian sendependecon. Ili ne volas ke la Ligo fariĝu superŝtato ordonanta ion ajn al ili de supre.

Tamen, kio pli grava ol eduki la infanojn al la nova koncepto de l' homaro, se oni deziras, ke tiu koncepto anstataŭu en la koroj la antaŭan ŝovinistan aŭ almenaŭ egoiste nacian sentmanieron? Antaŭ kelkaj semajnoj la Unua Ĝenerala Kongreso pri Infaneco forte kaj detale insistis pri tio. Ĝi aparte akcentis la urĝan necesecon ŝanĝi la lernolibrojn pri historio en senco pli objektiva kaj malpli militlaŭda.

Dum la Ligo de Nacioj laboras sur la diplomata kampo kun ĉiuj rezervoj kaj singardoj trudataj de la grandpotencoj, esperantismo organizas en la mondo la popolan movadon por vera internacia kompreno kaj interpopola alproksimiĝo. Nia konferenco en Genève en 1922 alportis el 17 landoj atestojn de instruistoj pri la forta spirita influo de la Esperanto-instruado ĉe la infanoj. Ni scias bone, ke ne nur al etuloj, sed ankaŭ al junuloj kaj eĉ al plenaĝuloj ĝi alportas la inspiron al homareco samtempe kun la praktika komprenilo. Tial nia movado estas urĝe bezonata kaj ĉiu paŝo nia antaŭen helpas la tutan mondon. Tio kuraĝigu dum la vintro ĉiun kursgvidanton, ĉiun grupon kaj ĉiun plej modestan kunlaboranton de nia sankta afero.

*Edmond Privat.*



## EL NATURO KAJ SCIENCO



# La antikva Maja civilizacio de Centra Ameriko.

Kiu trovos la ŝlosilon por malfermi la trezorojn de la antikva Maja civilizacio de Centra Ameriko?

En la duoninsulo de Yucatan kaj Guatemala, sur deklivoj de tropikaj densejoj, estas la ruinoj de temploj kaj tomboj, piramidoj kaj monumentoj, urboj kaj ŝoseoj, pro kiuj tiu ĉi regiono nomigas „La Egipto de Ameriko".

Kiuj estis la Majoj? De kiu ili lernis sian lertecon en arĥitekturo, astronomio kaj skribado? Ĉu ili apartenis al la sama gento kiel la egiptanoj? Antaŭ kiom da jaroj ili ekzistis? Pro kio malaperis ilia kulturo?

Superaj gentoj ili estis, kiel iam estis la Brahmanoj de Hindoĉinio. Ili facile venkis la febrohavantajn indiĝenojn kaj de tiam vivis en la lando kaj sur la dorsoj de la enloĝantoj. Ili lernigis nenion de sia supera civilizacio al la venkitoj sed subpremis ilin, ĝis kiam senlaboreco kaj febro ilin malfortigis, kaj siavice la venkintoj estis venkitaj lasantaj nenion krom la elegantaj monumentoj kaj grandaj konstruaĵoj, kiuj kovritaj de la rapidkreskanta kaj rapidputranta tropikaĵo formis la Indianajn altaĵetojn, kiuj estas tiel multaj en tiu ĉi regiono. La teorio de alilanda sakerdota aristokratio pretendanta dian devenon pro supera evoluo kaj reganta venkitan genton, dum ĝi ne donas sugestion pri la deveno, eble klarigas kial nenia memoro pri ili troviĝas inter la nunaj enloĝantoj.



*Maja Palaco en ruinoj*

Ĉia ordinara sciado estis gardata de la venkitoj, kaj kun la defalo de la sakerdota reĝimo la sklavo kuris for de la antikvaj sanktaj lokoj, kaj la simboloj de krueleco kaj subpremo estis evitataj dum jarcentoj kiel abomeno.

Ni ne devas teorii kiel Braseur de Bourburg, ke ĉiuj el tiuj ĉi landoj estis subakvigitaj kiam la kontinento de Atlantiko estis detruita, kaj ke poste ili leviĝis el sub la akvo kaj ree estis koloniitaj de popoloj de la altaĵoj.

Ĉar ni ne havas ion certan por gvidi nin, kaj la rakonto de unu persono estas tiel valora kiel la opinio de alia, estas pli simple imagi tian katastrofon kia okazis laŭ la „Tragedio de Angkor", de Sir Hugh Clifford, kaj ke la degeneritaj venkintoj de la marbordo montris pro ia subita atako de pli forta gento de la montaro, ke ili ne plu estis nevenkeblaj, ne plu de dia povo, sed nur tre malfortaj homoj kaj tial detruitaj komplete. Ŝajnas ke la Majoj samkiel la egiptanoj, deziris zorge konservi la historion de ia civilizacio, ĉar monolitoj, monumentoj, sendifektaj muroj de ŝtonkonstruaĵoj, estas kovritaj je belegaj ĉizitaj hieroglifoj, ŝajne aranĝitaj en lingvo simpla kiel unua legolibro.

La hieroglifoj daŭras dum la jarcentoj por diri al ni pri antaŭhistoriaj epokoj — eble por diri faktojn pri la deveno de la gento — kaj ni ne povas kompreni!

Almenaŭ dudek filologoj, per ĉiuj konataj rimedoj, penas solvi la enigmon kaj progresas rimarkinde. Dum la pasinta jaro oni malkaŝis la trovon de gravaj trezoroj ĉe unu el la ruinoj kiujn antaŭ dek jaroj trovis S-ro E. H Thompson, tiama konsulo por Usono, ĉe Yucatan, sed la registaro meksika sekretis la trovon ĝis nun. La trezoroj, trovitaj en granda puto, konsistas el oraĵoj, turkisaj maskoj, portitaj de la pastroj dum religia oferbuĉado de homoj, jadaj skulptaĵoj kaj tranĉilo religia kun tenilo el ebono en formo de du serpentoj kurioze plektitaj mordantaj la maldikan silikan klingon.

Neniu scias, kiom da jaroj aĝas la civilizacio maja. Kelkaj opinias, ke ĝi estas pli antikva ol la piramidoj egiptaj. Ĉu ni ne legas en la historio egipta de Herodoto pri la pastro kiu diris, ke oni antaŭe komunikis kun la Okcidento malproksima, sed dum jarcentoj ne povis ricevi iajn komunikojn?

Pere de genia interrilato de astronomiaj faktoj kun antikva legendo oni povis deĉifri unu majan daton, kiu egalas al jaro 120 antaŭ Kristo, kaj la civilizacio daŭris almenaŭ ĝis la sepa jarcento.

Estas certe, ke la ruinoj ŝajnis esti tiel malnovaj kiam alvenis la hispanaj venkintoj dum la deksesa jarcento, kiel nuntempe. La Hispanoj miregis pri ilia grandeco kaj malsimpleco.

Nek la Aztekoj de Meksiko kiujn Cortez venkis, nek la indiĝenoj vivantaj ĉe la Majaj ruinoj, povis informi la Hispanojn koncerne la devenon de la Majoj.

Eble la plej granda el la estintaj urboj estas Ĉiĉen Ica, ĉe la norda parto de la duoninsulo de Yucatan.

Eĉ en la soleca stato tiuj ĉi ruinoj ankoraŭ tenas mil tradiciojn de antaŭa sankteco kaj pompo. La originala

grupiĝo de la kasteloj kaj temploj estas facile videbla, kaj kelkaj estas eksterordinare bone konservitaj.

Ĉiĉen Ica supoze estis la centra sanktejo por la Majaj popoloj, samkiel Meko por la Mahometanoj kaj Jerusalem por la Judoj kaj Kristanoj. La loko evidente dependis de la ekzisto de du fundaj putoj, la solaj troveblaj en tiu seka regiono. Unu estis uzata por la publiko kaj la alia — la Sankta Puto, por la oferaĵoj. Kiam okazis pluvomanko aŭ alia ĝeno, tien estis ĵetitaj trezoroj kaj en ekstremaj okazoj oni portis tien virgulinojn kaj de malgranda plafono sur kiu troviĝis altaron ĵetis ilin profunden 21 metroj en nigran, misteran akvon. Se iuj travivis la falon kaj reaperis surface, ŝnuroj estis donitaj kaj la kompatindulinoj estis eltrenitaj. Surtere la pastroj ilin demandis kion ili vidis malsupre? Kion faros la dioj? Ĉu la venanta jaro havigos pluvon kaj sufiĉecon, aŭ mankon kaj malsategon? Oni kredis ke tiuj virgulinoj ricevis la respondojn pri tiuj ĉi demandoj de la pluvdioj ĉe la fundo de la lageto.



*Templo de Castillo.*

La sanktejo nun estas kaŝita en densejo, kiu jaro post jaro rampis en la koron de la sankta loko. Arboj renversis kolonarojn kaj kovris piramidojn ĝis la pinto, kortoj estas perditaj en granda konfuzo de dornoj kaj rampantaj kreskaĵoj, palacoj senigitaj de siaj skulptitaj ornamaĵoj.

La plej alta konstruo — Templo de Castillo — estas 25 metroj super la ebeno de la ĉirkaŭa kampo. La piramido sur kiu staras la templo kovras unu akron. Ŝtuparoj ekzistas sur ĉiu el la kvar flankoj, sed nur la norda flanko havas balustraron de serpentoj. De la okcidenta flanko ĝis la puto sankta estas vojo religia kaj ni povas kredi senhezite, ke la ceremonioj por la pluvdioj kiuj finis tiel tragedie kaj terure ĉe la rando de la puto sendube havis sian komencon tie. Ne necesas forta imago por vidi iaman scenon: la blankvestitaj pastroj kun terurigaj maskoj kaj kornoj portas fumantajn incensujojn kaj gvidas la girlanditajn viktimojn morte oferotajn, laŭ la serpenta ŝtuparo kaj sankta vojo kiu kondukas al la kavo de morto. Starante ĉe la rando de tiu ĉi granda truo en la tero, rigardante malsupren en ĝian melankolian fundon kun malhelverda akvo sube, kun arboj arkantaj alte en la ĉielo, la krio de la malgaja virgulino kiam ŝi falas, preskaŭ sonoras en niaj oreloj.

Oriente de la Castillo estas aro da konstruaĵoj, kolonaroj, kortoj kaj piramidoj, nomataj „La Urbo de Mil Kolonoj". Jen estas kolonoj renversitaj vico post vico en tia regula formo kiu sugestas pri la laboro de forta tertremo. Aliaj belornamitaj domoj estas konataj kiel „La Domo de la Nigra Skribo", „Palaco de la Monaĥinoj", „Palaco de la Tigroj", „La monaĥejo", „La Preĝejo" kaj la „Korto de Pilkoj".

El tiuj ĉi la plej interesa estas la Korto de Pilkoj, konstruita el du paralelaj muroj, ĉiu 85 metroj longa, 5 metroj dika kaj 9 metroj alta, formanta korton 39 metroj larĝa. Ĉe centra punkto alta en la mezo de ĉiu muro troviĝas vertikala ringo el ŝtono kvar futoj laŭ perimetro.

De la antikvaj hispanaj verkistoj ni havas priskribon detalan pri la pilkludo. La celo de la ludo estis trafigi la pilkon tra la ringo frapante ĝin ne per la manoj, sed per la korpo. Tio ĉi postulis multon da lerteco, fakte tiom, kaj la sukcesinto havis rajton al ĉiuj vestaĵoj kaj ornamaĵoj portataj de la ĉeestantaro! Kaj kiam tio okazis, oni diras, ke la ĉeestantoj kuris amase al la elirejo, antaŭ ol la ludanto povis kolekti. Sed liaj amikoj kutime estis pretaj ĉasi ilin kaj kolekti lian rekompencon.

Aliaj urboj trovataj estas Uxmal, Mitla, Tikal, Quirigua kaj Copan. La ruinoj de Quirigua troviĝas ĉe malalta ebena landparto, kiu estas subakvigata ĉiujare de la rivero Montagua, riĉa je neelĉerpebla aluvia tero. Pli inspiranta loko estas preskaŭ netrovebla. Sub la grandega ciebaro kaj aliaj marbordaj arboj, kiuj estas de 21 ĝis 25 metroj al la pli malaltaj brančoj, ekzistas densejo de palmoj kaj filikaj arboj.

Tra la arkoj de la palmoj subite aperas aro de altaĵetoj, surhavanta amason da foliaĵo kaj pli malproksime avenuo de grandegaj ŝtonoj, ĉizitaj monolitoj, kondukanta al ia ĝis nun nevidebla altaro aŭ templo. De ĉiu kolono fikse rigardas stoike malĝoja giganta vizaĝo.

Ĉiu figuro estas kronita de alta pluma kapornamaĵo kaj havas ĉe la zono mallongan broditan jupon, similan je antaŭtuko portata de la koreanaj kastritoj dum la religiaj ritoj.

Ĉe la flankoj de la ŝtonoj estas kolonoj da hieroglifoj, nuntempe nur parte deĉifritaj, sed ĉiuj tre klaraj kaj bone konservitaj kaj kiam oni trovos la ŝlosilon ili estos facile legeblaj. La vizaĝoj estas bone ĉizitaj de peza plena fizionomio kun dikaj lipoj, migdalformaj okuloj kaj maldikaj zorge pintitaj egiptaj barboj.

Oni trovis ke tiuj ĉi altaĵetoj estis la ruinoj de grupo de temploj, palacoj kaj kortoj. Elfosante parton de la ruinoj oni trovis imponan templon 34 metrojn laŭlonge kaj 9 metrojn laŭlarĝe. Laŭ hieroglifoj deĉifritaj ĝi estis fondita en jaro 540. La templo havas tri ĉambrojn kun apartaj enirejoj kaj laŭ trovitaj hieroglifoj verŝajne la centra ĉambro estis la sanktejo de la templo.

Proksime al la templo troviĝas malgranda palaco kun malgrandaj ĉambroj kaj unu enirejo. Ĉiu pordo havas ŝtonajn hokojn por pendi kurtenojn, du hokoj ĉe ĉiu flanko de la irejo, unu ĉe la planknivelo kaj la alia tri kaj duono metroj super. Tiamaniere la pordkurtenoj estis malhelpataj flirti en la vento.

Ĉe Mitla oni trovis tombejojn hakitajn el la solida ŝtono, kvazaŭ laŭ la praepokaj egiptaj funebraj kutimoj de la tempo de Tutankhamen, kies tombon oni trovis post tri mil jaroj.

Evidente la Majoj ne balzamis, ĉar oni ne trovis mumiojn. Oni uzis oron kaj arĝenton, sed turkiso kaj jado estis ĉefaj trezoroj kiujn oni entombigis kun la reĝoj de la Majoj.

Multaj jaroj antaŭ la veno de la hispano Cortez, la granda imperio de la Majoj, regata de unu reĝo, suferis pro intergentaj militoj, malsatego, febro, variolo kaj pesto. La imperio disiĝis en diversaj malgrandaj gentaroj, sen urboj, kaj ne multaj posedoj. Post kelkaj generacioj la lingvo ŝanĝiĝis en kelkaj dialektoj kaj ĉiu ŝajno de nacia vivo forestis. Tia estis la stato de la Majoj kiam alvenis la Hispanoj.

La pastroj kiuj sekvis Cortez dediĉis sin por konverti la Indianojn al la religio kristana kaj tiel celante penis detrui ĉiun postsignon de indiĝena civilizacio kaj institucioj. Ili detruis la preĝejojn, religion kaj librojn de la Majoj, tial malmulto ekzistas por sciiĝi pri la pratempo. El la multaj libroj, nur tri estis konataj. La Dresden Codex, ĉe la Reĝa Biblioteko en Dresden; la Tro-Cortesianus Codex, ĉe la Reĝa Akademio de Historio en Madrid, kaj la Perisianus Codex, ĉe la Nacia Biblioteko en Paris. La Kodo de Dresden havas tre rimarkindan historion. Ĝi estis portata Eŭropon, eble pere de pastro reiranta, kaj post unu jarcento troviĝis ĉe biblioteko en Firenze, sed neniu konis kio ĝi estis. Fine, reordiganta kelkajn bretojn, la bibliotekisto elĵetis la Majan libron por esti bruligota kun alia rubo. La helpanto foliumis ĝin kaj decidis porti ĝin al siaj geknaboj kiel ludilon. Post tiu ĉi tempo ĝi iris de mano al mano en privataj bibliotekoj dum pli ol du jarcentoj kaj finfine ĝi venis al la atento de klerulo kiu rimarkis ĝian veran valoron kaj aĉetis ĝin. Kelkaj el la manuskriptoj estis sur folioj de palmoj, aliaj sur ia papero farita el indiĝenaj herboj. La Majoj uzis pintitan kaneton kaj vegetaĵajn aŭ mineralajn inkojn por skribado kaj pentrado. Ruĝa inko minerala estas plej longdaŭra.

Ŝajne estas neeble ilin legi. Ĉu ekzistas ie Rosetta ŝtono de la lingvo Maja? Se jes, kiu trovos ĝin? D-ro William Gates, Prezidanto de la Maja Societo, opinias, ke li trovis ŝlosilon kiu ebligos la deĉifradon de la hieroglifoj.

Hispanaj pastroj de la Roma Katolika Eklezio, forigintaj la librojn de la Majoj, penis lernigi novan skribeblan lingvon al la indiĝenoj. Ili elpensis fonetikan alfabeton kun simboloj per kiuj la enloĝantoj lernis skribi la majan lingvon. Kelkaj skribis malnovajn legendojn kaj historiajn rakontojn de la Majoj. Hodiaŭ ekzistas miloj da paĝoj de tiuj manuskriptoj kaj D-ro Gates kredas, ke ie inter tiuj paĝoj ekzistas la ĉenero, ligonta lin kun pli antikvaj epokoj. En unu el tiuj ĉi manuskriptoj li trovis tradukon de antikva legendo, rakonto de la morto de la filoj de diversaj ĉefoj kiuj iris al neŭtrala puto por elĉerpi akvon. Lia alia laboro estis kompari la gramatikon kaj sintakson de la unuaj tradukoj kun la hieroglifoj; li trovis ke la du manieroj de skribo ŝajne sekvas la samajn regulojn de gramatiko.



*Maja monolito.*

La hieroglifa skribado sendube disvolviĝis sur ligno, papero aŭ haŭtoj, sed jam antaŭ la Krista epoko ĝi estis transmetita al ŝtono, ĉizita sur monumentoj kaj altaroj, kiujn oni metis en kortoj kaj kunvenejoj.

Kaj tie, en la centro de grandaj tropikaj arbaroj de Centra Ameriko, speciale en Gvatemalo, tiuj ĉi rimarkindaj postsignoj de forgesita popolo estas trovataj.

Jaro post jaro arĥeologiaj ekspedicioj de sciencaj institutoj de Usono penetras pli profunden en tiuj virgaj arbaroj kaj estas trovantaj novajn urbojn ruinigitajn kaj pere de la monumentoj kaj hieroglifoj oni estas konstruanta skizon de praa Maja historio.

La graveco de la majaj hieroglifoj troviĝas en la fakto, ke ili inaŭguris tempon en la scienco de esprimo de pensoj pere de grafikaj simboloj, ne montrata en la skribo de iu alia popolo nuna aŭ praa. Ili staras ĉe punkto en la evoluo de homo kiam grafikaj simboloj reprezentantaj sonojn komencis anstataŭigi simbolojn kiuj reprezentis ideojn. La unuaj penoj de homo estis sendube tiel realaj kiel li povis fari ilin pere de siaj nespertaj manoj kaj manko de bonaj skribiloj. Se li volis esprimi ideon de „ĉevalo", li necesis skizi bildon de ĉevalo, ĉar ne ekzistis simboloj per kiuj oni povis montri la sonon de la vorto. Alivorte li devis montri al la cerbo la ideon de ĉevalo pere de la okulo — tio estas, per bildo de ĉevalo — anstataŭ fonetike, per ĝia sono.

Tiu ĉi plej frua metodo estas nomata ideografia skribo, ĉar la simboloj esprimas ideojn anstataŭ sonoj kiel faras la simboloj de nia aboco.

Estas klare, ke tiu ĉi skribmaniero estis tre limigata, estante kapabla esprimi nur konkretajn objektojn; kaj homo en sia evoluo trovis pli konvenan metodon por esprimi siajn pensojn ol skizi bildojn.

Ĉe tiu ĉi punkto prezentiĝas fonetika ideo por la unua fojo, alivorte kie signo prezentas sonon, silabon aŭ literon kaj ĉesis esti bildo de ideo. Kaj estas ĉe tiu ĉi epoko en la historio de la skribarto, kie troviĝas la grafika sistemo de la Majoj.

La maja hieroglifa skribado konsistas el ĉirkaŭ 400 diversaj signoj aŭ radikoj el kiuj 90% estas ideografaj anstataŭ fonetikaj kiel jam klarigita.

Tiuj ĉi kvarcent fundamentaj simboloj estas kombinitaj kun ĉirkaŭ ducent prefiksoj kaj sufiksoj, el kiuj la duono jam estas deĉifritaj. Ankaŭ troviĝas kurboj, hokoj, krucoj, duoblaj krucoj kaj punktoj, kies loko evidente ŝanĝas la signifon de la simbolo. Oni ankaŭ trovis, ke la simboloj surhavas diversajn kolorojn ŝajne por diferencigi la signifon. Tial oni povas diri, ke la maja surskribo ne plu estas libro sigelita.

La surskriboj jam deĉifritaj traktas pri tempo de unu fazo aŭ alia. Ili registras kun tia eksterordinara precizo, ke nenia dubo ekzistas pri ia dato. Ekzistas lunkalendaroj en kiuj la luna monato, kun ĝia tre malfacila matematika frakcia numero, estas delikate kaj ekzakte kunordigata kun la sunkalendaro dum jarcentoj. Ili antaŭdiras eklipsojn kaj korekte registras la movojn kaj fazojn de planedoj, speciale de Venuso.

* * *

## Maja Aritmetiko.

Ni ekzamenu kelkajn el la karakterizaĵoj de Maja aritmetiko. Unue, la Majoj, kiel ni, havis du sistemojn por skribi la numerojn, unu pere de punktoj kaj baroj, kaj alia pere de diversaj tipoj de homaj kapoj. La unua povas esti komparata al la romaj numeroj kaj la dua al la arabaj numeroj.

La Maja „Roma numerado" uzas nur du elementojn, la punkto kiu signifas 1, kaj la baro 5. Pro tiu ĉi la baro- kaj punkto-numeroj estas pli simplaj ol niaj romaj ciferoj. Per la du elementoj, en kiu la punkto valoras 1 kaj la baro 5, la Majoj skribis la numerojn de 1 ĝis 19 inkluzive:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| · | = 1 | · over ═ | = 11 | ·· over ≡ | = 17 |
| ·· | = 2 | ·· over ═ | = 12 | ··· over ≡ | = 18 |
| ··· | = 3 | ··· over ═ | = 13 | ···· over ≡ | = 19 |
| ···· | = 4 | ···· over ═ | = 14 | | |
| — | = 5 | ≡ | = 15 | | |
| · over — | = 6 | · over ≡ | = 16 | | |
| ·· over — | = 7 | | | | |
| ··· over — | = 8 | | | | |
| ···· over — | = 9 | | | | |
| ═ | = 10 | | | | |

La pli valoraj numeroj estas esprimataj de malsupre supren en kolono. Kiel nia sistemo pliigas po dekoj maldekstre aŭ dekstre de decimala punkto, tio estas dekoj, centoj, miloj ktp., tiel la loko de la Majaj numeroj pliigas po dudekoj, en ĉiuj lokoj escepte la trian kiu, anstataŭ esti 400, t. e. $1 \times 20 \times 20$ estas 360, t. e. $1 \times 20 \times 18$. Tiu ĉi rompo en perfekta sistemo de dudekoj estis sendube pro deziro alproksimiĝi la trian rangon al la suna jaro, 360 estante pli proksima al $365\,^1/_4$ ol 400.

··· over ═ $$13 \times 1 = 13$$

Tiu ĉi numero estas dektri unuoj de la unua rango aŭ $13 \times 1$.

···· $$4 \times 20 = 80$$
— $$5 \times 1 = 5$$
$$85$$

Tiu ĉi numero estas el 5 unuoj de la unua rango kaj kvar unuoj de la dua rango aŭ $4 \times 1 \times 20 = 80$, kaj $5 + 80 = 85$.

— $$5 \times 360 = 1800$$
· over — $$6 \times 20 = 120$$
···· $$4 \times 1 = 4$$
$$1924$$

Tiu ĉi numero konsistas el 4 unuoj de la unua rango, 6 unuoj de la dua, aŭ $6 \times 1 \times 20 = 120$, kaj 5 unuoj de la tria, aŭ $5 \times 1 \times 20 \times 18 = 1800$ kaj la sumo $4 + 120 + 1800 = 1924$.

Por la Maja „Araba numerado" oni uzas dektri diversajn tipojn de homaj kapoj por esprimi la numerojn 1 al 13 inkluzive, kaj pere de aldono de la karakterizaĵo por 10 (senkarna makzelo) al la kapoj por numeroj 4, 5, 6, 7, 8 kaj 9 oni faras la numerojn 14, 15, 16, 17, 18 kaj 19 respektive

Stranga trajto de tiu ĉi sistemo estas la uzo de du tipoj de kapoj por la numero 13 la simpla formo kaj la kunigita formo $3 + 10$. La uzo de la dua, tamen, estas tre malofta, nur du aŭ tri specimenoj estas konataj.

Ĉiu tago en la jaro havas sian apartan hieroglifon. En la jaro 1566 kiam Episkopo Landa skribis sian faman libron „Historio de Aferoj en Yucatan" la jaro de la Majoj komencis la 16an de

Julio laŭ la Julia Kalendaro aŭ la 26an de Julio laŭ Gregoria aŭ nuna kalendaro. Sur tiu ĉi bazo oni povas doni la Majan egalon por niaj festtagoj.

Estas pli kaj pli evidente, kiel la filologoj deĉifras la hieroglifojn, ke ili traktas pli kaj pli kun astronomio kaj malpli pri historio; tiom, ke se ekzistas iaj rakontoj popolaj sur la monumentoj ili devos esti mallongaj skizoj pri gravaj Majaj okazintaĵoj.


Januaro la 1an


Majo la 30an


Decembro la 25an

Nenia elokventa priskribo de ŝtata gloro. Nenia ŝvelparola kroniko pri reĝa pompo kaj paradoj, kiel la plimulto de Asiriaj, Babiloniaj kaj Egiptaj surskriboj. Ŝajnas, ke la pastroj de la Majoj interesis je pli esencaj aferoj kiel la observado kaj konservado de astronomiaj fenomenoj.

Se tial, kiel nuntempe ŝajnas eble, ni devos forlasi la ideon, ke la antikva Majo elĉizis historion en siaj surskriboj monumentaj, escepte nur en tre mallongaj kaj sinoptikaj aludoj al la plej gravaj okazintaĵoj, ni konsolu nin mem kun la penso, ke ili eble uzis pli inde sian tempon priskribante okazintaĵojn science gravajn, kiel la movado de la steloj.

Tiel akurataj ŝajne estas la observadoj, ke ni eble ekkonos la aĝon de la diversaj Majaj urboj pli ekzakte ol ni iam konos la aĝojn de Babilono, Ninive, Memfiso, Teboj, Ateno aŭ Romo.

Tiuj ĉi malsimple ĉizitaj monolitoj povas esti konsiderataj kiel kvinjaraj almanakoj en ŝtono kiu ne nur surhavas informon pri la dato de sia starigo aŭ dediĉo, sed ankaŭ gravajn lunajn kaj planedajn fenomenojn.

La ĝeneraligo de tiu ĉi kutimo starigi epoksignojn tra la antikva imperio, kaj ĝia persisto ĝis la tempo de la hispana venko en 1541, venigas al ni interesplenan bildon. Ni imagu la fintagon de unu el tiuj ĉi epokoj kiel grava religia manifestacio. La enloĝantaro de la ĉirkaŭanta kamparo venas en la plej proksima urbo por ĉeesti la inaŭguron de la monumento, kiun oni tiel pene kaj labore preparis sub la kontrolo de pastroj dum la antaŭaj kvin jaroj, laborante sen ia metala ilo.

La ĉeestantoj ne povis legi la hieroglifan skribadon, sed dum la ceremonio de dediĉado la pastroj sendube informis ilin pri la diversaj astronomiaj fenomenoj traktataj. Kun preĝoj al la dioj por pluvo kaj frukteco, kun oferdonacoj kaj eble religiaj dancoj la monolito estas formale dediĉata.

Ni paralelu ĉion ĉi supozante, ke la 31 Decembro de ĉiu kvina jaro, ni diru en 1920, 1925, 1930, la enloĝantoj de la pli gravaj urboj venus al la plej gravaj placoj de siaj diversaj urboj, kaj sub prezido de la urbestraro kaj religiistaro formale dediĉus monumentojn priskribantaj la gravajn okazintaĵojn de la pasintaj kvin jaroj, la sama ceremonio okazante samtage tra la tuta lando. Fakte ĝi estis grava nacia festtago, eble la plej grava de la Maja praloĝantaro.

Originale verkis *A. S. Vinzent*, San Francisco.

##  NOTOJ 

**Progreso de komerca aviado.** Ĝi naskiĝis tuj post la milito, kaj ĉiujare pligrandiĝas kiel montras suba tabeleto, kiu rilatas nur francajn aero-liniojn: Paris—London, Paris—Varsovio, Paris — Konstantinoplo, Marseille — Oran, Oran — Casablanca, Paris — Amsterdam, Paris — Zürich.

| Jaroj | Vojo trairita en kilometroj | Nombro de pasaĝeroj | Kvanto de varoj en kilogramoj |
|---|---|---|---|
| 1919 | 382.784 | 1.214 | 15.454 |
| 1920 | 1.652.269 | 6.811 | 151.329 |
| 1921 | 2.801.880 | 16.440 | 286.884 |
| 1922 | 3.543.211 | 17.058 | 697.525 |
| 1923 | 3.852.281 | 19.275 | 1.073.416 |
| 1924 | 4.500.661 | 24.742 | 1.292.499 |

Krome funkcias aerolinioj: Dresden — Berlin — Stockholm, Lvov—Varsovio—Danzig, Berlin—London, Amsterdam—Kopenhagen, Zürich—Wien, Varsovio—Krakow, Moskva—Berlin, k. a.

**Ĉasado je balenoj** estas nun organizita en ĉiuj oceanoj de la mondo, ĝi donas grandan profiton pro graso kaj viando, utiligeblaj en industrio, sed samtempe ĝi minacas detrui tute la balenojn. Suba tabelo montras nacian partoprenon en la tutmonda balenĉaso; la ciferoj indikas entreprenojn.

| | Entute | Eŭropo | Afriko | Ameriko | Azio | Antarktiko |
|---|---|---|---|---|---|---|
| britaj . . . | 11 | 2 | 4 | 1 | — | 4 |
| norvegaj . . | 34 | 8 | 6 | 8 | 1 | 11 |
| francaj . . | 1 | — | 1 | — | — | — |
| usonaj . . | 1 | — | — | 1 | — | — |
| ĉilaj . . . | 2 | — | — | 2 | — | — |
| japanaj . . | 1 | — | — | — | 1 | — |
| argentinaj . | 1 | — | — | — | — | 1 |

Tutmonda produktado de balena oleo, osto kaj guano atingas nun sumon de 100.000.000 sv. frankoj. Balenĉasistoj iras sur specialaj vaporŝipetoj kun pafilegoj kiuj povas ĵeti harpunon kun longa ŝnurego garantianta la kaptitaĵon. Krom la ĉasŝipo iras ankaŭ uzin-ŝipo kiu ricevas dispecigitan balenon por ĝin prilabori kaj porti. La balenistoj ĉasas krom balenojn ankaŭ kaĉalotojn, balenopterojn, delfenegojn, megapterojn, kaj aliajn grandajn marbestojn de la sama familio.

**Artefarita silko** el celulozo, viskozo, kolodio, nun pli kaj pli disvastiĝas en industria mondo. Suba tabeleto montras ĝian produktadon en kilogramoj, en regnoj:

| | |
|---|---|
| Usona | 10.600.000 kg |
| Germana | 4.700.000 kg |
| Franca | 4.000.000 kg |
| Belga | 3.400.000 kg |
| Svisa | 2.700.000 kg |
| Itala | 2.700.000 kg |
| Angla | 2.000.000 kg |

En ŝtofa industrio la procedoj atingis tian gradon, ke la publiko ne plu povas distingi inter la artefarita kaj natura silkoj, kiujn oni prezentas al ĝi sub milmil variaj formoj kaj nuancoj.

**La Brita Silko.** Estas kurioza fakto ke en Brita imperio, kiu entenas landojn de ĉiaj klimatoj, oni malmulte produktas silkon (per edukado de silkvermo). Nur 8% da tuta silkoprovizo de 1922 estis britdevena. Tio zorgigas nun kelkajn anglajn scienculojn, kiuj notas jenajn britajn landojn taŭgajn por intensiva silkvermeduko: Hindio, Aŭstralio, Ĉipro, Hong-Kongo, Cejlono, Malaja federacio, Mezopotamio, Sudano, Kenio, Ugando, Rodesio, Antiloj.

## LITERATURO

# La Violono.

De *Werner Schulz*, Oliva.

Kiam li estis dektrijara, lia patrino donacis al li violonon. Ĝi devenis el vendejo de uzitaĵoj, tute malproksima en la mallarĝaj stratetoj de la urbo, kaj la malgrasa, pala virino, kiu ĉiam aspektis tiel malfeliĉa, kaj kies okuloj estis malsekaj kiel la florkalikoj en la printempa mateno, estis ridanta, kaj la malgrasa mano, kiu sekve de ĉiu laboro estis ĉiam ankoraŭ tiel blanka kaj iomete ekvibris, kiam ĝi glitis sur la blondaj haroj de la knabo.

Poste li estis ludanta — ĉiutage — kaj la sonoj estis puraj, ili ŝajnis ludo de fremda sopiro.

Kiam la somera suno malleviĝis malantaŭ la altaj domoj de la granda urbo, li sidis en la vasta, florpeza sambukejo, kiu staris en la malgranda ĝardeno antaŭ la senornama dometo, kaj lia violono kantis en la somera vespero la ludon de liaj knabaj revoj.

Tiam malfermiĝis ĉiufoje fenestro kontraŭe en la bela domo kun la floranta ruĝa dornbarilo kaj la gracilaj cipresoj, kaj malantaŭ la mallarĝaj faldaj kurtenoj estis videbla knabina kapo kun pezaj, brunaj plektoj pendantaj ĉirkaŭ bela kaj trankvila vizaĝo, en kiu estis du grandaj malhelaj okuloj, du grandaj malhelaj revaj okuloj, profundaj kaj strangaj.

Tiam li klinis la frunton tiel, ke la blondaj bukloj pendfalis, kaj lia violono murmuris tute mallaŭte ian melodion, en kiu estis multe da sopiro kaj multe da sufero.

Li ne sciis, kial estis tiel, kaj ne sciis, de kie venis la ludo, kiun la violono kantis. Estis, kvazaŭ li estus ie, malproksimege de ĉio, de la malgranda dometo, de la sambukejo kaj de la knabina kapo transe de la strato, malproksime — eble sur blanka nubo, superfluganta verdajn arbarojn al proksima maro. Kaj li ridetis, kiel nur infanoj povas ridi ne jam sciantaj kaj nur revantaj.

Tiel pasis multaj someraj vesperoj, kaj la melodio estis kiel miroj, grandaj kaj trankvilaj. Kaj la aromo de multaj floroj estis en ĝi, la aromo, kiu estis peza kaj terenfalis el la branĉetoj de balancantaj tilioj.

Sed poste alvenis nokto kaj tiu pasis alie ol la alia. Kaj en la malvasta ĉambro kun la grizaj muroj, kie dormis la patrino, estis multaj kandeloj, kiuj brulis hele kaj trankvile. Kaj la malgrasa, pala virino jam estis plimalgrasa ol kutime, ŝia mano jam pliblanka kaj plibela. Sed sur ŝia frunto kuŝis stranga klareco, serioza kaj senmova.

Li genuis dum la nokto en la senhoma silento kaj liaj lipoj moviĝis, kvazaŭ ili parolus senlaŭte, sed li ne preĝis. Li ne komprenis, kio estis tio ĉio ĉirkaŭ li, kaj li nur havis timon, ke la kandeloj estingiĝus antaŭ ol estus mateno.

En alia tago alvenis multaj homoj, kiujn li ne konis, kaj rigardis lin kun iliaj strangaj, malvarmaj okuloj. Krom tio ili parolis multe kaj ili kredis, tio estus kompato.

Je la vespero ree alvenis homoj kaj kelkaj portis nigrajn vestojn, tiuj ridis kaj rakontis tre longajn rakontojn pri aferoj, kiuj estis sen signifo.

Ili restis la tutan vesperon en la malgranda, mallarĝa ĉambro, kaj tiam ili foriris, ili estis prenintaj kun si la malgrasan, palan virinon, kaj ne plu brulis kandelo. Estis malvarmete kaj mallume, ekstere terenfalis senbrua pluvo, kiu de tegmentoj gutfalis ĉiam en la egalaj distancoj, tre sensone kaj tre monotone.

Nu li sciis, ke li estas sola en la vasta mondo — sola kun si mem kaj sia violono kaj tio estis tiel malfeliĉa, tiel senfine malfeliĉa.

Sed li ne ploris kaj li ankaŭ ne preĝis — nur liaj lipoj estis mallarĝaj kaj malmolaj, la du akraj lipoj superstaris.

Tiam li foriris kaj portis sian violonon el la malalta ĉambreto sub la tegmento kaj kiam li tenis ĝin en maldikaj knabomanoj, li ridetis, kaj la rideto estis tute fremda.

Do li iris mallaŭte en la nokton. La pluvo ankoraŭ terenfalis tute malpeze kaj dense kaj la tilioj ĉe la stratoj bonodoris kaj ekfloris. Kiel grandaj kaj puraj estis la someraj noktoj, kiam pluvo falis kaj ĉio puriĝis admirinde.

Denove li sidis en la sambukejo antaŭ la malgranda dometo kaj la mola knaba mentono fortiĝis kaj malmoliĝis sur la rando de la violono. Kaj tiam eksonis violontuŝo, kiu estis kiel krio furioza kaj varmega, kaj la violono vibris. Kaj tiam eksonis ree kaj la krio solviĝis, estis profunde kaj timete, kaj la tonoj kreskis ĝis melodio, kiu estis sonita sopiro, estis kantita turmento kaj estiĝis el ili ebrio, ŝaŭmanta maro da tonoj el ĝi alfundiĝis — profunde kaj profunde — kaj ne jam trovis fundon. Transe la strato klaktintis fenestro, kaj la bela, trankvila knabina vizaĝo kun la brunaj plektoj klinis sin en la nokton kaj tiam mallaŭte klaktintis fenestro kaj sur la strato restis lasta migranto kaj lia ĝoja kanto mortis.

Sed la violono estis kiel reĝa ludo kaj ĝi ekĝojegis el ĉiu sufero, kaj la doloro, kiu estis en ĝi, estis kanto kaj suprenflugis al ĉielo, tio estis iom tute fremda kaj admirinda. Nun la kordoj disŝiris kaj estis la silento. — Nur la pluvo terenfalis, de ĉiuj tegmentoj ĝi gutis kaj de ĉiuj arboj ĉiam en egalaj distancoj, tre sensone kaj monotone.

Kiam tagiĝis, du kamparanoj, kiuj venis en la urbon, trovis ekstere malproksimege antaŭ la pordegoj, kie estis la limo de la arbaro, blondan knabon, kiu sidis sur la vojrando kaj dormis. Kaj vokinte lin, ili vidis, ke liaj manoj estis senmovaj ĉirkaŭ lia violono. Ili kuŝigis lin sur la pajlon tute malantaŭe en la veturilon, kaj kiam ili veturskuadis trans la strato, eksonis la violono, kiel stranga ludo ĝi eksonis, kaj estis tute hele kaj tute arĝente.

La homoj en la urbo ne multe parolis pri la mortinta knabo. Ili estis farintaj tiel multe alian kaj tio estis al ili pligrava kaj pliutila. — — Nur en la blua ĉambro kun la altaj fenestroj kaj la larĝaj kurtenoj estis blanka knabina figuro, kiu estis kuŝinta en kusenoj la belan kaj trankvilan vizaĝon kun la malpezaj, brunaj plektoj, ploris — ploris dum tre multaj solecaj horoj. — Kaj ŝi ne estiĝis ĝoja tutan longan vivon kaj estis en ŝiaj sonĝoj violono, kiu murmuris en multaj, dum multaj someraj noktoj, kiuj estis multpezaj kaj lacigaj pro la aromo de multaj floroj, kiuj falis de la branĉetoj.

Sed nur la tombejo antaŭ la urbo, kie kuŝis la malriĉuloj, estis tute sola tombo flanke de aliaj, kaj sur la tombo estis ĉiujare krono el blankaj rozoj.

Tradukis
*P. Müller*, Werdau (Saks.)

# Rakonto de Leopard-Dresisto.

De *Jack London*.

Li havis raveman malproksimecan rigardon en siaj okuloj, kaj lia malgaja, insistema voĉo, kvazaŭ virgulin-ĝentila, ŝajnis esti la serena enkorpaĵo de iu profunde loĝita melankolio. Li estis leopard-dresisto, sed li ne aspektis tia. Lia okupo, per kiu li akiradis vivrimedojn, estis aperi en kaĝo kun ludantaj

leopardoj antaŭ granda popolamaso kaj elmontri iajn bravaĵojn por kiuj liaj mastroj rekompencadis lin laŭ skalo kiu dependis de travibr-efekto kian li produktis.

Kiel mi diris, li ne aspektis tia. Li estis mallarĝkoksa, mallarĝŝultra kaj anemia; sed ŝajnis, ke li ne estis tiel subpremita pro malĝojo, sed pro dolĉa kaj ĝentila malgajeco, kies ŝarĝo estis egal' dolĉe kaj ĝentile eltenata. Dum horo mi penis eligi rakonton, sed li kvazaŭ mankis imagecon. Por li lia grandioza kariero ne entenis ion ajn romantikan, nek kuraĝagecan, nek vibrkaŭzantan — nenion krom griza sameco kaj senfina tedeco.

Leonojn? Ho, jes! li batalis ilin. Tio estas nenio. Oni devas nur resti sobra. Iu ajn povas plenbati leonon per ordinara bastono. Foje li batis leonon dum duonhoro. Nur estis frapanta lin sur la nazon ĉiufoje, kiam la besto atakis, kaj kiam ĝi artifikiĝis kaj atakis kun sia kapo malsupren, nu, estis nur necese eletendi onies kruron. Kiam li prenegus la kruron oni returnentirus ĝin kaj ree frapus lin sur la nazon. Tio estas ĉio.

Kun la malproksimeca rigardo en siaj okuloj kaj per sia vortfluado li montris al mi siajn cikatrojn. Estis ili multaj, kaj unu freŝdata kie tigrino gratinte lian ŝultron atingis ĝis la osto. Mi povis vidi la lerte flikitajn ŝiraĵojn en la vesto kiun li portis. Lia dekstra mano, de la kubuto ĝis malsupro, aspektis kvazaŭ ĝi estus pasinta tra draŝmaŝino, tiel ĝi estis difektita per ungegoj kaj dentegoj. Sed tio estis nenio, li diris, nur la malnovaj vundoj ĝenis lin iomete dum pluvperiodo.

Subite lia vizaĝo heliĝis pro rememoraĵo, ĉar li efektive estis tiel dezirema doni al mi rakonton kiel mi estis ĝin aŭdema.

„Mi supozas, ke vi aŭdis pri la leondresisto, kiu estis malamata de alia homo?“ li diris.

Li paŭzis kaj penseme rigardis malsanan leonon en la kontraŭe staranta kaĝo.

„Havas dentdoloron“, li klarigis. „Nu, la leondresisto ĉiam finadis sian spektaklon metante sian kapon en buŝegon de leono. La homo kiu malamis lin, ĉeestis ĉiun spektaklon esperante iam vidi kiam la leono ekmaĉus la kapon. Li sekvis la ludistaron tra la lando. Jaroj forpasis kaj li maljuniĝis. Kaj finfine, sidante en fronta seĝo, li vidis tion, kion li atendis. La leono ekmaĉis, kaj ne estis necese voki kuraciston.“

La leopard-dresisto ekrigardis siajn manungojn per maniero kiu estus kritikinda se ĝi ne estus tiel malgaja.

„Nu, tio estas kion mi nomas paciencο“, „kaj tia estas mia metodo. Sed ĝi ne estis metodo de homo kiun mi konis. Li estis malgranda, maldika, duonsegita*), glavenglutanta kaj ĵonglanta franco. De Ville, li nomis sin, kaj li havis ravan edzinon. Ŝi estis trapez-artistino kaj ŝi saltegis de sub la tegmento en la reton, sinturnante tre plaĉige en la aero.

De Ville posedis rapidageman karakteron, tiel rapidan, kiel liaj manoj, kaj liaj manoj estis tiel rapidaj kiel tigra piedego. Foje, ĉar la ringmastro nomis lin ranmanĝanto**), aŭ io simila kaj eble io pli malbona, li ŝovis lin kontraŭ la molan pinarban scenej-malantaŭon, kiun li kutime uzis dum sia ponard-ĵetado, tiom rapide, ke la ringmastro eĉ ne havis tempon por pensi, kaj tie, antaŭ la publiko, de Ville bruligis la aeron per siaj ponardoj, enigante en la lignon, ĉirkaŭ la ringmastro, tiel apude, ke ili trapenetris lian vestaĵon kaj grandnombro da ili enpikiĝis en lian haŭton.

La arlekenoj devis eligi la ponardojn por liberigi lin, ĉar li estis kvazaŭ alpinglita. Tio decidigis esti singardema je de Ville, kaj neniu kuraĝis esti pli ol nur ĝentila al lia edzino. Ŝi estis ruza koketulino, sed ĉiuj timis de Ville.

Tamen estis unu, Wallace, kiu timis nenion. Li estis leondresisto, kaj li ankaŭ metadis sian kapon en la buŝegon de leono.

*) Usona esprimo — nesuliĉe kreskiĝinta homo (trad.)
**) Usona esprimo: francoj estas nomataj ranmanĝantoj.

Li enmetus ĝin en la buŝegon de iu ajn el ili, kvankam li preferis Aŭgustus, granda bonhumora besto, kiu estis ĉiam dependinda.

Kiel mi diris, Wallace — Reĝo Wallace ni nomis lin — timis nenion vivantan nek mortintan. Li estis vera reĝo sen ia dubo. Mi vidis lin ebria, kiam pro veto li eniris kaĝon de malagrabliĝinta leono, kaj sen bastono finbatis lin. Nur per sia pugno sur la nazon.“

„Sinjorino de Ville“ —

(Je ekbruo kiu aŭdiĝis malantaŭ ni la leopard-dresisto malvarme sin turnis. Ĝi estis dividita kaĝo, kaj mano de ludanta simio estis tra la kadro kaptita de griza lupego, kiu penis perforte eltiri ĝin. La brako ŝajnis eletendiĝi pli kaj pli longe, kvazaŭ dika elastaĵo, kaj la kunularo de la kompatinda simio faris grandan bruon. Neniu zorganto ĉeestis, tial la leopard-dresisto alproksimiĝis kelkpaŝojn, donis al la lupego akran frapon sur la nazon per la peza kanbastono, kiun li portis, kaj returnis kun malgaje pardonpetema rideto por rekomenci sian nefinitan rakonton kvazaŭ nenia interrompo estus okazinta.)

„rigardis reĝon Wallace kaj reĝo Wallace rigardis ŝin, dum vizaĝo de de Ville nigriĝis. Ni avertis Wallace sed malsukcese. Li ridis je ni, ankaŭ li ridis je de Ville ŝovante lian kapon en pastoplenigitan sitelon, ĉar tiu volis batali.

De Ville aspektis ridinda, mi helpis purskrapi lin; sed li agis tiel malvarmete kiel kukumo*) kaj li tute ne minacis. Sed mi vidis ekbrilon en liaj okuloj, tian, kian mi ofte vidis en la okuloj de sovaĝaj bestoj, kaj mi tre gravmaniere avertis Wallace. Li ekridis, sed de post tiam ne tiom ofte rigardadis al direkto de Sinjorino de Ville.

Kelkmonatoj forpasis. Nenio okazis, kaj mi komencis pensi, ke mia timo estis tute senbaza. Ni estis en okcidento tiam, ludante en Frisko.**) Ĝi okazis dum la posttagmeza spektaklo, kaj la granda tendo estis plenigita de virinoj kaj infanoj. Mi serĉis Ruĝan Denny, la ĉefa kanvasaranĝanto, kiu malaperis kun mia poŝtranĉilo.

Pasante preter unu el la vestiĝ-tendoj, mi enrigardis tra la truo en la kanvaso por vidi ĉu mi povas trovi lin. Li ne estis tie, sed ĝuste antaŭ mi staris Reĝo Wallace, trikotvestita, atendante sian vicon por eniri la kaĝon kun ludantaj leonoj. Kun granda amuzo li estis observanta disputon inter du trapezartistoj. Ĉiuj aliaj personoj kiuj estis en la tendo estis observantaj la samon, kun escepto de de Ville, kiun mi rimarkis fikse rigardi Wallace kaj kun nekaŝita malamo. Wallace kaj la aliaj estis tro okupataj observante la disputon por ke ili estus povintaj rimarki tion kaj tion kio sekvis.

Sed mi vidis ĝin tra la truo en la kanvaso. De Ville eltiris sian naztukon el sia poŝo, faris movon kvazaŭ forviŝante la ŝviton de sia vizaĝo per ĝi (estis varmega tago) kaj samtempe preterpasis la dorson de Wallace. Li neniam haltis, sed flirtante la naztukon iris antaŭen al la enirejo, kie elirante li turnis sian kapon, kaj ĵetis fiksrigardon posten. La rigardo ĝenis min tiam, ĉar ne nur mi vidis malamon en ĝi, sed mi ankaŭ vidis triumfmienon.

„De Ville meritas observadon“, mi pensis en mi, kaj mi efektive spiris pli facile kiam mi vidis lin eliri kaj envagoniĝi malsuprenurben veturantan tramon. Kelkminutojn poste mi estis en la granda tendo, kie mi trovis Ruĝan Denny. Reĝo Wallace estis plenumanta sian taskon kaj la rigardantaro estis ensorĉita. Li estis en escepte sovaĝa animstato, kaj incitis la leonojn ĝis tia grado, ke ili murmuregis, tio estas, ĉiuj kun escepto de maljuna Aŭgustus, kaj li estis ĝuste tro grasa kaj mallaborema kaj maljuna por ke li estu pri io ajn incitita.

*) Usona slangesprimo — uzata ĉar kukumoj gustas malvarmige.
**) Mallongigite: San Francisko.

Fine Wallace kraketis per la vipo kaj poziciigis lin. Maljuna Aŭgustus, bonanime palpebrumis malfermis sian buŝegon kaj ekeniris la kapo de Wallace. Tuj la makzeloj de la leono kuniĝis, laŭtmaĉe, ĝuste tiel.“

La leopard-dresisto ekridetis dolĉe kaj penseme, la malproksimeca rigardo remontriĝis en liaj okuloj.

Kaj tia estis la fino de Reĝo Wallace, li daŭrigis per sia malgaja, mallaŭta voĉo.

Post la ekscito malvarmiĝis, mi rimarkis mian ŝancon kaj kliniĝante flaris la kapon de Wallace. Tuj mi ekternis.

„Ĝi... estis ...?“ mi demandesploris kun haltema avideco.

„Flartabako“ — kiun De Ville surŝutis sur liajn harojn en la vestiĝ-tendo. Maljuna Aŭgustus neniam intencis fari tion Li nur ekternis.“

Trad. *Georg Saville.*

# La vespermeso.

(La bluaj legendoj.)

De *Jovan Dučić*

Malgranda, reĝa vilaĝa preĝejo staras sur herbejo, apud febra verda rivero. La herbejo estas sen ĉirkaŭbaro, plena je herbo, kaj tie sin paŝtas granda juna azeno. En la herbo kuŝas kelkaj grandegaj postlasitaj antikvaj tomboŝtonoj; eble la tomboj de iuj „patarenaj“ gesinjoroj. La azeno malrapide mordas herbon ĉirkaŭ antikvaj emblemoj kaj nobelaraj insignoj.

Tiel la tutan tagon. Poste la suno malaperis inter montarojn kaj elŝutis sur riveron siajn lastajn sangajn radiojn. Vilaĝano, la preĝejservisto, sonorigis en turo la malgrandan vespersonorilon, kiu multfoje resonis en proksima nigra junipera arbaro. La rivero malrapide trankviliĝadis.

La azeno granda kaj forta levis la kapon. Du liaj malsekaj brilaj okuloj senkonscie ekrigardis la valon, kiu estis plena je sonoro. Tiam ĝi ellasis sian abomenan, krudan, malglatan voĉon, sed plenan je juneco, forteco kaj iu sovaĝa gajeco kiu vivigas.

Kaj, kiel la pia sonoro de sonorilo, ankaŭ tiu voĉo leviĝis je ĉielo.

El serba: *Uroŝ Avdalović,* instruisto, Nevesinje, Hercegovino.

# Aŭtuno.

De *Maria Pranicka.*

La tagoj fariĝas mallongaj, la floroj malaperas, la papiliojn anstataŭas la mumio-formaj krizalidoj, la fruktoj estas jam rikoltitaj kaj la arboj senfoliiĝas, la suno leviĝas malfrue kaj frue subiras, ĝia lumo ne havas la forton por venki la noktan malvarmon kiu pli kaj pli regas, la herbo flaveta iufoje matene estas arĝenteblanka pro la prujno, la migrobirdoj adiaŭas kaj forvojaĝas al Egipto, la tuta naturo sin preparas por la vintrado, ĉio fariĝas silenta, melankolia, dezerta.

La tagoj de l' nejuna aĝo fariĝas mallongaj, ili rapide saltas unutone, malplene, melankolie. La floroj de l' vivo malaperas, restas nur malsanoj, ĝemoj, zorgoj. La infanoj fariĝis plenaĝaj, fondas siajn familiojn aŭ foriras aliajn landojn. La haroj maldensiĝas, fariĝas arĝentaj. La plezuroj de l' vivo ŝajnas vanaj, nenio povas ĝojigi, ĉio estas tro konata, enua, seninteresa. La tuta vivo perdas siajn kolorojn, ĉio fariĝas silenta, dezerta. Oni sin preparas por la vintro de l' vivo, por la lasta dormo, senlaca kaj sengaja, por la morto.

# Flavaj folioj.

*J. Gulbis.*

Kiam mi aŭdas kiel vento post mia fenestro ĉagrenan kanton kantas, kiam mi vidas kiel flavaj folioj silente flugas en aero, tiam mi rememoras vin, vian palan fantomon en fremdlando.

Mi rememoras, ke tiam ankaŭ falis flavaj folioj kaj vento ĉagrene kantis post mia fenestro kiam vi forveturis de patrolando, de viaj infanecaj vojetoj kaj de mi, kiun amis via koro.

Mi rememoras, ke en la stacidomo vin akompanis parencoj kaj aliaj homoj kaj ili havis multe da belaj floroj kiujn oni donacis al vi en la longa vojo.

Mi rememoras, ke vi al ĉiuj ridetis, ridetis tra larmoj kaj via mano forte prenis miajn fingrojn kiam vi adiaŭon diris.

Multajn florojn al vi ĉiuj donacis, sed ne mi, kiun vi amis, kies lipoj diris vortojn plenajn de vero kaj profundaj ĉagrenoj. Mi staris apud vi kiel almozulo kun bukedo da flavaj folioj en mano.

Kaj kiam vi prenis mian donacon, lokomotivo komencis forveturi, mi pensis, ke eble post kelka tempo vi ĝin ĵetos el vagono tra fenestro.

Eble vi neniam scios, kiom multe da sento, kiom multe da amo kaj sincero kuŝas en ĉiu folio . . . .

Sed — eble vi komprenis tion? — —

Eble vi al koro preminte kisis mian donacon.

Eble? — —

El latva: *V. Gailitis,* Vilaka.

# Tute sola.

*Vasyl Stefanyk.*

En tiu kabaneto, kiu rampas sur monteto kiel renversita skarabo, malsanis avino. La sako substernita, sub la kapo nigra malmola kuseno. Apud la avino sur tero kuŝis peco da pano kaj kruĉo kun akvo. Infanoj forirante labori lasis al la avino ion por manĝi kaj trinki. Malriĉe ili vivis, kaj nenio pli bona estis havebla por la avino. Kaj la malsanulinon varti en varma sezono, Dio mem vidis, estis neeble.

En ĉambro zumis muŝoj. Sidiĝadis ili sur la panon kaj manĝis, rampis en kruĉon kaj trinkis akvon, satmanĝinte vizitadis la avinon, rampis en la okulojn, en buŝon. La avino ĝemetis, sed la muŝojn forpeli ne povis.

La avino kuŝis sur la tero kaj per malklaraj okuloj rigardis la krucon skulptitan sur la trabo. Bruligitaj lipoj kun peno disŝiriĝis helpitaj per blankigita lango.

Tra fenestreto falis sunaj radioj. Ĉielarkaj koloroj ekludis sur ŝia sulkita vizaĝo. Timige ŝi aspektis tiel lumigita. Muŝoj zumis, diverskoloraj lumoj kune kun muŝoj vagis sur la avino, kaj ŝi ŝmacis per lipoj kaj montradis blankan langon. Kabanaĉo similis ian malbenitan kavernon kun granda pekulino, punatan de pratempoj ĝis senfino.

Kiam la suno ĝisrampis al la piedo de l' avino kaj haltis apud la ŝnuro kuntiranta la sakon, tiam la avino ekruliĝis sur la tero serĉante la kruĉon.

„Jen, jen, ho!"

La avino silente sidiĝis Nur per la mano ŝi pelis viziojn.

El sub la forno elrampis diablo kun longa vosto kaj sidiĝis ĉe la avino. Kun peno deturnis sin de li la avino. Diablo denove sidiĝis kontraŭ ŝi. Prenis la voston en la manon kaj glatumis per ĝi la avinon sur la vizaĝo. Kuntirinte la dentojn la avino nur movis la palpebrojn.

Subite el la forno elflugis aro da etaj diablidoj. Ekpendis super la avino simile al akridaro aŭ al nubo da kornikoj super arbaro Poste ĉiuj superfalis la avinon. Rampis en orelojn, en buŝon, sidiĝadis sur la kapon. La avino sin defendis. Per dika fingro ŝi tuŝis la longan kaj volis ilin proksimigi al la frunto por fari la krucosignon. Sed etaj diablidoj are sidiĝadis sur la manon kaj ne lasis al ŝi krucosigni. La maljuna satano gestis, ke avino vane la malsaĝon ne penu.

La avino longe penis, sed krucosigni neniel povis. Fine la diablo ĉirkaŭprenis la kolon de l' avino kaj ekridaĉis, sed tiel, ke la avino surgenuiĝis kaj falis per la vizaĝo al la fenestro.

De tie flugis sur la avinon rajdantoj. En verdaj kaftanoj kun pipoj en la dentoj sur ruĝaj ĉevaloj. Jam atakis, jam venis amen por la avino!

Ŝi fermis là okulojn En la kabano la tero rompiĝis kaj la avino ruliĝis en rompaĵon falante suben Je sube kaptis ŝin la diablo, laŭlarĝe jetis sur siajn ŝultrojn kaj ekflugis kun ŝi kiel vento. La avino ekŝiriĝis kaj faligis la kapon kontraŭ la tablo.

Sango ekfluis, avino ekploris kaj mortis. La kapon klinis ĉe tabla piedo kaj per larĝaj, mortaj okuloj rigardis oblikve en la ĉambron. Diabloj haltis ĉirkaŭrajdi, nur la muŝoj volupte lekis la sangon Sangumis siajn flugilojn kaj ĉiam pli da ili ruĝaj estis en kabano.

Sidadis sur la nigrajn potojn ĉe forno kaj sur pladojn en pladujo, sur kiuj estis pentritaj rajdantoj en verdaj kaftanoj kun pipoj en dentoj. Ĉien ili portis avinan sangon.

El ukrajna trad. *Orest Kuzjma.*

**Kun la nuna numero estas sendata N-ro 15 de l' Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo.**

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Literaturaj verkoj.**
**Filozofi... — Dokumentoj. — Lernolibroj.**

*

La *Reaperantoj,* la fama dramo de Ibsen, reaperas en dua eldono kiel duobla numero de Esperanta Biblioteko Internacia. La traduko de S-ro Bünemann estas perfekta. Ĉiuj pensoj, ĉiuj intencoj de l' aŭtoro klare kompreniĝas. Estas vere, ke proza moderna teatraĵo, kun sia simpleco de l' personaj paroloj, estas pli ĝuste tradukebla ol alispeca teksto. La dramon oni legas ne konsciante, ke estas traduko; se en kelkaj lokoj la ideoj de Ibsen iom malmodiĝis, lia verko restas strange impresiga kaj pensiga. Tre konsilinda legaĵo por ĉiu, spertulo aŭ novulo.

*

Zanoni, ektradukante *Atta Troll* de Heine, troviĝis antaŭ multe pli malfacila tasko. Heine estas majstro en humoro kaj versfarado. Peni redoni en Esperanto la esencon de lia spriteco kaj lerteco estas kvazaŭ elekti plej armitajn malamikojn, por ke la venko estu pli triumfa. Oni ne povas rakonti fantaziaĵon moke ironian kiel Atta Troll, kie la aŭtoro ĵonglas per la ideoj kaj esprimoj. Kelkaj el la duonmilo da oksilabaj, ritmaj, sen-rimaj verskvaroj montros, kiom sukcese laboris la tradukinto.

La duonon de la nokto
Mi pasigis surbalkone:
Staris apud mi Julјeto
Rigardante al la steloj.

Ŝi sopiris: Ho, la stelojn
Mi plej ŝatas en Parizo
Kiam ili vintranokte
Speguliĝas en la koto.

Homoj, ĉu pli bonaj estas
Vi ol mi, ĉar via haŭto
Estas glata? Tiun econ
Havas ankaŭ la serpentoj.

Ho, dukruraj vi serpentoj
Mi komprenas, kial vi
Portas vestojn! Fremdalane
Kaŝas vi serpent-nudecon!

Miajn lipojn mi ekpremis
Sur la ruĝajn, rondajn vangojn,
Kaj mi faris la konkludon:
Mi ja kisas, do mi vivas!

Ĉu diablo aŭ anĝelo?
Mi ne scias. En virinoj
Vi alterne povas trovi
Jen diablon, jen anĝelon.

Tute malsimila laŭ enhavo al la „Johano la Brava", oni tamen povas iel kompari la poemojn de Kalocsay kaj de Zanoni, ĉar ambaŭ estas pli versaj rekreaĵoj ol simplaj tradukoj. Ambaŭ meritas altan rangon en nia esperanta verkaro.

*

Ŝercaĵo, kaj eĉ por neprudema aŭdantaro, estas la komedieto de Arturo Ghez: *„Vi sola Esperanto povas fari tiajn miraklojn".* Oni ne serĉu seriozecon en tiu originala humoraĵo; jam la sprita prezento de la personoj elvekas nevenkeblan ridemon. Cetere la verketo ne pretendas esti pli ol amuzaĵo kaj ĝia neverŝajneco ne malhelpos, ke ŝi distru kaj laŭte ridigu neseveran publikon.

* * *

*Batalantoj por la homara paco* estas bele presita, alte inspirita, bone esperantigita broŝuro. Ĝi celas konvinki pri tio, ke ne eternaj estos la militoj inter homoj, ke tiuj devas agi kune kaj konscie serĉante la vojojn al justecaj rilatoj inter la popoloj, al supernacia organizaĵo, kaj ke tempo de tuthomara paco baldaŭ ekestos, se vere ĉiu ĝin deziras. Esperantistoj ne povas ne simpatii kun tia rezonado.

Sennacieca Asocio Tutmonda eldonis kun titolo: *Kontraŭ Dio,* kaj subtitolo: Ateista Krestomatieto, broŝuron kun dekduo da diversaŭtoraj prozaj tradukoj, kun kelkaj poezioj kaj bildoj Pri la celo kaj tendenco klare diras la jus cititaj titoloj. Ĉapitroj pri sinteno de proletoj kontraŭ religio, pri ties deveno, pri pastroj, mirakloj, kontraŭeco de scienco kaj dikredo, senreligia edukado vive, ŝerce aŭ serioze, atakas la ja ankoraŭ forte enradikiĝitajn kredojn.

* * *

La *Oficiala Jarlibro por 1925* similas la antaŭjarajn eldonojn kaj superas ilin per sia riĉa, praktika enhavo. Ĝi ankaŭ aperis pli frue. Ĝia enciklopedia parto pliampleksiĝis je diversaj tabeloj aŭ statistikoj. La informoj pri esperantismo, societoj, gazetoj, estas pli plenaj, pli utile ordigitaj. Eĉ la multaj anoncoj estas interese foliumataj kaj devas utile servi al la anoncintaj firmoj, ĉar 10000 ekzempleroj de l' Jarlibro lokiĝas sur la skribotablo de ĉiu vera samideano, inter la plej ofte traserĉataj necesaj referenclibroj.

*

La *Oficiala raporto pri la 15a kongreso en Nürnberg* daŭrigas la plenan kolekton de l' kongresaj raportoj eldonitaj de la Centra Oficejo. Ĉefe interesa ĝi estas, ĉar en Nürnberg unuafoje funkciis la nuna organizo de nia movado.

*

Centra Esperanto-Librejo en 's-Gravenhage disdonas *Esperanto-Catalogus,* kiu pruvas la multecon kaj variecon de la aĉeteblaj esperantaj kaj priesperantaj verkoj.

*

Francaj samideanoj disponas en la *Resuma raporto* pri la 2a internacia konferenco pri uzo de Esperanto en komerco kaj industrio, jus okazinta en Parizo, bonan disvastigindan propagandilon por 'a koncernaj rondoj.

*

Ni citu ankoraŭ, ke revuo el Aŭstrio: *Illustrierte Rundschau,* antaŭ nelonge dediĉis tutan specialan numeron al Esperanto, kun unu esperanta teksto, kelkaj germanlingvaj studoj pri nia movado kaj multaj belaj bildoj el la esperanta vivo de ĉiuj landoj

* * *

Inter laste aperintaj lernolibroj estas: speciala metodo por infanoj en ĉeĥa lingvo de Julie Ŝupichova tre praktike aranĝita; facila gramatiko por kurs- aŭ memlernado en germana lingvo de Karl Giessmann, kiu speciale atentas la personojn, kiuj ne scias fremdan lingvon; tria eldono de l' metodo por hispanoj verkita de Julio Mangada Rosenörn kun bonaj klarigaj tabeloj; kaj Vivo de Liceano, kajero de Deligny por junaj francoj, konsistanta en 12 lecionoj kun vortoj, demandaro kaj respondaro. La bezono pri lernolibroj estas ĉiulande kontentigita per novaj eldonaĵoj.

* * *

(Plenaj titoloj, firmoj kaj prezoj troviĝas sub: „Novaj libroj".)

*G. S.*

## Novaj libroj.

**Reaperantoj.** Familia dramo. *Henrik Ibsen.* Tradukis *Oscar Bünemann.* Dua eldono. 1925. Esperanta Biblioteko Internacia N-roj 14—15.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
112 paĝoj, 10 × 14 cm. Prezo: 0,80 M. germ.

**Atta Troll.** Somernokta sonĝo. *Heinrich Heine.* Traduko de *Zanoni.* Nova Esperanto-Biblioteko N-ro 10. 1922.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
96 paĝoj, 11 × 16 cm. Prezo: 1,50 M. germ.

**Deuxième conférence internationale pour l'emploi de l'Esperanto dans le commerce et l'industrie.** Paris, 14—17 mai 1925. Compte-rendu sommaire. (Extrait du Bulletin de la Chambre de Commerce de Paris.)
Comité de la Foire de Paris, 8 Place de la Bourse.
24 paĝoj, 17 × 27 cm. Prezo ne montrita.

**Dekkvina Universala Kongreso de Esperanto.** Nürnberg, 2—8 aŭgusto 1923. Esperantista Dokumentaro, kajero 35, 1925.
Esperantista Centra Oficejo, 51 Rue de Clichy, Paris.
48 paĝoj, 16 × 25 cm Prezo: 6.— fr. fr.

**Oficiala Jarlibro de la Esperanta Movado, 1925.** (13a jaro.)
Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève.
352 + CXVI paĝoj, 11½ × 16½ cm. Senpaga por UEA-anoj.

**El Esperanto al Alcance de Todos** por *Julio Mangada Rosenörn.* 1925. (Tria eldono.)
Imprenta de J. Lopez. Cruz, num 25. Madrid.
72 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo: 1,50 pes.

**7de Esperanto-Catalogus, Mei 1925.** Centrale Esperanto-Boekhandel, Bankastraat 2a, 's-Gravenhage.
32 paĝoj, 12½ × 15½ cm.

**La vivo de liceano.** *E. Deligny.* 1925.
Imp. Joly-Thuilliez. Saint-Omer (Francujo).
12 paĝoj, 21 × 27 cm. Prezo: 2,— fr. fr.

**Enciklopedia vortaro,** esperanta-germana. *Eugen Wüster.* Dua parto. 1925.
Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako.
16 + 144 paĝoj, 17 × 25 cm. Prezo: 15.— M. germ.

**Literatura Informilo,** eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. N-ro 2, somero 1925.
20 paĝoj, 17 × 24 cm. Senpage disdonata.

**Rememoroj de Esperantisto.** *Ada.* 1925.
Eldono de Dimitr Tuĝarov, Tatar-Pazarĝik, Bulgarujo.
88 paĝoj, 12½ × 17½ cm. Prezo: 0,38 Sm. (1,— sv. fr.)

**Petro.** Kursa lernlibro por laboristoj. 1925.
Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona fako kooperativa, Leipzig.
64 paĝoj, 12½ × 17½ cm. Prezo: 1,— sv. fr.

**Esperanta Legolibro.** *B. kaj E. Migliorini.* 1925.
Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italio.
144 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo: enlande 4,— L., eksterl. 5,— L.

**La lasta kravato de Aleksy.** *Stanislaw Balinski.* El la pola lingvo tradukis *Stanislaw Karolczyk.* 1925. Biblioteko de „Pola Esperantisto", N-ro 1, Warszawa.
24 paĝoj, 12 × 16½ cm. Prezo: 50 gr.

**La Malaperinta amiko,** aŭ La nedaŭraj reenkorpiĝoj en Mantes. (L'ami disparu ou Les renaissances éphémères de Mantes s. Seine, France.) 3a eldono. *Jules Thiébault.* Ĉe la aŭtoro, Carignan (Ardennes), Francujo.
100 paĝoj, 14 × 21½ cm.

**A Key to Esperanto.** The British Esperanto-Association, 17 Hart Street, London W. C. 1.
32 paĝoj, 7 × 10½ cm. Prezo: 1 d.

**La Anĝeluso.** Muziko de *Felix Fourdrain.* Poezio de Hugues Lapaire, esperantigita de F. de Ménil.
Eldonis Deiss & Crepin, 31 Rue de Meslay, Paris IIIe.
4 paĝoj, 27 × 35 cm. Prezo: 2,— fr. fr.



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA





### XVIIa Universala Kongreso de Esperanto
### Genève, Aŭgusto 1925.

#### Financa raporto.

Post tenebras lux! La Ĝeneva devizo efektive valoras por la XVII a kongreso ĉar post la malhelo de la Viena deficito venis la lumo de la sendeficite finiĝinta kongreso de Ĝenevo. Kiam klariĝis, ke pro manko de invitoj al lando pli favora, la svisaj samideanoj devis akcepti la taskon organizi la jaran mondfeston esperantistan, evidentiĝis ankaŭ, ke ne plu estis eble fiksi kotizojn „favorajn". Ne mankis bonintencaj konsiloj, apliki la sistemon de UEA, konsentante ankaŭ al kongresanoj el malbonvalutaj landoj saman favoron ĉe kotizo. Tie ĉi ni ripetas kion ni diris korespondante: La kongreso devas sin pagi mem. Kongresano postulanta bonan aranĝon de la kongreso, *siaparte* pagu proporcie. Aliflanke kongresano dece paginta, *rajtas plendi,* se io ne estas tiel kiel devus esti. Fine unu demando: Ĉu efektive oni kuraĝas trudi al samideanoj, oferintaj tempon kaj forton, fine pagi preskaŭ certan deficitegon? La ekzemplo de Vieno nin instruis kaj

Spertiĝas la saĝul' per eraroj de aliul'
Neniam per la propraj, malsaĝul'!

El tiuj ĉi konsideroj, bazitaj sur spertoj, fundaj kalkuloj kaj prudenta takso de ĉiuj eventualoj, venis la jam matura decido fiksi indan kotizon, garantiantan bonan prizorgon de ĉio. Svislando havas tiufoje duban avantaĝon de alta, firma kaj „nobla" valuto. Tio ne signifas, ke ĉiuj estas riĉuloj, ke la vivo similas tiun de la paradizo! Tute ne. Realaj estas la faktoj de la ĉiutaga vivo kaj reale, sobre pensas la homoj en Svislando. —

Multon ni ne promesis. La faman sciigon pasintjaran, „ke dek svisaj frankoj certigas luksan vivon" en Vieno, ni ne povis nek bezonis ripeti sub alia formo, ĉar tro konata al multaj estas la granda diferenco de vivkosto. Multaj neantaŭviditaj problemoj stariĝis kaj ĉe ĉiu momento la granda esenca demando „kie preni la monon por la unuaj monatoj?" postulis respondon. Sen subteno registara, sen garantiaj subskriboj, sen notindaj donacoj, jen la aspekto. Feliĉe estis unu fidela helpanto. UEA, mem batalanta kontraŭ ĉiaj malagrablaĵoj, subtenis la kongreson per siaj teknikaj kaj financaj rimedoj kaj ne estas malmodeste diri, ke dank' al tiuj ekzistantaj rimedoj faciliĝis la aranĝo de la kongreso.

Post tiu iom longa sed necesa antaŭparolo . . . . la faktoj kaj ciferoj. La unua budĝeto prezentita al la I. C. K. kaj L. K. K. bazis sur 1500 kongresanoj kaj antaŭvidis netan profiton de 5000 ĝis 6000 fr. Bedaŭrinde la nombro de la pagintaj kongresanoj atingis nur 869, sekve la enspezoj reduktiĝis je la duono dume la *fundamentaj* kostoj restas samaltaj.

Kiam montriĝis, ke la kongreso fariĝos intima amika familia festo, tiam ni serĉis ĉie eviti ne tro necesan aranĝon. Anstataŭ luksa metala kongresinsigno, simpla, jes iom *tro* simpla rubando estis fabrikigita.

Vidante ciferojn tiuj bonuloj ĉion pli bone sciantaj kaj povantaj, volu diri, kiu estus paginta ĉion deziratan.

#### Kongresa konto:

**Enspezoj**

| | Oficiala kotizo | Fr. sv. |
|---|---|---|
| 50 lokaj kotizoj | 5.— | 243.— |
| 16 helpkongresanoj | 10.— | 166.70 |
| 19 Junuloj | 15.— | 285.— |
| 716 de UEA-membroj | 20.— | 14226.25 |
| 68 de nemembroj | 25.— | 1699.70 |
| 869 kongresanoj pagintaj (meza kotizo Fr. 19.15) | | 16620.65 |
| Subteno de l' ŝtato | | 1000.-- |
| Anoncoj en la kongresa bulteno | | 350.— |
| Sumo: Fr. | | 17970.65 |
| Deficito en regula konto | | 3534.47 |
| | | 21505.12 |

**Elspezoj**

| | Fr. sv. |
|---|---|
| Salajroj de sekretario kaj de dumkongresaj helpantoj | 5111.— |
| Paroladvojaĝo Andreo Ĉe: partopreno | 250.— |
| Presaĵoj kaj kongreslibro | 3204.65 |
| Kongresa bulteno, 60000 ekz. | 1617.47 |
| Afranko de korespondado | 1102.10 |
| Afiŝoj — ŝildoj — surskriboj | 771.40 |
| Oficeja ilaro | 114.80 |
| Materialo (skribpapero, kovertoj ktp.) | 260.70 |
| Kosto de kongresejo Palais Electoral: luo, lumo, dekoracio, poŝto, oficejo | 2699.05 |
| Kosto de Victoria Hall | 787.20 |
| Stacidoma akceptejo | 209.35 |
| Aŭtomobiloj, telefono, telegramoj, transportkostoj | 285.65 |
| Flagoj — kongresinsignoj | 963.— |
| Komitataj elspezoj | 157.25 |
| Div. elspez. po kategorio malsuper de 50 Fr. | 648.50 |
| | 18181.12 |
| Al Intern. Centr. Komitato 20% de 16620.65 | 3324.— |
| Sumo de la elspezoj: | 21505.12 |

## Bilanca konto:

| | Perdo | Gajno |
|---|---|---|
| Perdo el regula konto | 3534.47 | |
| Gajno el aranĝoj de l' kongreso: teatro, ekskurso ktp. | | 3215.85 |
| Alpago de UEA por egaligi | | 318.62 |
| | 3534.47 | 3534.47 |

Vidiĝas el tiuj ciferoj, ke por fini ĉion sen perdo certa nombro minimuma da kongresanoj estas deviga. Tiu ĉi minimumo estus por la Ĝeneva kongreso 1200 anoj. Plie estas rimarkeble, ke la efektiva deficito el regula konto estas pagita el profitoj de aranĝoj; malgrandan restaĵon egaligis UEA.

La *Regula konto* enhavas do ĉiujn en- kaj elspezojn fundamentajn. La plezuraranĝoj, balo, teatro, ekskurso kalkuliĝis aparte sub principo: Nenia plezuro sen pago — limigo laŭ la enspezoj.

Multe helpis la bonan finon la kreo de la „Turistaj Biletoj" aranĝita kun helpo de UEA kaj sub *ĝia* respondeco. Proksimume 500 tiaj biletoj vendiĝis. Ili efektive certigis la tutcertan partoprenon de nombro sufiĉa por eviti katastrofon.

Alia konstato jam farita aliloke: La preparoj de tia kongreso postulas regulan prilaboron kaj direktadon de *profesia* sekretario. La korespondado ekzemple montris ĝis fino de aŭgusto

| | | |
|---|---|---|
| Leteroj | 1904 | |
| Poŝtkartoj | 1361 | |
| Presaĵoj | 1649 | |
| Sume | 4914 | poŝtaĵoj. |

Tiu ĉi laboro efektiviĝis dum 8 monatoj, do 240 tagoj. Konsiderante registradon de aliĝoj, librotenado, rilatoj kaj vizitoj ktp. la organizo de kongreso sen profesia sekretario, *responda* pri lia laboro ŝajnas neeblaĵo aŭ . . . certa riskaĵo.

Ni ja spertis la aferon en Vieno kaj ne parolante pri evidentaj eraroj malebligaj, oni ne rajtas riproĉi la organizantojn de la Viena kongreso . . . ne disponantaj pri fundamentaj bezonoj.

La unuan fojon kongreso pagis al la organizo esperantista procentaĵon el la kotizoj. La *Internacia Centra Komitato* kiu ne havas regulajn enspezojn el kotizoj do la unuan fojon ricevis la imposton — 20% — kio permesas pagi parton de nunjara bezono. Modesta estas la cifero *3324 fr. sv.* kaj neniel impona. Sed ĝi signas komencon de nova epoko. Supozante partoprenon de 1500 anoj la imposto por I. C. K. estus atinginta pli ol 6000 fr., jam pli impresiga sumo.

Al la estontaj kongresoj apartenos la interesa tasko, altigi tiun enspezon de la Centra Komitato; tiam la kongresoj, konsideritaj ofte kiel nuraj amuzaĵoj plenumas rolon respektindan, nome fortigi la organizaĵon akceptita de la Helsinka kongreso. *H. J.*

## Telegramoj kaj salutoj al la Deksepa Kongreso.

Pro troŝarĝo de la tagordo de l' kunvenoj la L. O. K. nur povis sciigi kelkajn telegramojn ricevitajn dum la kongreso. Ni donas tie ĉi la plenan liston de alvenintaj salutoj kun kora danko al la sendintoj.

**Telegramoj** ricevitaj de jenaj gesinjoroj kaj korporacioj:

Leono Zamenhof, Warszawa
Wanda kaj Ludoviko Zamenhof, Warszawa
W. M. Page, Edinburgh
Anglaj kaj nederlandaj samideanoj en Rotterdam
D-ro Cortezo, prezidanto de ŝtata konsilantaro, Madrid
Esperanta Klubo Vrhnika, Sudslavio
Esperanto-Distrikto Dalekarlia, Falun, Svedujo
Esperanto-Ligilo, Harald Thilander, Stockholm
Estona Esperanto-Asocio, Tallin
Federacio Esperantista Itala, Bari
Fratularo por reamikiĝo (Fellowship of reconciliation), London
Esperanto-Grupo (S-ro Hubauer), Landshut, Germ.
Inĝeniero Molnar, Sobotka
Oomoto-Movado, Fukuchiyama, Japanujo
„Paco kaj Amo", Barcelona
Panevezysa Esperanto-Societo, Litov.
„Konkordo", Warszawa
Pola Instituto de Esperanto
L. Poncet, Coligny (Ain), Franclando
A. B. C. Senff, Hamburg, Germ.
Otto Simon, Wien, Aŭstrio
Leon Schleichkorn, Kraków, Pol.
F-ino Šupichová, Praha, Ĉeĥoslov.
Sveda Esperanto-Federacio, S-ro Nylen Halldor, Stockholm
Klemens Wieczorek, Ratibor.

**Leteroj** ricevitaj de:

Akademio Balkana Esperantista, Bari, Ital.
Akademia Rondo Esperantista, Warszawa, Pol.
Prof. O. Bujwid, Kraków
Belhoro de Hungarlandaj Blinduloj, Szentes-Budapest
Esperanta Asocio de Germanaj Instruistoj, S-ro A. Degen, Leipzig
Esperantista Sekcio ĉe la Paca Societo de Chelčicky, Ĉeĥoslov.
Esperanto-Organizo de Oficĥavantoj, S-ro R. M. Frey, Wien, Aŭstrio
Katedro de Esperanto, Firenze, Ital.
Kav. D-ro A. Ghez, Trieste, Ital.
Marcel Génermont, Moulin-Allier, Franclando
Nova Kurso en Bihač, Sudslavio
Rondo Esperanta, Trieste, Ital.
Regiona Toskana Instituto de Katedro de Esperanto, Firenze
Societo de Ĉeĥoslovakaj Nevidantaj Esperantistoj, Praha
Werner Rentmeister, Wien
Udine'a Esperanto-Grupo, Udine, Ital.
Verda Standardo, Mateszalka, Hungar.
A. E. Venables, de ŝipo al Japanujo
E. K. Venables, de ŝipo al Japanujo
Karp Wallon, Dresden
Zanoni, Essen, Germ.

# Naciaj Kongresoj.

## Kvina Rumana Esperantista Kongreso en Ploeŝti, 25—28 Julio 1925.

*Sub la alta patronado de kronprinco CAROL kaj sub la protekto de D-ro C. Anghelescu, ministro de publika instruado kaj A. Lapedatu, ministro de kulto kaj arto.*

La Bulgara Registaro, Bulgara Esperantista Societo, Turka Ministrejo de Publika Instruado, Turka Esperantista Societo, Ĉeĥoslovaka Esp. Soc. kaj Internacia Centra Komitato Esp. estas oficiale reprezentitaj.

Post kelkmonata laboro silenta la rumanaj samideanoj altenlevis la verdan standardon.

Dimanĉo, 26 julio, malfermiĝis solene la kongreso en liceo „Sanktaj Petro kaj Paŭlo“, moderne kaj bele aranĝita lernejo.

S-ro Advokato Balaŝ, prez. de Organiza Komitato, per entuziasmigaj vortoj malfermis la kongreson kaj proponas kiel prezidanton S-ron I. A. Bassarabescu, profesoro, membro de Akademio Rumana. La unuanime elektita prezidanto dankante pro la honoro, promesas alporti sian ŝtoneton al la paclaborejo esperanta, al kiu rozkolora estonteco ridetas.

Gh. Fotescu, urbestro, kore bonvenigas la en- kaj eksterlandajn samideanojn.

H. Fischer-Galac, L. K., vicprez. de RES kaj direktanto de Esp. Centro Rum. en lerta propaganda parolado pruvas, ke 86% de la esp. radikaro estas konataj ankaŭ al la neesperantistaj rumanoj. La spritan paroladon spicitan per amuzaj ekzemploj tondra aplaŭdo dankas.

E. Nicolau, ĝen. sekr. de Org. Kom. salutas la gastaron kaj dankas la lokan junularon pro la sindona kunhelpo dum la aranĝado.

G. Aktarĝiev, delegito de la Bulgara eksterafera ministrejo kaj B. E. S. alportas la saluton de la bulgaraj lando kaj popolo. Li instigas la najbarlandajn samideanojn rumanajn kaj bulgarajn al komuna laboro kaj esperas, ke la venontjaraj naciaj kongresoj en la havenurboj Varna kaj Galac estos are vizitataj reciproke.

M. Huluci, prof. el Aidin, Azia Turkujo, reprez. de Turka instruada ministrejo ĝoje anoncas, ke per Esperanto li nun unuafoje vizitas Eŭropon kaj dank' al la mondlingvo, li ĉie sentas sin hejme.

J. Friedrich, el Koŝice, salutas la kongreson en la nomo de la Ĉeĥoslovaka Esp. Asocio.

T. Morariu danke memoras pri Andreo Ĉe, reviviginto kaj kreinto de la postmilita esp. movado en Rumanio; la rumánlanda samideanaro neniam forgesos la aman instruon de sia apostolo.

Post la saluto de S-ro Suciu, reprez. de la Rumana interna ministrejo, direkcio presa kaj de la provinca delegitaro oni laŭtlegis la alvenintajn telegramojn de eksministro Trancu-Jasi, generalo Gavanescul k. a. La unua solena kunsido fermiĝis per la elekto de la kongresa estraro.

Dimanĉe posttagmeze okazis pilkludo kaj vespere gaja artprogramo amuzigis la kongresan publikon en la Moderna Teatro.

Dum la lundaj laborkunsidoj oni elektis la novan estraron de RES: prez. H. Fischer-Galac: vicprez. E. Nicolau; sekretarioj H. Harabaĝiu kaj M. Wurmbraud; arĥivisto-bibliotekisto S. Prager; kasisto E. Steiner.

Unuanima aklamo akceptis la proponon pri elekto kiel hon. membroj de la Rum. Esp. Soc. de S-roj G. Aktarĝiev, prez. de Bulgara Esp. Soc., kaj Andreo Ĉe, prop. sekr. de C. K.

Rumana kongresurbo por 1926: Galac, kien la tiea Komerca Ĉambro invitis oficiale. La rumanaj samideanoj invitis la mondkongreson por la jaro 1929 al Bukureŝto.

## Kvina Tutaŭstra Esperanto-Kongreso en Salzburg.

Sub la honorprotekto de landestro de Salzburg D-ro Rehrl kaj sub la honorprezidanteco de l' urbestro Preis estis solene malfermata la kongreso 9. VIII. 1925.

La laborema kongresanaro konsistanta al la reprezentantoj el 48 aŭstriaj lokoj kaj 18 alilandanoj, sume 200 personoj, interkonatiĝis jam la antaŭan vesperon.

La 9an matene okazis katolika diservo. La solenan malfermon, protektoro kaj honorprezidanto persone ĉeestis, salutis la alvenintojn, la dua en Esperanto. Komisie transdonis prof. D-ro Christanell, kongresprezidanto, la salutojn kaj la bondezirojn de la princ-ĉefepiskopo de Salzburg D-ro Rieder. Alilandanoj transdonis la salutojn de siaj landoj.

Posttagmeze ekskurso al la belega kastelo Hellbrunn, famkonata pro ĝiaj akvo-artifikaĵoj.

Poste belege sukcesinta amuzvespero.

En la labora kunsido S-ro Steiner, ĝenerala sekretario de „Aŭstria Esperanto-Delegitaro“, raportas pri la tempo depost la Graza A. E. D.-konferenco (decembro 1924) jene:

„Ni havas kuraĝon“ — bela frazo!

Tiuj vortoj el la buŝo de nia ŝatata meritplena samideano Smital ne estas — frazo. Ili montras kaj skizas la labormetodon de ni en la lastaj monatoj, kiu restos ankaŭ por la venonta tempo.

Ni Aŭstrianoj kutime ankaŭ estas modestaj homoj. Sola escepto ni Esperantistoj, kiuj ĉiam ne estas kontentaj pri la progresoj en la lando, kvankam ili estas certe kontentigaj, ĉar ili volonte jam esperantigus ĉiujn samlandanojn.

Niaj kuraĝo kaj malmodesto maturigis per senlaca, penplena laboro sukcesojn, kiujn ankaŭ en Ĝenevo la esperantistaro rekonis.

„Kuraĝe antaŭen!“ estu nia devizo.

Nun mi volas raporti pri la faritaj laboroj kaj atingitaj sukcesoj nur skize ne detale:

*Radio:* En marto ĉi-jare la direktantaro de „Ravag“ (nomo de nia aŭstria sendstacio) ne estis por Esperanto. Komence de junio ni jam havis Esp.-kurson per radio Wien — ondo 530. En septembro komenciĝos nova kurso (gvidanto Smital). Ni intencis aranĝi regulajn Esp.-prelegojn pere de la nova sendilo, aŭdeblajn en tuta Eŭropo.

*Landestraroj de A. E. D.* La 9 majo 1925 ni fondis A. E. D.-landestraron por Nieder-Österreich (Malsupra-Aŭstrio). Estro samideano Goldmann, St. Pölten. La laboro jam komenciĝis kaj certe maturigos bonajn sukcesojn. Landestro por Ober-Österreich (Supra-Aŭstrio) estiĝis samideano Meisleder en Linz, kiun vere elike subtenos samideano Franz Wels.

*Fervojoj.* Laŭ letero de 25. 11. 1924 la ĝenerala direkcio de Österr. Bundesbahnen sciigis nin, ke ĝi nun ne povas instali Esp.-kursojn. Sed „kuraĝe antaŭen“ ni fine de majo faris denove paŝojn ĉe tiu grava entrepreno. Kaj ni sukcesis! La ĝeneraldirekcio ordonis (Akt. n-ro 53532/25), raporti pri la nombroj de al ili submetitaj dungitoj, kiuj scias Esperanton, ĝin nun lernas aŭ intencas lerni aŭtune. Pri la rezulto de tiu ĉi enketo ni raportos en „Aŭstria Esperantisto“.

*Österreichische Verkehrswerbungs-Gesellschaft.* Tiu ĉi societo havas la solan rajton por afiŝado en stacioj. En Salzburg jam ekzistas de 3 jaroj afiŝo en la stacio, kiu informas la vojaĝantajn samideanojn pri renkontebleco kun lokaj samideanoj. Tio instigis nin fari la samon en ĉiuj stacioj, kie ekzistas Esp.-grupoj. Ni sukcesis, ke la societo disponigis al ni la lokon en la diversaj stacioj je malalta luoprezo. Aŭtune ni komencos alfiksi la afiŝojn.

*Ŝtata Ekzamenkomisiono* Nia senlaca samideano Kortega Konsilanto D-ro Franz Wollmann dum longa tempo penadis fari la antaŭlaborojn kaj fine la lernejkonsilantaro de urbo Wien akceptis lian proponon al la ministerio por instruaferoj, instali ekzamenkomisionon por Esperanto pri *instrukapablo por mezlernejoj* kaj pri *scio de Esperanto*. Ekfunkciado de la komisiono la 3 novembro.

*XVII. en Ĝenevo.* Ni komisiis S-ron Hein el Hohenau, kiu veturis al Ĝenevo, saluti la kongreson en la nomo de Aŭstrio kaj raporti pri nia senlaca laboro por Esperanto. Samtempe ni sendis invitilojn al Ĝenevo por nia V. K ngreso.

Sekvis koncizaj raportoj de la A. E D.-landestroj.

La dua parto de tiu ĉi kunsido havis tre zorge laboritajn referatojn pri aktualaj temoj, kiujn oni traktis por havi interkonsentitan bazon por estonta sukcesa laboro. La titoloj estas:

1. La laborista Esp.-movado (Smital, Wien).
2. Propagandaj laboroj de A. E. D. per „A E." (Steiner).
3. Propagandaj laboroj de A. E. D. per la gazetara servo. Pro malhelpo ĉeesti la kongreson la gvidanto de la „gazetara servo" D-ro Pfeffer komisiis S-ron Steiner, ke li anstataŭu lin raportante pri la multspecaj faritaj laboroj de la gazetara servo.
4. Instruaferoj kaj ŝtata ekzamenkomisiono. (Schamanek-Tullnerbach).
5. Esperanto-Literaturo Aŭstria. (D-ro Blaas, Rattenberg). Du rezolucioj unuanime akceptita.
6. Oficialigo de Esperanto en Aŭstrio (Smital). Raportas pri proponoj de D-ro Halbedl, Graz, por sistemigo de oficialigo de la laboro por Esperanto kaj pri la fondo de „Aŭstria Esperanto-Instituto" en Wien. (Koncerna rezolucio unuanime akceptata).
7. Esperanto-stenografio sur bazo de unuecsistemo. (Mathiascheck, Hallein).
8. Tutmonda Polica Ligo, Grupo Wien (Gaidosch, Wien).
9. Proponoj. Eksdirektoro Bock, ke oni instigu la instruministerion pro reskripto al mezlernejestroj pri Esperanto. (Unuanime akceptita). Fine la kongreso akceptis grandan solenan rezolucion al la publiko laŭ propono de S-ro Schade.

La tekstojn de la referatoj ni publikigos sinsekve en la venontaj numeroj de „A. E.", la rezoluciojn kune kun la referatoj.

La sesa Tutaŭstria okazos pentekoston 1926 en Graz.

La tagoj en Salzburg pruvis al ĉiuj partoprenintoj ne refuteble, ke la laboremo, celkonscieco kaj laborenergio en Aŭstrio estas belesperige grandaj.

Kuraĝe antaŭen!!!

Aŭstruja Esperanto-Delegitaro.
*Steiner*, ĝen. sekr.

## Antaŭkongreso en Bremen.

Okaze de la 18a Universala Esperanto-Kongreso en Edinburgo la esperantistoj en Bremen decidis aranĝi antaŭkongreson. Urbdomo, malnova Brema domo (Essighaus), oficejo de Nordd. Lloyd, borso, muzeo por komerco kaj etnologio kaj aliaj vidindaĵoj estu montrataj. Ankaŭ havenrondveturo estas projektata. Krom tio senĝena vespero en la famkonata vinkelo de la magistrata domo, en kiu jam Hauff skribis siajn fantaziaĵojn. Post la kongreso la partoprenontoj en Edinburgo estos enŝipigataj al Leith (haveno de Edinburgo).

Kongreskotizo 3.— Mk., por familianoj 2.— Mk.

Adreso por anoncoj kaj informpetoj:
D-ro med. *C. Renken*, Hafen 26.
Esperanto-Antaŭkongreso, Bremen.

Pagoj estu sendataj al *„Esperanto-Kongreso", Bremen.*
Deutsche Bank, Filiale Bremen.

## PACIFISTOJ.

*„Legu kaj konservu."*

Dum la pacifista kunveno en Ĝenevo oni decidis, ke la centro de nun estos en Hago, kaj ne plu en Vieno, pro multokupeco de S-ro Frey, kiu tamen restas fidela laboranto por U. E. P. L., same kiel la Vienaj kasistoj.

La nuna estraro konsistas el: S-ino J. Isbrücker, prezidantino; F-ino H de Lange, sekretariino kaj S-ro G. Wirix, kasisto.

La sekvantaj proponoj estas unuanime akceptitaj:

*PROGRAMO*

I. *Organizo.* — La Ligo havas en ĉiu lando unu *nacian sekretarion*. La nacia sekretario nomas en diversaj urboj de sia lando, *urbajn sekretariojn*.

II. *Kotizo.* — La sekretarioj mem fiksas la jaran kotizon, ekz. minimume la duoblan prezon de poŝtmarko por eksterlanda letero.

III. *Tasko de la sekretarioj.*

a) La urba sekretario varbas la anojn por U. E. P. L.; li enspezas la kotizojn de siaj anoj, kaj sendas tiujn en la monato Februaro al la nacia sekretario, deprenínte proprajn kostojn por la Ligo.

b) La urba sekretario sendas en la monato Aprilo raporton de sia agado al la nacia sekretario.

c) La nacia sekretario sendas en la monato Marto la ricevitan monon, malpliigitan de propraj kostoj, al la internacia kasisto, S-ro G. Wirix, 19 Papaverhof, Hago, Nederlando.

d) La nacia sekretario sendas en la monato Junio raporton al la internacia sekretariino, F-ino H. de Lange, 65 Frederik Hendriklaan, Hago, Nederlando. Tiu ĉi raporto devas esti kompilata el la urbaj raportoj.

e) La internacia sekretariino faras raporton de la internacia agado kaj prezentas tiun raporton al la jara kunveno de la Pacifistoj dum la Internacia Kongreso.

IV. *Organo.* — Provizore la Ligo ne havos apartan organon, sed danke uzos la gastemecon de bonvolaj esperantaj revuoj kaj gazetoj.

V. *Agmaniero.* — Ĉar estas klare, ke la ĉefa tasko de internacia pacifista Ligo en la unuaj jaroj devas esti la propagando de Esperanto inter la ekzistantaj pacifistaj rondoj, la jena laboro devas esti farata:

a) Skribu aŭ vizitu pacifistajn unuiĝojn en via urbo (lando) por montri la utilon de Esperanto por la paco kaj petu al ili, ke ili invitu parolanton pri Esperanto en siaj kunvenoj.

b) Proponu al la pacifistaj unuiĝoj, ke ili nomu apartan Esperanto-Sekretarion. (Tion faris la Ligo de virinoj por paco kaj libero en Aŭstralio, kie S-ino Drummond estas la Esperanto-sekretariino).

c) Faru ĉiun ceteran laboron, kiu povas akceli nian celon.

*ALVOKO.*

Tiuj, kiuj estas pretaj, esti nacia aŭ urba sekretari(in)o, kaj plenumi serioze ĉi-supran programon, bonvolu tuj sendi nomon kaj adreson al: F-ino H. de Lange, 65 Frederik-Hendriklaan, Hago, Nederlando.

Ni afable petas la aliajn ĵurnalojn transpreni ĉi-supran programon.

*Julia Isbrücker*
prezidantino de U. E. P. L.

## Centra Dana Esperantista Ligo.

**Oficiala Raporto, Julio 1925.**

*A. Societaj Raportoj.*

La diversaj lokaj Esperanto-Societoj en Danlando daŭrigis sian propagandon kaj komunikas depost la antaŭa raporto de Januaro 1925 sekvantan:

*Esperantistforeningen* (Societo de Danaj Esperantistoj), Kopenhago, havis depost kristnasko ĝis nun konstantan Esperanto-Ekspozicion en unu el la ĉefstratoj. Dana inĝeniero eltrovis novan sistemon por turniĝanta ekspozicio kun multaj fakoj, en unu el tiuj troviĝas la esperantaĵoj: libroj, reklamiloj, propagandaliŝoj, kiuj vekas grandan intereson inter la preterpasantoj. En la ekspozicia oficejo la societo disponigis senpage Esperanto-ŝlosilojn por interesuloj.

En *Konversacia Esperantista Klubo*, la 5an de februaro, la prezidanto S-ro G. Hinrichsen, komencis diskutadon pri „Kolektemo“. La 19an de februaro S-ro A. Taumose parolis pri „Teknika vortaro“, la 19an de marto F-ino Anna Jörgensen laŭtlegis komedion, kaj la 2an de aprilo F-ino Margrethe Noll donis karakterizon de D-ro Zamenhof laŭ lia poezio. Kun granda intereso la membroj, la 16an de aprilo, aŭskultis paroladon de S-ro Farrington (Londono) koncerne al „Miaj spertoj pri la utileco de Esperanto“, kaj la 7an de majo S-ro Arsoe finis la sezonon parolante pri „la orakolo en Delfoj“.

*Odense Esperanto Forening* raportas, ke ĝi gvidis 2 kursojn en Esperanto, unu por komencantoj kaj alian por progresantoj. Ĉe unu el la kursoj la prezidanto, S-ro A. Christensen, la 7an de januaro faris paroladon pri „Evolucio de kaj komparo inter la naciaj lingvoj“. La 17an de majo estis komuna kunveno de „*Odense Esperanto Forening*“ kaj la *Odensea Paca Societo*, ĉe kiu F-ino Margrethe Noll parolis pri „Esperanto kaj paco“. La societo komencis kunlaboron kun la turista kaj paca societoj de Odense, kaj la muzeo de la fama fabelverkisto H. G. Andersen ankaŭ uzis Esperanton por konigi sin en eksterlando.

*Aarhus Esperanto Forening* komunikas paroladon de la prezidanto, S-ro M. Palsberg, la 6an de februaro pri la mondkongreso en Vieno. Diversaj societaj kunvenoj okazis dum la sezono ĉe la estrarmembroj, kaj la 16an de februaro okazis propaganda parolado en la loĝio de D. G. T. O. La 27an de majo fonda festo en la arbaro ĉe Selistria.

B. *La ĝeneralkunveno kaj jarkunveno de Centra Dana Esperantista Ligo.*
31. 5. — 1. 6. en Odense.

Ĉeestis ĉirkaŭ 30 Esperantistoj el Aarhus, Grenaa, Holbek, Refsnes, Odense kaj Kobenhavn.

Kiel direktanto de la ĝeneralkunveno funkciis S-ro A. Christensen, Odense.

La tagordo estis:

1. Raporto de la prezidanto kaj la kasisto.
2. Elekto de 4 membroj de la reprezentantaro.
3. Elekto de 2 revizoroj kaj 2 supleantoj.

Al 1. La prezidanto raportis pri la laboro en la pasinta jaro kaj priparolis la ĝojan okazintaĵon, la starigon de Esperanto-klubo en Grenaa „*La nova Stelo*“, kiu dank' al la fervora laboro de F-ino Johansen kaj S-ino Mammen jam havas 30 membrojn. La novstarigita „Gazeta Servo“ bone funkciis, ĝi elsendis en la daŭro de la jaro 9 cirkulerojn en nombro de 50—200; meznombre oni ricevis eltondaĵojn el 10 danaj gazetoj ĉiufoje.

La lasta okazintaĵo estis la eldono de broŝuro: „Kendte Mænds Udtalelser om Esperanto“. (Eldiroj de konataj viroj pri Esperanto). La prezo estas 0.50 sv. frk.

C. D. E. L. jam elsendis tiun broŝuron, la danan Esperanto-ŝlosilon, Collinson: „Esperanto and its critics“ kaj Haller: „Die 10 Vorzüge des Ido gegenüber Esperanto und 10 Antworten dazu“, al 170 profesoroj kaj docentoj ĉe la Kopenhaga universitato kaj la politeknika lernejo.

Kaj la jarraporto kaj la kasista raporto estis unuvoĉe aprobataj.

Al 2. Reelekto de la prezidanto S-ro Blicher, de F-inoj Johanne Jensen kaj Anna Petersen kaj novelekto de S-ro Palsberg anstataŭ S-ro Hvorslev, kiu lastjare deziris eliri el la estraro. La prezidanto ankaŭ volis demeti sian mandaton, sed post energia protesto de la ĉeestantoj promesis resti almenaŭ dum la proksima periodo de 2 jaroj.

Al 3. Reelekto de S-ino Magda Mammen kiel anstataŭanto kaj novelekto de S-ro Hvorslev.

Reelekto de la revizoroj, S-roj Baruël kaj Lendorff.

Dum la jarkunveno la partoprenantoj faris ekskurson al Brændekilde, la naskiĝa vilaĝo de la fama dana lingvisto Rasmus Rask (1787—1832). Ĉe la memorŝtono S-ro Blicher faris malgrandan paroladon pri Rask kaj metis florkronon kun verdaj kaj blankaj rubandoj sur la ŝtonon. Sur la rubandoj estis presita: „Al la fama filo de Danlando, Rasmus Kr. Rask, kiu okupis sin pri internacia lingvo“. Ĉeestis reprezentantoj de la vilaĝa estraro, kaj la supera instruisto dankis en la nomo de la vilaĝo.

Proksiman jaron la jarkunveno de C. D. E. L. okazos en Grenaa.

*Martin Blicher*, prezidanto de C. D. E. L.

---

## Sesa Kongreso de Pola Esperanto-Asocio.

La 30. V. ĝis 1. VI. okazis en Warszawa VI. Kongreso de Pola Esperanto-Asocio kaj Polaj Studentaj Esperantistaj Societoj.

Solena malfermo okazis 31. V. en bala salono ĉe Foksalstr. 19, kun ĉeesto de pli ol 200 partoprenantoj. Kiel prezidanton oni unuanime elektis P-ron D-ron Odo Bujwid el Kraków, prez. de P. E.-A.; kiel vicprezidantojn red. Leo Belmont, S-ron Mieczystaw Trochimowski, prezidanto de Int. Studenta Esper. Asocio kaj S-ron Jan Kostecki, vicprez. de P. E.-A., D-ron Jan Medrkiewicz el Lublin, D-ron Roman Dobrzanski el Strzemieszyce kaj D-ron Ignacy Dziedzic el Torun.

Inter reprezentantoj de la registaro kaj sociaj institucioj troviĝis delegito de ministerio pri eksterlandaj aferoj S-ro D-ro Klimecki.

Paroladis: Red. L. Belmont „Pri kultura signifo de Esperanto“, Prof. Bujwid pri la lasta scienca kaj komerca konferenco en Paris, delegito de Pola Radioamatora Asocio, redaktoro de „Radio-Amator“ S-ro Stanislaw Odyniec „Pri Intern. Radioamatora Kongreso“, S-ro D-ro Antoni Czubrynski pri metodoj de propagando.

Dum la dua kunsido la 1. VI., auskultinte raportojn de Centra Komitato de P. E.-A., de grupoj en la provinco kaj prelegon de S-ro Czestaw Pruski el Lublin, la Kongreso akceptis kelkajn proponojn, koncernantajn la organizon de pola esper. movado.

Dum la Kongreso okazis esperanta koncerto, komuna tagmanĝo, ekskurso aŭtomobila al ĉarma Wilanów, radio-aŭskultado, dum kiu Varsovia radio-stacio disaŭdigis unuan fojon paroladon esperantan de Prof. D-ro Bujwid. Vespere bankedo dum kiu kantis kaj deklamis artistoj el operoj en Warszawa, Leningrad, Moskvo, Bukureŝti.

La VII. Kongreso verŝajne okazos la venontan jaron en Wilno.

*Kamilla L.*

# KRONIKO.

## Britlando.

*Liverpool.* Kunveno, kiu eble estas unika en la esperanta movado, okazis en Liverpool. D-ro Olŝvanger, malnova esperantisto, kiun oni memoras kiel la honoran sekretarion de la Organiza Komitato de la IXa Universala Esperanto-Kongreso en Bern 1913, venis al nia urbo por paroli al la lokaj hebreoj pri a Cionista movado. La skribanto aranĝis renkontiĝon inter la oratoro kaj la loka esperantistaro.

La kunveno okazis en la Cionista Halo, per afabla permeso de la konsilantaro kaj nia esperantista rondo, respondante al speciala invito, venis decanombre malgraŭ la belega vetero kaj aliaj allogaĵoj al la kunveno, ankaŭ dekduo da neesperantistoj ĉeestis la kunvenon. D-ro Olŝvanger estas vera oratoro. Lia elokventeco klare pruvis la uzeblecon de Esperanto. Li parolis pri Cionismo, kvankam la titolo de la parolado estis „Zamenhof kiel hebreo kaj homo".

La oratoro interese priskribis la karakteron de Zamenhof de homama vidpunkto. Kun brilanta torĉo li gvidis nin tra la multaj nekonataj trajtoj de la Majstro, kun speciala aludo al la verko de Zamenhof „Hilelismo", aperinta en rusa lingvo malmulte konata inter la esperantistoj. Li montris, ke Zamenhof mem revis en sia juneco pri hebrea ŝtato, kiu nun realiĝas en Palestino; kvankam Zamenhof volis esti kontenta por tiu celo per iu peco da tero ie ajn sur la terglobo. Majstre li klarigis la celojn de cionistoj politike, socie kaj ideale, kaj en ampleksa maniero tuŝis la gravajn judajn problemojn en la mondo.

La aŭskultantoj montris profundan intereson per multaj demandoj post la parolado. D-ro Olŝvanger per klera kaj instruplena pli ol unuhora parolado faris bonegan impreson kaj valoran servon al Esperanto. *J. D. Applebaum.*

*Scarborough.* „Trade Unions", la sindikata laborista kongreso akceptis rezolucion favoran al enkonduko de Esperanto.

## Ĉilo.

*La ĉila profesoraro proponas la instruon de Esperanto.* La lasta ferma kunsido de la profesoroj en Valparaiso ricevis de sia internacia komitato rezolucion, kiu proponas la instruon de Esperanto por plifaciligi la internaciajn rilatojn kaj petas meti tiun punkton en la programon de la tutlanda profesora kunsido okazonta en Valdivia. La proponon publikigis la 31 majo la ĵurnalo „Mercurio" de Santiago. *P. B.*

## Germanio.

*Bingen a. Rh.* Kurso komenciĝis.

*Dresden.* 18 aŭgusto monata kunveno en kasino Gebr. Arnhold. Sciigo, ke „Mirag" (Mitteldeutsche Rundfunk-A.-G.) akceptis proponon, komenci en septembro Esperanto-kurson per la sendstacio Leipzig-Dresden. Unuhora raporto de S-ro Karsch pri la 17a kongreso; li speciale akcentis la sukceson de la Somera Universitato.

*Koblenz.* La „Verda libertempo", organizita de S-ro Leo Funken, bone sukcesis.

## Hispanio.

*Utrera* (Sevilla.) Festo propaganda dum aŭgusto, ĉe kiu partoprenis la urbestro, tre bone sukcesis. La loka gazeto favore raportis kun granda bildo.

## Italio.

*Roma.* La radia stacio daŭrigas ĉiulunde la esperantan kurson je la 8.30 vespere (ondlongeco 425 m). Nuntempe esperantan kurson gvidas la vicdelegito Filippi al radio-amantoj (50 part.) kaj la delegito Migliorini en Popola Universitato (40 part.).

**Itala Katredo de Esperanto.**
Centra sidejo: Via dei Neri 6, Firenze (18).
*Regionaj institutoj de Esperanto.*
Fermitaj kursoj.

*Brescia.* Ĉe metia lernejo „Moretto" kaj ĉe Filologia Klubo (instruisto S-ro Jacchi).

*Cosenza.* Ĉe Reĝa Komplementa Lernejo (instruisto prof. Quarta).

*Firenze.* Ĉe katolikaj skoltoj (instruisto prof. Grazzini).

*Livorno.* Ĉe popola universitato (instruistoj prof. Montezemolo kaj S-ro Billet).

*Milano.* Ĉe komunumaj lernejoj (instruistoj prof. Duchini, prof. Cazzola), Radio-klubo (instruisto inĝeniero Plonskier), teknikaj lernejoj (instruistoj S-ro Mainardi, inĝeniero Plonskier, prof. Nobile).

*Piacenza.* Ĉe Esperantista rondo (instruisto prof. Carolfi).

*Parma.* Ĉe Militista Akademio (instruisto prof. Carolfi).

*Potenza.* Ĉe Esperantista rondo (instruisto Prag. Cesarini).

*Torino.* Ĉe lernejo „Pacchiotti" (instruisto Adv. Giani).

*Trento.* Ĉe komunuma lernejo „Giuseppe Verdi" (instruisto prof. Caporali-Travaglia).

*Trieste.* Ĉe Esperantista rondo (instruisto prof. Ghez).

*Voghera.* Ĉe komunumaj lernejoj (instruisto S-ro Quarone).

## Japanlando.

*Nagoja.* Du horojn de 16.30 posttagmeze en 22 julio la propaganda kunsido estis aranĝata en Mitsubishi Akcia Kompanio Elektromaŝina. Kolektiĝis preskaŭ 100 personoj. Jen la programo: „Vivo de Zamenhof kaj esperanta historio naskita"; R. Joŝii, instruisto. „Disvastiĝa stato de Esperanto en la mondo"; Hiroshi Hisao Yamada, konsilanto pri Esperanto de tagĵurnalo „Ŝin-Aiĉi". Laŭ fervora deziro de tiamaj aŭskultantoj je 24 julio oni komencis la kurson kaj daŭrigas dufoje en ĉiu semajno sub la gvido de S-ro Yamada kun ĉirkaŭ 50 lernantoj. Preskaŭ ĉiuj estas gradigitoj de universitatoj de altgradaj kolegioj.

## Saarteritorio.

*Esperanto-Ligo Saarteritoria.* La 3 junio 1925 okazis kunveno en Saarbrücken, kie parolis S-ro abato Ĉe dum du horoj en tre interesa maniero pri la Esperanto-movado. Kelkaj membroj tiuokaze por la unua fojo aŭdis esperantiston fremdlandan; ili estis surprizitaj pri la klara elparolo kaj facila komprenebleco de Esperanto. La 14 junio 1925 la liganoj kunvenis en Bildstock, kie amuza tago estis preparita. Tri teatraĵoj estis prezentataj: „Pro Dio, ne Esperantiston!", „La butikista korbo" de Hans Sachs kaj burleskaĵo. S-ro Kolon prezentis liutan kanton multe aplaŭdatan. *Sch.*

## Sudslavio.

*Beograd.* Esperanta parolado antaŭ la sudslava ministraro. Dum julio kaj aŭgusto nunjara okazis granda studa vojaĝo de rumanaj advokatoj tra la centraj, okcidentaj kaj sudaj landoj de Eŭropo. Tiun vojaĝon partoprenis ankaŭ S-ro I. Balaŝ, advokato, prezidanto de la Esperanto-grupo en Ploeŝto. Li preferis rezigni pri la partopreno al la Ĝeneva kongreso, por povi propagandi dum tiu studvojaĝo, partoprenita de ĉirkaŭ 200 advokatoj. Dum la vojaĝo li bonege sukcesis doni pruvon pri la utileco de Esperanto, precipe pri la valoro de UEA, kies delegitoj en ĉiu urbo afable helpis kaj surprizis la ekskursantojn per la bonega organizo de nia movado.

Precipan efikon havis lia kuraĝa propagando en Belgrado, kie ili estis oficiale akceptataj de la jugoslava registaro. Antaŭ la kunveno de la ministra konsilantaro, diplomitoj, juristoj kaj juĝistoj li faris paroladon en Esperanto kaj estis treege aplaŭdita. La serbaj gazetoj skribis pri tio kaj presis eĉ lian portreton. La dekano de la advokataro tute entuziasmigita, salutis lin speciale kaj gratulis, petante, ke li restu en Belgrado por organizi tie esperantan movadon.

Ankaŭ ni kore gratulas nian sindonan kaj senlacan samideanon kaj esperas, ke lia laboro portos multan frukton kaj estos imitata.

*Bregi-Koprivnica.* Ĉi tiea Esperanto-klubo aĉetis radio-telefonan aparaton, kiu bone funkcias. La aparato estas instalita en la klubejo kaj la anoj havas okazon ĉiutage aŭdi koncertojn aŭ parolojn el Parizo, Londono, Zürich, Vieno, Graz, Berlin, Breslau, Roma, Warszawa ktp. Granda ĝojo ekestis kiam oni aŭdis esperantan kurson el Königsberg. Oni klare komprenis ĉiun vorton. Kun granda intereso atendas la klubanoj parolojn kaj koncertojn el Genève, nia unua esperanta sendstacio. *F. M.*

## Svislando.

*Le Locle.* En salono de la Blua Kruco D-ro Privat parolis pri Esperanto antaŭ multnombra aŭdantaro.

*Genève.* Post la kongreso la esperanta vivo koncentriĝis en la Centra Oficejo de UEA. Kelkaj kongresanoj restis en la urbo. La Centra Oficejo havis aron da interesaj vizitoj.

## Usono.

*Cleveland.* La Esperanto-Asocio de Norda Ameriko okazigis sian XVIIIan kongreson la 8—12 julio. Oni elektis kiel oficistojn: prezidanto Henry W. Hetzel, vicprezidanto James Bruce Lindsay, sekretario F-ino E. J. Meriam, kasisto B. Pickmann Mann. *H. W. H.*

*Milwaukee, Wis.* S-ro F. A. Hamann gvidas senpagan someran kurson en la ĉi tiea publika biblioteko por komencantoj. La klasanaro duobliĝis en unu semajno ĝis 53 membroj. La 15 aŭgusto okazis kampfesteno de la asocio.

*Philadelphia.* Samtempe kun la „Sesqui-Centennial International Exposition", kiu festos la jarcent-kaj-duonon de amerika sendependeco, la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko havos sian XIXan kongreson en la „Iratamurbo" en la somero de 1926. Oni atendas multajn samideanojn, eĉ el fremdaj landoj. *H. W. H.*

---

## Esperanto en la lernejo

*Bratislava.*

En ŝtata reallernejo instruis oficiale Esperanton, kiel laŭvolan fakon, profesoro de la lernejo D-ro Stan Kamaryt, en la lernejjaro 1924/25, 2 horojn po semajno al 21 studantoj de la 4a kaj 5a klasoj.

*Hradec Králové.*

En ŝtata komerca akademio instruis oficiale Esperanton, kiel laŭvolan fakon, profesoro de la lernejo A. Smeták, en la lernejjaro 1924/25, 2 horojn po semajno al 35 studantoj.

## ★ Esperanto en praktiko ★

### Instruistoj.

Grava faka unuiĝo, „El Magisterio Español" (La Industristaro Hispana) dissendas interesan enketon en Esperanto pri kondiĉoj de instruistoj en aliaj landoj. Ni represas la koncernan parton. Interesuloj sin turnu al „Magisterio Español", Apartado de Correos 131, Madrid.

*Demandoj.*

I. Nombro de la geinstruistoj. Kiom instruisto gajnas je l' momento fariĝi profesiulo; kiel oni altrangigas kaj kiom estas la maksimuma salajro?

II. Kiel formiĝas la instruistaro. Kiel ĉi tiu sin pretigas por la profesio; kiajn provojn oni postulas al ili aŭ kiajn paŝojn, por ke la aŭtoritatuloj elektu kaj nomu ilin?

III. Ĉu krom salajro oni liveras aliajn vivrimedojn, monhelpojn, loĝejon, salajron laŭ nombra familio, helpon okaze de malsano, k. c.?

IV. Ĉu la ŝtato konsentas salajron al eksigitaj maljunaj instruistoj, kaj starigis instituciojn por flegi la instruistojn okaze de malsano?

V. Ĉu ekzistas profesiaj asocioj, kaj, se jes, kiajn celojn, kaj kiajn programojn ili havas?

VI. Nombro da lernejoj; lernantoj po instruisto?

VII. Komplementaj institucioj de la lernejoj?

VIII. Lernejoj por nenormalaj geinfanoj kaj kursoj por kartavuloj, mutuloj, surdmutuloj?

IX. Kian ajn alian informon pri ĉi tiu profesio, kiu estu celo aŭ aspiro de la instruistaro?

* * *

### Profesoroj.

Ĉiuj profesoroj de duagradaj lernejoj de ĉeĥoslovaka nacieco en Ĉeĥoslovakio estas unuigitaj en faka asocio „Centra societo de ĉeĥoslovakaj profesoroj", enhavanta proksimume 4000 membrojn. Ĉe tiu ĉi asocio konstituiĝis, la 2an de novembro 1923, Esperanta Sekcio, kiu enhavas en unu jaro 31 membrojn. Ĝi zorgas pri instruado de Esperanto en duagradaj lernejoj, faras statistikon pri ĝi, sendas pere de la Centra Komitato petskribojn al ministerio kaj aliaj korporacioj. Prezidanto de la sekcio estas R. Fridrich, direktoro de la realgimnazio Kràl Pole en Brno, sekretario D-ro St. Kamaryt, profesoro de reallernejo en Bratislava.

---

☆

**Vi**
**parolas**
**pri centmiloj**
**da Esperantistoj!**
**Pruvu ke estas almenaŭ dek mil.**
**UEA bezonas 10000**
**membrojn!**

☆

# LINGVAJ STUDOJ

## Uzado de infinitivo post prepozicioj.

De S-ro prof. E. Grosjean-Maupin, direktoro de la Akademia Sekcio, ni ricevis leteron, kies unu fragmento estas aparte instrua:

— „Vi demandas min, ĉu la uzado de la infinitivo post la prepozicio *sen* estas korekta. Mi respondas: certe jes, pro jenaj motivoj. 1. Neniu el la 16 reguloj rekte aŭ malrekte malpermesas tian uzadon. 2. Kvankam Zamenhof deklaris, ke li malkonsilas tian uzadon, tamen li mem kelkfoje uzis *sen* antaŭ infinitivo. Ekz.: „Li tion ne povas, *sen elmeti* sin al ia danĝero. La suno neniam leviĝas *sen rigardi* batalojn.“ 3. Tia uzado estas tute logika, facile komprenebla kaj komuna al la plimulto de la eŭropaj lingvoj. Multaj diverslingvaj Esperantistoj pli kaj pli ofte uzas tiun esprimmanieron. Mi aldonas, ke S-ro Lippmann, direktoro de la gramatika sekcio en la Akademio, tre firme malaprobas la malpermeson.

Sed la demando estas pli vasta kaj ne koncernas nur la prepozicion *sen*. Ĉu oni povas ĝenerale permesi la uzadon de ĉiu ajn prepozicio antaŭ la infinitivo? Niaj unuaj gramatikoj asertis ke nur 3 prepozicioj povas antaŭiri infinitivon: por, antaŭ ol, anstataŭ. Poste ni aldonis al la listo la prepozicion *krom* tial, ke oni rimarkis, ke Zamenhof uzis kelkafoje infinitivon post krom. Ekz.: „Ĉu ne ekzistas alia bono por la homo krom manĝi kaj trinki?“

Ĉu estas do kialo por permesi la antaŭinfinitivan uzadon de kelkaj prepozicioj kaj malpermesi la saman uzadon de la ceteraj? Ĉu ni devas aldoni al la antaŭa listo ne nur la prepozicion *sen*, sed ankaŭ la prepozicion *de*, ĉar Zamenhof mem skribis jenan frazon, kiun kredeble malmultaj rimarkis, ĉar neniu aludis ĝin: „Tio ĉi neniel devus min deteni *de enkonduki* tiun ĉi oportunaĵon en nia lingvo“ O. G. Aug. 1911, p. 83)? Ĉu ni devas aldoni ankaŭ la prepozicion *ĝis*, kiun Boirac, en oficiala cirkulero, uzis antaŭ infinitivo. Ĉu oni ĝenerale kaj sendistinge permesu la antaŭinfinitivan uzadon de ĉiuj prepozicioj? Ĉu oni ekzemple aprobu tiun ĉi frazon de S-ro Tellini: „Se l' afero konsistas nur *el doni* tradukojn, la tasko estas simpla“, aŭ tiun frazon de S-ro Roy: „Nia grupeto, *post deklami* poeziojn, kantos la himnon Espero“?

Por trovi la solvon, oni devas elparoli tiajn frazojn; tiam aperas klare la malbonaĵo, kiun kredeble senkonscie volis eviti Zamenhof malpermesante la uzon de ĉiu ajn prepozicio antaŭ infinitivo: tiaj esprimmanieroj estas ofte dubesencaj (... *el doni* sonas *eldoni*.)

Oni povas starigi tiun ĉi konsilon: Estas evitinda antaŭ la la infinitivo la uzado de prepozicio, kiun la aŭdanto povus konfuzi kun prefikso. Tiun riskon ordinare ne naskas la prepozicioj *por, antaŭ ol, anstataŭ, krom, sen.*“ — Al tiu faktoriĉa klarigo de Prof. Grosjean-Maupin ni povas aldoni ke eĉ la infanoj, kiuj en frua aĝo komencis paroli nian lingvon, estis inklinaj uzi infinitivon post prepozicioj.

* * *

## Pri kategorieco de la radikoj.

*Couturat* kaj *De Saussure* estis la unuaj, kiuj, per siaj studoj pri la derivado lancis ideon pri la kategorieco de esperantaj radikoj. Poste aperis la kontraŭstudoj, la ĉefa inter ili estis tiu de *Höveler* (Ĉefeĉ), kiu neis la kategoriecon. Lastatempe, niaj „esperantologoj“ ree parolas pri la radika kategorieco, t. e. ili vidas en ĉiu radiko ideon — aŭ substantivan, aŭ adjektivan, aŭ verban, aŭ adverban. Ekz. ili asertas ke la radiko *kur* estas „verba“, *alt* „adjektiva“, *hom* „substantiva“, ktp.

Ŝajnas, ke oni povas kontentigi la ambaŭ partiojn, la jesantojn kaj la neantojn de la kategorieco, se oni konsentos nur ŝanĝi la vortojn, kaj diri, ekz., ke la radiko *kur* estas „aga“, *alt* „kvalita“, *hom* „persona“, *lert* „maniera“, ktp. Efektive, la radiko fariĝas substantivo nur per aldono de **o**, adjektivo per **a**, ktp. Aliflanke, „aga ideo“ de la radiko *kur* ekzistas ne nur en la verbo (kuri), ankaŭ en la substantivo (kuro), adjektivo(kura), ktp.

En la Fundamento ni trovas radikojn, kies tradukoj en unu lingvo estas verba, en la alia — substantiva; la anglaj tradukoj estas sen *the* kaj sen *to*, tial oni povas ilin interpreti ofte kiel aŭ substantivaj aŭ verbaj. Unuvorte, la Fundamento ne enhavas en si ian sistemon de la kategorieco.

Se ni akceptas la fundamentan regulon laŭ kiu oni formas substantivojn per aldono de finaĵo **o**, adjektivojn per **a**, adverbojn per **e**, verbojn per **i** aŭ per **as, is, os, us, u,** tial ni devas malakcepti la teorion de la kategorieco tia, kia ĝi ekzistis ĝis nun.

Suba tabeleto povas okulvideble klarigi kaj ekzempligi la trian vidpunkton, kiu celas atingi la konkordon.

| | substantiva rolo | adjektiva rolo | verba rolo | adverba rolo |
|---|---|---|---|---|
| agaj radikoj | atento<br>administro | atenta<br>administra | atenti<br>administri | atente<br>administre |
| stataj radikoj | dormo<br>sido | dorma<br>sida | dormi<br>sidi | dorme<br>side |
| kvalitaj radikoj | utilo<br>rapido | utila<br>rapida | utili<br>rapidi | utile<br>rapide |
| objektaj radikoj | broso<br>signo | brosa<br>signa | brosi<br>signi | brose<br>signe |

* * *

## Novaj studoj.

La „Zamenhofa Vortaro“ ne nur unuigas laborantojn de multaj nacioj, ĝi ankaŭ elvokas eĥojn kaj malkovras faktojn, kiuj montras ke la spirita energio de l' Esperantistaro estas multe pli granda ol oni povus supozi. Hodiaŭ ni volas altiri atenton de la legantaro al du viroj, tiom modestaj kiom sinoferaj, kies laboro estas vere mirinda pro la pacienco kaj vasteco.

S-ro *William Bailey* en Manchester, akademiano, posedas grandan kaj gravan sliparon kaj notaron pri la lingvaj problemoj. El tiu trezoro li jam havigis abundan materialon por la „Zamenhofa Vortaro“. Nun li verkas artikolojn pri diversaj punktoj, ne ĝuste pritraktitaj en pluraj lernolibroj. Kelkaj el liaj artikoloj aperos en nia gazeto, aliaj estas adresitaj al la Prezidanto de la Akademio, ceteraj restas disponeblaj laŭbezone por la publikigo aŭ la privata korespondado.

S-ro *Herbert Scott* en Moundsville, USA, delegito de UEA redaktoro de „Amerika Esperantisto“, posedas grandegan manuskriptan verkon „Praktika Konkordanco de Klasika Esperanto“. Al Prof. *Cart* ni ŝuldas dankon pro la sciigo al ni pri tiu grava laboro. De Prof. *Cart*, dum la Kongreso, ni ricevis specimenajn paĝojn de l' verko. Nun, ni ricevis senpere de S-ro *Scott* mem la specimenojn kaj la klarigojn pri lia grandioza verko, kiu enhavas frazojn kaj ekzemplojn, ĉerpitajn el la plej bonaj aŭtoroj: Zamenhof, Kabe, Boirac, Bourlet, Privat, Meyer, Grabowsky, Cart, Hodler k. c. Tiamaniere estas ilustritaj ĉiuj punktoj de la ortografio, gramatiko, sintakso, prozodio, interpunkcio, frazeologio, semasiologio, ktp. Por la antaŭmilita parto de sia verko S-ro *Scott* serĉas eldonanton. Por la postmilita li daŭrigas sian esploran laboron, vere grandan kaj utilan. *Petro Stojan*, L. K.

# Realigo de Zamenhof-a ĉefdeziro.

Certe ĉiu ĝojos, se hodiaŭ realiĝas iu ajn el la deziroj de nia D-ro Zamenhof. Unu el liaj ĉefdeziroj celis — tion scias ĉiu, kiu konas liajn „Lingvajn Respondojn" (II, 18-19) — „Plenan Vortaregon". Kaj ĉi tiu deziro **jam estas realiĝanta.** Ĉu fakte? ĉu vere? demandos multaj.

Nu, estas bedaŭrinda fakto, kion mi ĉiam denove devas konstati kun bedaŭro, ke multaj, multegaj el la esperantistaro ne scias ion pri tio, ke fakte kaj vere ekzistas entrepreno, kiu realigas la deziron de nia Majstro al „Plena Vortarego". Ĉi tiu entrepreno estas la „Enciklopedia Vortaro" de Eugen Wüster, aperanta ĉe la firmo Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Sed la nuna generacio tute ne volas kompreni, kian trezoron ĝi jam posedas en la „giganta" (laŭ juĝo de angla samideano) laboro de Wüster. Ali mi ne povus kompreni, ke la tutmonda samideanaro preskaŭ ne atentas kaj ne pli bone subtenas la eldonadon de la „Enciklopedia Vortaro". La nombro de la abonantoj jam por la I-a volumo estis ridinde malgranda, ankoraŭ pli malgranda por la II-a volumo, kiu jam estas finpresita. Estus tre eble, ĝis la jubilea jaro 1927 eldoni la tutan verkon, kiu vere honoras nian majstron. Sed ĉu la firmo risku la grandegajn kostojn, vidante, ke la entrepreno absolute ne interesas la samideanaron, entrepreno, kiu liverus al ni la plej taŭgan sciencan propagandilon, la plej serioze sciencan verkon de nia tuta ĝisnuna literaturo?

Estus grandega eraro, supozi — kiel mi ofte aŭdis kaj legis — ke ĝi nur taŭgas por germanoj, ke ĝi enhavas nur personajn opiniojn kaj proponojn. Ĝi kontraŭe estas repertorio de la tuta ĝisnuna Esperanto-literaturo, precipe ankaŭ celanta kompletan repertorion de la **Zamenhof-a** lingvo, kiu en la momento, kiam ĝi estos finpresita, liveros perfektan, kompletan Zamenhof-an konkordancon.

Estas nepre necese, ke mi iomete denove ilustru la laboron de Wüster. Mi sentas tion mia devo kaj kiel direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, laŭ kies komisio la Enciklopedia Vortaro estas eldonata, kaj kiel fakestro de la literatura fako en nia Centra Komitato. Se mi ne per ĉiuj miaj fortoj subtenus la laboron de Wüster, certe venonta generacio treege mallaŭdus min.




Antaŭ ĉio kelkajn vortojn pri la amplekso de la verko, kiu estas preparita dum multaj jaroj. Wüster trastudadis **ĉiujn** verkojn, librojn, gazetojn, artikolojn ktp. de la Esperanto-literaturo, preterlasante nur tiajn, kiuj laŭ lingvista vidpunkto estas tute senvaloraj. Precipe li trastudadis la lingvon de D-ro Zamenhof. La nura vortara tasko postulis de li kaj liaj kunhelpantoj ĉirkaŭ 20 000 laborhorojn. Oni pripensu: 20 000 laborhoroj de leksikografia laboro! La nura nombro de la slipoj, kiuj enhavas la notojn pri la lingvo de Zamenhof mem (ili estas konservataj en specialaj kartotekŝrankoj) estas ĉirkaŭ 100 000. Ankoraŭ hodiaŭ ĉiutage ses personoj salajrataj (krom multaj libervolaj helpantoj) laboras por la Enciklopedia Vortaro, kontrolante la pluan evoluadon de nia lingvo. Kaj, kvankam la manuskripto jam estas preta, la ĉiutaga kompletigo, kiu estas necesa pro la ĉiama evoluado, postulas la elspezojn de ĉirkaŭ 3500 oraj frankoj po jaro.

Mi aldonu kelkajn vortojn:

### 1. Pri la enhavo kaj la aranĝo de la vortaro.

**Lingvo-materialo:** La lingveroj, t. e. vortelementoj, plurelementaj (kunmetitaj) vortoj kaj permanentaj vortogrupoj (parolturnoj, prepozicioj post verboj aŭ adjektivoj ktp.) estas ĉerpitaj el la tuta literaturo (libroj, gazetoj, katalogoj k. c.). La vortaro estas enciklopedia, t. e. fekundigita de ĉiuj ĝisnunaj faklingvaj laboraĵoj; ankaŭ la asimilitaj propraj nomoj estas akceptitaj en la ĝeneralan alfabetan parton.

**Aŭtorsignoj** montras, se vortelemento troviĝas en la *Fundamento* (f), en la *I-a, II-a aŭ III-a aldono al la U. V.* (II resp. III), aŭ ĉe *Zamenhof* (Z), ankaŭ ĉu tiu lasta pli poste ree forlasis ĝin (Z †); plue se kombinaĵo de elementoj (plurelementa vorto aŭ vortogrupo) troviĝas ĉe *Zamenhof* (2).

**Favorado de la bona lingvo-uzo** per turnigo for de la malpli bonaj formoj al la pli bonaj kaj per speciala signado de la nepre evitindaj. Per tio multenhaveco de la vortaro estas atingata sen malprofita influo al la lingvoprovizo.

**Kiel eble plej preciza montro de la signifo,** ankaŭ per uzo de formuloj, simboloj, de la binaraj (duelementaj) latinaj nomoj de bestoj kaj plantoj kun aldono de la nominto, ofte — pro plena klareco — plue per difinoj aŭ prezento de subordigitaj konceptaĵoj kun prefera uzo de esperantaj vortoj.

**Zorga sinonimiko:** Ĉiam enkrampa aldonado de la sam- kaj similsignifaj terminoj kaj de tiuj de super- kaj subordigitaj ideoj; ĉe ne plene identa signifo okazas preciza delimado.

Tiel plie rezultas plej granda efekto pri vortoj ĉe samtempa ŝparo de spaco per evito de ripetoj kaj unuopaj klarigoj!

**Kiel eble plej kompleta homonimiko:** Denombrado de la unuopaj signifoj, ankaŭ de la figuraj, sub apartaj numeroj. En krampoj informo, kiel en okazo de bezono povas esti forigata la plursenceco.

La vorto-familioj estas starigitaj kun **konservo de konstantaj elementaj signifoj** (do ankaŭ vortkarakteroj) kaj kun signado de la formitaĵoj tiam nekonsekvencaj.

Samtempe la vortaro estas la **gramatiko ĝis nun plej kompleta kaj por konsulti plej oportuna:** Per detala pritrakto de la alfabete enordigitaj sufiksoj, finaĵoj kaj prepozicioj en nova sistema maniero, plue de la artikolo, de la akuzativo (ĉe *-n*), de la tabelvortoj ktp. Por klarigi la diversajn kazojn de apliko servas karakterizaj ekzemploj, se eble ĉerpitaj el la verkoj de *Zamenhof*. Ne lastaloke per kompendio de la vortformado antaŭ la alfabeta parto, konsiderante ĉiujn kazojn.

Samtempe la vortaro estas la **unua alfabeta informilo pri esperantistaj aferoj:** Konciza klarigo, ekzemple de la *„Lingva Komitato", „Universala Esperanto-Asocio", „Spesmilo", „homaranismo"* kaj *„Interna Ideo"*, de la vorto *Esperanto* (historio!); ĉe famaj librotitoloj montro de la tradukinto kaj ofte ankaŭ de la loko kaj jaro de apero de la tradukaĵo. Kiam mallongigoj (*K. K., ekz.* ktp.) estas disvastigitaj, ankaŭ tiuj estis akceptataj kaj montras la vojon al la bezonata priafera klarigo.

Estas intencata eldoni **periodajn suplementojn,** per kiuj la vortaro ne povas malnoviĝi.

### 2. Pri tio, kiu speciale karakterizas la porvortaran laboradon.

**Kontrolo pri la idea ĝusto,** t. e. pri la ebleco interrespondigi determinitajn terminojn kaj signifojn.

**Kontrolo pri la internacieco** de la terminoj (ankaŭ de kunmetitaj vortoj kaj vortogrupoj!), de determinitaj ideoj almenaŭ rilate al la angla, franca, germana kaj rusa lingvoj, plej parte kun konsidero de la etimologio; ĉe tio okazis ankaŭ kontrolo pri la koincido de la ideoj en la unuopaj lingvoj, precipe per serĉa lego de faka literaturo en ili verkita.

**Komuna traktado de analogiaĵoj:** de terminoj, de ideoj, ekzemple de ĉiuj acidoj kaj saloj en la kemio. Ofte en la vortaro troviĝas kompilaĵoj de analogiaĵoj aŭ almontroj al tiaj.

**Ebligo de ĉiutempa memkontrolo** per kunfonta enmanuskripta notado de la lingvoj, sur kiuj estas bazitaj la formo kaj la unuopaj signifoj de la lingveroj, kaj de la apogantaj ilin esperantaj aŭtoroj.

### 3. Pri tiuj, kiuj bezonas la vortaron.

**Ĉiu, kiu deziras** koni la esperantan lingvoprovizon sinoptike-sisteme orditan kiel unuaĵon kaj ne haltige implikîĝi en pripartaj problemoj; do tiel ĉiu, kiu volas pli amplekse uzi Esperanton **praktike** aŭ kunlabori ĉe ĝia disvolvo, kiel ankaŭ ĉiu, kiu intencas science-objektive aranĝiĝi kun la esenca problemo Esperanto, indiferente ĉu kiel amiko aŭ kontraŭulo de artefarita lingvo.

**Ĉiu, kiu** en principaj demandoj aŭ pri detaloj de la lingvo ne ree kaj ree volas resti sen informo, sed **deziras ĉiam spertan konsilon.**

**Ĉiu, kiu volas uzi Esperanton por speciala fako,** ĉar la apartaj fakvortaroj ĝis nun estis nur malmultaj kaj malmulte perfektaj, kaj ankaŭ tiuj hodiaŭ apenaŭ plu estas atingeblaj.

**Ĉiu, kiu deziras** havi precipitaĵon ankaŭ de la lingva evolucio depost eksplodo de la milito kaj ankaŭ en estonteco **ĉiam esti informita pri la aktuala stato de la esperanta vortoprovizo.** Tio lasta kredeble ankoraŭ dum longa tempo estos ebla nur per la projektitaj periodaj suplementoj de la Wüster-vortaro.

**Ĉiu, kiu volas propagandi en seriozaj rondoj,** ĉar nur per ĉi tiu libro li povos konvinke elmontri la ĉiean aplikeblon de Esperanto aŭ kontraŭmeti al miopaj kritikoj la grandiozon de la logika strukturo de Esperanto en scienca formulado.

**Ĉiuj ankaŭ, al kiuj mankas pli granda scio de germana lingvo.** Uzeblo sen tiu estis alcelata, ĉar nacia lingvo estis nur provizore elektata kiel plej konciza ideomontrilo. Kaŭzo de la internacia uzeblo estas jam sole la abundo kaj konscienca trakto de la kunigitaj esperantaj lingveroj (ankaŭ vortogrupoj!) kaj la esperantlingva enkonduko, ampleksanta ĉirkaŭe kvinonon de la libro, konture skizanta esperantologion, sciencon pri Esperanto; plue la ofta uzo de esperantaj esprimoj ĉe la sinonimiko kaj homonimiko (vidu sub 1.).

**Ĉiuj ankaŭ, kiuj preferus nacian-esperantan vortaron.** Ĉar tia enciklopedia vortaro ne ekzistas ankoraŭ, dum la Wüster-vortaro per sia parte laŭidea ordo kaj per la grandnombraj sinonimikaj almontroj iagrade faras la samajn servojn.

*

Estas nepre necese, ke mi, parolante pri la Wüster-vortaro, parolu ankaŭ pri afero, kiu tre intime estas ligita kun ĝi. Antaŭ nelonge oni parolis pri kreo de Zamenhof-a konkordanco per kolektiva laboro. Ĉu oni ne taksis tro optimiste, dirante, ke „du jaroj certe sufiĉos por kunmeti kaj presigi" ĝin? Oni komparu tion, kion mi diris pri la tempo, kiun oni bezonis (kaj ankoraŭ bezonas) por la Wüster-vortaro, kion mi diris pri 20 000 laborhoroj, pri 100 000 Zamenhof-aj slipoj. Cetere la porkonkordanca laboro jam estas farita de Wüster. La Zamenhof-aj radikoj en la I-a. volumo de lia Enciklopedia Vortaro estas kompletaj ĝis 95 procentoj. En la II-a ĝis 99 procentoj, kaj post la apero de la unuaj suplementoj oni estos atinginta praktike 100 procentoj. Kial nova entrepreno, kiu celas ion, kio jam estas preta?! Estas ja tre facile kaj nur demando de ekstera aranĝo, tuj eldoni sur la bazo de la Wüster-vortaro kompletan Zamenhof-an konkordancon, kiu cetere estas jam projektita de la aŭtoro. Se oni ne ŝatos, aperigi la verkon sub la nomo de iu ajn unuopa persono, Wüster tre volonte rezignos, esti nomata kiel aŭtoro. Por li sole la **afero** estos decidiga!

Ĉiuj konsentos min, ke ni hodiaŭ, en nia ankoraŭ (rilate vere sciencan verkadon) malgranda movado, devas ŝpari ĉiujn fortojn kaj eviti duoblan laboron. Ĉiu, kiu komprenos la celon de la ĉefdeziro de Zamenhof, devos subteni la entreprenon de la Enciklopedia Vortaro, forigante la antaŭjuĝojn, kiuj bedaŭrinde ankoraŭ ekzistas, kaj precipe ankaŭ la indiferentecon antaŭ ĉi tiu verko, kiu devenas de nesufiĉa studado de ĝi.

Kaj la financa flanko? Eldono de granda vortaro estas tre multekosta afero. Oni — ankaŭ antaŭ nelonge — parolis pri „mecenoj inter niaj milionuloj", kiuj volonte subtenos la vortarajn entreprenojn, kaj diris, ke „ili estas multaj". Nun mi demandu miaflanke: ĉu vere kaj fakte ili estas multaj? Ĝis nun mi konas nur unu „mecenon" kaj „milionulon", kiu zorgis, laboris, laboregis, pagis por nia vortara afero, nome S-ron Eugen Wüster mem. Estus grandega eraro, opinii, ke lia Enciklopedia Vortaro alportis aŭ alportos al li iun ajn monan profiton. Estas ja tute ne eble por la eldonejo, kiu por si mem ja riskas multon, rekompenci lian laboron. Nur ĉar li estas idealisto, feliĉe sufiĉe riĉa, por entrepreni la laboron, sufiĉe science edukita, por elektivigi ĝin, sufiĉe obstina kaj diligenta, por daŭrigi ĝin malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj, sufiĉe kuraĝa, por ne perdi la kuraĝon antaŭ la indiferenteco de la samideanaro, kiu ne sufiĉe konas kaj ŝatas lian „gigantan" laboron, ni havas verkon, kiu estontatempe estos la nepra fundamento de ĉiuj novaj, science verkitaj vortaroj. Ĝi estos, devos esti, la fundamento de ĉiu nova vortara laboro en ĉiu nacio. Estos tute neeble, ke verkisto (ĉu por ĝenerala, ĉu por faka vortaro — ĉu por nacia, ĉu por internacia vortaro), kiu volos pretendi, ke li laboris kiel scienculo, povos flankenlasi kaj ignori la Enciklopedian Vortaron de Wüster. Se li faros tion, oni devos riproĉi lin, ke li ignoris la fundamentan verkon — riproĉo **ne tolerebla** por serioza scienculo!

Kial oni ĝis nun ne aĉetis ĉi tiun verkon? Oni diras: ĝi estas tro multekosta. Nu, enciklopedian vortaron oni ne povos aĉeti per la mono necesa por simpla broŝuro aŭ libreto. Cetere rilate la cetere ne tro altan prezon la samideanaro mem estas kulpa. Se ĉiu grupo en la mondo aĉetus unu ekzempleron, la eldonejo povus kalkuli kelkmilajn abonantojn kaj tute alian, multe plimalaltan prezon. Sed ĝis nun ne estis eble, havigi al la entrepreno la 500 abonantojn, laŭ kiuj oni fiksis la prezon.

Mi jam skribis longajn artikolojn, demandante, ĉu la esperantistaro volas rezigni al la Enciklopedia Vortaro, t. e. al la realigo de la plej ĉefa deziro de D-ro Zamenhof. Ĉu oni rezignu al kompletigo de la du unuaj volumoj, al la kompleta eldono pro manko de abonantoj? Tio signifus, rezigni al propagandilo, kiu konvinkos la mondon ne nur pri la ĝenerala taŭgeco de Esperanto, sed precipe ankaŭ pri ĝia grandioza logika strukturo, pri ĝia vere scienca valoro. Se ni fakte rezignos, venos la tago, kiam nova generacio en Esperantujo kulpigos nin, ke ni preterlasis okazon eble neniam tiamaniere revenontan.

*D-ro Dietterle*

Ano de la Internacia Centra Komitato.

# NIAJ MORTINTOJ.



*Meze en la vivo la morto nin ĉirkaŭas!*

*Kun profunda ĉagreno ni ekscias pri la morto de jenaj karaj samideanoj. Al iliaj familioj ni esprimas sinceran kondolencon.*

**D-ro Paul Nuyts.** Kiel neatendita, tiel kruela malfeliĉego ĵus frapis nian poresperantan movadon: subite, la 18 Aŭgusto, mortis 55-jara D-ro PAUL NUYTS, Kavaliro de l' Honora Legio, plej sindonema kaj afabla prezidanto de la franca Asocio „Esperanto et Commerce", direktoro de la firmo



„Dentclair", unu el niaj plej konvinkoplenaj francaj pioniroj kiu, plej sincere, fidis al la ĉiam pli kaj pli utila rolo de nia „Universala Esperanto-Asocio".

Al la memoro de tiu kara kaj tre estimata amiko ni volas esprimi la sinceran dankon de nia Asocio pro la ĉiam milda kaj valorplena kunlaborado.

Al lia nekonsolebla karega familio ni respektplene prezentas la emociplenan esprimon de niaj kondolencoj.

*

S-ro **Hermann Hoog**, delegito de UEA en Yverdon, forpasis en la aĝo de 83 jaroj. Li estis unu el unuaj svisaj pioniroj de nia afero, kaj esperantistiĝis antaŭ dudek jaroj, estante jam nejuna. Li estis de antikva holanda familio, kiu venis al kantono Solothurm, lia hejmlando. Ricevinte elementan teologian edukon, H. Hoog fariĝis instruisto kaj orkestra estro en sia hejmloko. Poste li venis al franca Svislando, en Yverdon, kie li edziĝis kaj fondis muzikan komercejon. Vera amiko de Esperanto li estis, kaj havis korespondadajn rilatojn kun eminentuloj de sia tempo, komencante de Zamenhof mem. Al ĉiuj ĵurnalaj atakoj li respondis per defendaj leteroj kaj artikoloj. Lia modesta, utila kaj sinofera vivo estu modelo por nia generacio. Al lia familio ni ŝuldas sincerajn kondolencojn kaj korajn dankojn pro la transdono de la arkivo de l' mortinto al la biblioteko de UEA.

*

F-ino **M. Fraser**, prez. de Esp. Klubo kaj Del. de UEA en Brisbane, Queensland (Aŭstralio), subite mortis revenínte de Aŭstralia Esperanto-Kongreso. Animo de la klubo ŝi vigle kaj fervore laboris por nia celo.

*

S-ino **Louise Picard**, membro numero 21754, en Rosny-saus-Bois, France, mortis 20 Aŭgusto 1925.

*

S-ro **Armand Caumont**, profesoro en Lausanne, mortis en Basel, 21 Aŭgusto, 83 jaraĝa. Li multe verkis kaj tradukis; plej konata estas lia majstra traduko de la romano de S-ino von Suttner „For la batalilojn", aperinta kelkajn semajnojn antaŭ la militkomenco. Malgraŭ la alta aĝo, S-ro Caumont,



kun vigla spirito partoprenis ne persone sed legante la iron de la movado. Okaza kunhelpanto, tre ŝatata, al nia gazeto li eĉ en la lastajn jarojn ankoraŭ tradukis artikolojn; dum la milito li valore helpis al malsanema redaktoro de „Esperanto", kiam la cirkonstancoj absorbis ĉiujn fortojn.



D-ro **Henriko Haas,** advokato kaj delegito de UEA dum 1912—1916 en Maribor, Sudslavio, subite mortis je kormalsano. Iama delegito de Marburg en Stirio (nuna nomo Maribor), D-ro Haas multe klopodis por Esperanto kaj UEA, fondinte la iam tre viglan societon en tiu urbo. Partopreninte la Vienan Kongreson li jam sentis kaj esprimis, ke estas certe la lasta kongreso kiun li partoprenas. Ĝojigis lin, ke la Sudslava Kongreso devus okazi 1926 en Maribor, je kio li ŝatis kunlabori fervore. Al la funebranta edzino, longjara esperantistino, sinceran kondolencon. *H. J.*

*

S-ro **Joseph Silbernik,** dum multaj jaroj ĉef-delegito de UEA en Nov-Jorko, Usono, mortis dimanĉon, 30 Aŭgusto 1925, en Bellevue Hospitalo, Nov-Jorko. S-ro Silbernik estis bofrato de D-ro Zamenhof, estinta frato de S-ino Zamenhof. Li estis malsana lastajn jarojn, sed lastatempe iom pliboniĝis. Li revis pri revido al siaj parencoj en Eŭropo, speciale al la nevinoj, la Zamenhofaj filinoj, ĉe la XVIIa en Ĝenevo, decidinte tien ir kontraŭ la konsilo de amikoj kiuj timis la rezulton de tia longa vojaĝo. Reveninte Nov-Jorkon, ĵaŭdon, 27 Aŭgusto, severe malsana, li mortis post tri tagoj. S-ro Silbernik estis unu el la plej aktivaj esperantistoj en Nord-Ameriko, eminenta en la oficiala Asocio, kaj ĉiam tuj preta fari pli ol liajn devojn en nia Nov-Jorka laboro. Ni perdis amatan samideanon. Al la parencoj en Eŭropo (neniuj estis en Ameriko) ni esprimas niajn korajn simpatiojn.

*Nov-Jorka Esperantistaro.*

*

S-ro **Nandoro Kramer,** 19 jaraĝa, ano de la esperantista grupo en Novi-Sad, Sudslavio.

*

S-ro **Jean Baptiste Durand,** VD de UEA en Nice, subite mortis 23 Aŭgusto 1925. Ĉe la entombigo la delegito S-ro Roncati eldiris jenajn vortojn:

„La kruela sorto brutale forprenis al la familio la adoritan edzon, al la amikoj la plej bonan kamaradon, kaj al Esperanto la plej sindoneman samideanon.

Antaŭ kelkaj tagoj ankoraŭ plena da vivo, energio kaj saneco, lia subita malapero nin duoble frapas.

Nia karmemora JEAN DURAND ne nur estis korama patro, altvalora kaj nelacigebla artisto, li estis ankaŭ la konvinkita apostolo kaj la pioniro de la lingvo Esperanto.

En Lyon, lia naskiĝa urbo, li estis la animo de diversaj esperantistaj grupoj.

Instalita en nia urbo depost tri jaroj li estis baldaŭ ŝatita per sia scipovo kaj per sia bonega karaktero.

Li bonvolis akcepti oficon de Vic-Delegito de Universala Esperanto-Asocio kaj per siaj ecoj per sia profunda kono de Esperanto li fariĝis nia plej bona knnlaboranto.

De modesteco sen egalo, li malavare donis sin por la bono de la societo.

Niaj esperantistaj amikoj havis en nia Vic-Delegito la samideanon la plej aŭtoritatan por reprezenti nian universalan asocion.

Lia honesteco, lia boneco, liaj altaj virtoj restos ekzemplo por ni, lia memoro instigos nin persisti en nia tasko.

Ke lia inda enlarmiĝinta kunulino, lia ĉarma knabino kaj liaj parencoj trovu ĉi tie la esprimon de la esperantistaj amikoj."

„Al vi kara samideano, ĝis nia ebla revido."






# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 4, 10, 35; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr. 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 75, 150, 700; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500. 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 90; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 250; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35, **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 125; **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 1000; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 2; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA en sia kunveno dum la Ĝeneva kongreso elektis por la vakanta loko de komitatano

*S-ron Odo Bujwid, Kraków*

kiu bonvolis akcepti tiun taskon.

**Garantia kapitalo:**

| | | Frankoj svisaj |
|---|---|---|
| | **Dua serio:** | |
| | Antaŭa listo: | 6600.— |
| 23. | S-ro M. Huber, Coomassie, Afriko . . . . . | 300.— |
| 24. | S-ro F. C. C. van Coeverden, Tzaneen, Transvalo | 300.— |
| | Frankoj svisaj | 7200.— |

**Novaj delegitoj.** —

**Almelo,** Nederlando, Overijsel. D. F-ino G. H. Benink, instruistino, Molenkamppark 8.

**Baillet,** Franclando, S. et O. D. S-ro Pierre Schérer, instruisto, Baillet par Montsoult.

**Berchem,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Maurits Boeren, instruisto, Leemputstr. 11

**Beregsás,** Ĉeĥoslovakio, Subkarpata Rusio. D. S-ro Jan Raszka, fervoja konduktoro, Vigočska ulice č. 7

**Berezno,** Pollando, Wolyn. D. S-ro David Glizer, instruisto

**Bodenstadt,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. F-ino Margarete Haberzettl, instruistino

**Borgerhout,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Justin Gaul, bankoficisto, Turnhoutschebaan 345

**Brecht,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Eduard De Metsenaere, dogana kaporalo Kerkstraat 4

**Buchau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Adalbert Springer, librotenisto, N-ro 189

**Champigny s. Marne,** Franclando, Seine. D. S-ro Raymond Laval, inĝeniero, Rue Joséphine 7

**Chaumont en Vexin,** Franclando, Oise. D. S-ro Louis Borson, farmaciisto, 60 Rue de l' Hotel de Ville

**Detva,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Antonin Harna, ĝendarma serĝento. Okres Zvolen

**Dobřany,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Marie Šindlerová, oficistino, Zem. ústav pro choromyslné

**Dornbirn,** Aŭstrio, Vorarlberg. D. D-ro Rudolf Zangerle, notarsubstituto, Frühlingstr. 3

**Dublin,** Irlando. D. S-ro Tomás Padriag De Barri, inĝeniero, 46 Caledonia Terrace, Haddington Rd.

VD. S-ro Frank Mc Cormick, inĝeniero, 5 Mount Eden Road

**Eeckeren,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro August Clymans, instruisto, Kloosterstraat 54

**Eichelberg,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Klemens Reichl, lernejestro, Post Liebenstein.

**Elze in Hannover,** Germanio. D. S-ro Erich Wagenbreth, redaktoro, Bahnhofstr. 244

**Emden,** Germanio, Ostfriesland. D. S-ro Wilhelm Suhre, telegrafoficisto, Memelerstr. 8

**Ermont,** Franclando, S. et Oise. D. S-ro Felix Galy, inĝeniero, 47 Rue des Batignons

**Feled,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Rudolf Ďurčo, lernejestro, župa XVIII

**Fryštát,** Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Adolf Juzl, magistrata librotenanto, Masarykovo náměstí 3

**Gateshead,** Britlando, Durham. D. S-ro Fred. Sutcliffe, komizo, 65 Fern Dene Road

VD. S-ro G. M. Raine. kooperativa tenejisto, 27 Petterdale Terrace

**Gentofte,** Danmarko, Selando. D. S-ro Christian Jahn, maŝinisto, Emdrupgaardsvej 14, Sjalland

**Georgetown,** Brita Gvajano. D. S-ro Louis Markowitz, Diamantnegocisto

**Graslitz,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Wölfl, instruisto, Langegasse 361

**Gyöngyös,** Hungario, Heves D. S-ro Ferenc Hugai, profesoro

VD. F-ino Julia Szendrey, „Gobelin"-laborejo, Petöfi-Sándor u. 2234

**Hannibal,** U. S. A., Missouri, D. S-ro Verle P. Miller, farmaciisto, 618 Olive Str.

**Harpenden,** Britlando, Hertfords. D. S-ro Henry Edward Parry, komerca intendanto de P. T. T. „Avalon", Southdown Rd.

**Heinersdorf a. d. Tafellichte,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Eduard Hornischer, fakinstruisto

**Hellerau b. Dresden,** Germanio, Sa. D. S-ro Otto Wehlitz, fotografisto, Rähnitz-Hellerau II

**Herenthals,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Frans Verbuecken, desegnisto, Nederrij 99

**'s-Hertogenbosch,** Holando, Noord Brabant. D. S-ro Mathieu van der Bruggen, bankisto, Pensmarkt 12-14

**Hoboken,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Maurice Jaumotte, ĵurnalisto, Chemin Bas 254-14

**Hohenau a. d. Nordbahn,** Aŭstrio, Nieder-Oesterreich. D. S-ro Robert Hein, fakinstruisto.

**Ivanovice na Hané,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Josef Kudláček, komercisto. č. 174

**Jilemnice,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Oldřich Štěch, realgimnaziano

**Kaiserslautern,** Germanio, Bayern. D. S-ro Richard Hauber, notareja sekretario, Ottostr. 1

**Käkisalmi,** Finnlando, Karelio. D. S-ro J. Ed. Leppäkoski, redaktoro, Käkisalmen Sanomain toimitus

**Kiskunhálas,** Hungario. D. D-ro Mór Grosz, advokato, Postafiok 10

**Koblenz,** Germanio, Rheinprov. D. S-ro Leo Funken, bankisto, Florinsmarkt 7a, I

**Krapina,** Sudslavio, Kroatio. D. S-ro Franjo Mundweil, veterinaro.

**Kriesdorf,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Richard Theml, instruisto, Kriesdorf bei Reichenberg.

**Langenau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Benno Bräuer, instruisto

VD. S-ro Rudolf Jochmann, konstruteknisto

**Lockeren s. Durmo,** Belgio, Waeslando. D. S-ro Arthur Vispoel, kontregistristo, 29 Dyksken

**Mährisch-Schönberg,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Max Bittl, impostoficisto, Maierhofgasse 17

**Malakoff,** Franclando, Seine. D. S-ro Hyman Harris Dembovitz, kasisto, 4 Av Jules Ferry

**Meissen,** Germanio, Sa. D. S-ro Ernst Wiener, komercisto, Rauhentalstr. 2

VD. S-ro Johannes Horbank, mekanisto, Rauhentalstr. 30

**Merxem,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Barend Schoen, diamantisto, Van Straelenlei 50

**Moll,** Belgio, Antwerpen. D. S-ro Frans Manderveld, oficisto, Laan 21

**Montigny s. Sambre,** Belgio, Heinaut. D. S-ino Clara Canivet-Böhm, Rue Grimard 97 A

**Moravský Krumlov,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Matěj Dubšík, instruisto, Nádraží č. 79

**Nemecká L'upča,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Pavel Novák, bankprokuristo, župa Podtatranská

**Neudek,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Karl Czech, kapelano, Dechantei

**Olcnava,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Gustáv Matiek, instruisto, Olcnava p. r. Spišské-Vlachy

**Orange,** U. S. A., Texas. D. S-ro Kaname Andreo Susuki, komizo, P. O. Box 79

**Potštejn nad Orlicí,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jindřich Vydra, komerckomizo, c. o. M. Chocenský

VD. S-ro Hynek Škoda, komerckomizo, c. o. M. Chocenský

**Prachatice,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Johann Schmid, ŝtonhakisto, Bräuhausstr. 14

**Předměřice nad Labem,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Antonín Hiršl, oficisto Rolnický cukrovar

**Radkyně**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jaroslav Machek, lernejestro, Radkyně u Nové Paky
**Radvanice**, Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Josef Kania, mineja oficisto, ŝakto „Ludvík"
**Rathskirchen**, Germanio, Rheinpfalz. D. S-ro Theodor Degen, pastro, Rathskirchen b. Rockenhausen.
**Reinowitz**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Bruno Gahler, seruristo, c. o. Scholze & Fischer
**Reutlingen**, Germanio, Württemberg. D. S-ro Karl Otto Schmidt, eldonej- kaj gazetredaktoro, c. o. J. Baum-Verlag, Pfullingen ap. Reutlingen
**Roeulx**, Belgio, Hainaut. D. S-ro Camille Lecerf, staciestro
**Rtyně**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Bedřich Nyč, fervojisto, Rtyně v Podkrkonoší
**Rugby**, Britlando, Warwicksh. D. S-ro John Grant, 15 Wood Street
**Sadovec**, Bulgario, Lukovitsko. D. S-ro Atanas Lakov, komercisto, Selo Sadovec
VD. S-ro Sejko Pirouski, komercisto, Selo Sadovec
**Saïgon**, Ĉinio, Koŝin. D. S-ro André Mialhe, librotenisto, c. o. Denis frères, S. A.
**Schiltigheim**, Franclando, Bas-Rhin. D. S-ro Raymond Hug, inĝeniero, 55 A Rue Principale
**Schmiedeberg**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Ludwig Liebald, fakinstruisto, N-ro 39
**Sebnitz**, Germanio, Sa. D. S-ro Emil Krempler, komercagento, Burggasse 218 B
**Sóller**, Hispanio, Baleares. D. S-ro Miguel Arbona Oliver, teksaĵfaristo, Batach 34
VD. S-ro Francesc Colom Oliver, studento, Calle de las Almas.
**Staňkov**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro František Ernst, tajlora helpanto, 217
**Starkoč**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jaroslav Prokop, restoraciestro.
**Stryj**, Pollando, Stanislawow. D. S-ro Arie Hoszowski, petrola industriisto, ul. Trybunaska L. 24
**St. Joachimsthal**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Ernesto Polívka, mineja oficisto, Nimeja administracio
VD. S-ro Rudolf Perthold, instruisto, Lindnerplatz 71
**Saint Pierre sur Dives**, Franclando, Calvados. D. S-ro René Gujon de Saint Thomas, kampkulturisto, Château d'Harmonville
**Tatar-Pazarĝik**, Bulgario. D. S-ro P. Tuĝarov Dimitr, komercisto kaj esp libristo
**Teichstatt**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Kriesche, laborejestro, N-ro 97
**Telŝiai**, Litovio. D. S-ro Juozas Mačernis, seminaria instruisto, Mokytoju Seminarija
**Tonbridge**, Britlando, Kent. D. Pastro W. J. Downes, The Manse, The Drive
**Torun**, Pollando, Pomorce. D. D-ro Ignacy Dziedzic, juĝisto, ulica Stowackiego 15
**Třemošna**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Václav Honomichl, instruisto
**Tuczyn**, Pollando, Wolyn. D. S-ro Henrik Flam, instruisto
**Unterjammy**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Franz Tischer, masonisto.
**Veghel**, Holando, Noord-Brabant. D. Pastro R. W. F. Kyftenbelt, Hoofdstraat
**Villemomble**, Franclando, Seine. D. S-ro Edmond Outurquin, reprezentanto, 27 Rue de l'Orangerie
**Vieux Dieu**, Belgio, Antwerpen. D. S-ro Charles-Jean Van der Veken, librotenisto, 48 Chaussée d'Anvers.
**Vizovice**, Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro František Hába, tajloro, N-ro 123
**Vrát** (u Žel. Brodu), Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Bčhumil Véle, vitrogravuristo
**Vysoké Mýto**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Stanislav Loskot, administranto de helpa lernejo
**Wiebelskirchen**, Saar. D. F-ino Hedwig Manz, instruistino, Wilhelmstr. 45
**Yokosuka**, Japanlando, Kanagawaken. D. S-ro Kikunobu Macuba, desegnisto, 46 Sanomati
**Zásmuky**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jan Bydžovský-Falta, arĥitekturisto, Polákova 83
**Železnice**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jaromír Zajíček, komercisto kaj redaktoro

**Ŝanĝoj** —

**Badajoz**, Hispanio. D. S-ro Luis Campos Suay, helpanto de militaj konstruoj, Str. Arco Aguero 47
VD. S-ro Antonio Veloso Delgado, landisto, Alligidos 49
**Blackpool**, Britlando, Lanc. D. S-ro Fred. Willan, importisto de har-ornamaĵoj, 10 & 12 George Str.
**Bradford**, Britlando, Yorkshire. D. vakas
VD. S-ro John Calvert, arĥitekturisto, Windermere Rd., Great Horton
**Čadca**, Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Josef Popper, privata oficisto
**České Budějovice**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Ploss, komercoficisto, Žižkova ulice 6
VD. F-ino Amalia Landpersky, instruistino, Domovina 234
**Cette**, Franclando, Hérault. D. S-ro Henri Guibal, komercoficistino, Villa „Sunradio", Route d'Agde
VD. S-ino Marthe Juillard, profesorino, 36 Rue Caraussane
**Charleroi**, Belgio, Hainaut. D. S-ro Arthur Henraut, lernejestro, Lodelinsart, Rue Ferrer 30
**Duchcov** (Dux), Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Rudolf Weiss, oficisto, Duchcov Bilinská třída č. 549
**Glasgow**, Skotlando, Lanark. D. S-ro James Barr Horne, komercisto, 171 A George Str.
**Le Havre**, Franclando, S. inf. D. S-ro Emile Gasse, import-agento, 15 Place Gambetta
VD. S-ro Henri Dubuisson, komercreprezentanto, Rue Bellevue 18
**Nancy**, Franclando, M. & Moselle. D. S-ro Lucien Weigel, bakisto-panisto, 92 Grande Rue
**Paris**, Franclando, 14-a kvartalo. D. Emile Michelis di Rienzi, inspektoro pensiita de PTT., 20 Avenue Reille
**Römerstadt**, Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Hans Jančik, profesoro, Janowitzerstr. 3
VD. D-ro Konrad Brichta, profesoro, Schuberthof
**Roma**, Italio. D. S-ro Elio Migliorini, Via Alessandro Poerio 29
VD. S-ro Ermanno Filippi, Via Tagliamento 76

**Strasbourg**, Franclando, Bas-Rhin. D. S-ro Eduard Jung, emerita profesoro, 1 Quai Finkmatt
VD. S-ro Henri Hotz, Elektro-inĝeniero, Boîte postale 47
**Waldshut**, Germanio, Baden. D. F-ino Ella Grassau, muzik-instruistino, Schmitzinger Tal 14
**Žamberk**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro František Nejedlý, forĝisto, Nádražní u. p. J. Tomana
VD. F-ino Libuše Šotolová, privatulino, u. Albertina
**Železný Brod**, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jan Novotný, oficisto, č. 443, Trávniky
VD. S-ro Rudolf Beneš, laboristo, č. 386, Masarykova ulice

**Provizore ne plu estas delegitoj en jenaj lokoj:**

Arcueil, Franclando; Barmen, Germanio; Barry, Britlando; Eger, Ĉeĥoslovakio; Friedberg, Germanio; Gnotzheim bei Gunzenhausen, Germanio; Hanau am Main, Germanio; Kötzschau, Germanio; Mitu-Gun, Japanio; Paris, 10-a kvartalo, Franclando; Santa Cruz del Sur, Kubo; St. John's, Newfoundland; St. Peter in der Au, Aŭstrio; Troppau, Ĉeĥoslovakio; Weidenau, Ĉeĥoslovakio; Yverdon, Svislando.

**Eksigo.** — Pro neplenumo de financaj devoj kaj ripetitaj plendoj de diversaj membroj:

S-ro *Demetrio Joannides*, del. en Port Said.

Genève, 10 Oktobro 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj *Becker*, del. de UEA en Mainz, naskis sana ido.

— Al Ge-sroj *Olcauza* en Kediniai, Litovio, naskiĝis filineto Editha.

— Al Ge-sroj *Joels*, Kaunas, Litovio, naskiĝis filo Teodoro.

— Al Ge-sroj *Anatolo Kok*, DM de UEA, Ostrolenka, Pol., naskiĝis filo Bohdan.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Victor Badin*, vicdelegito de UEA en Nové Zámky, Ersekujvár (Ĉeĥoslov.) kun F-ino *Corona Pechan*, ano de UEA en Pécs.

— S-ro *Otto Neoral*, membro de UEA, kun F-ino *Ema Kudela*, filino de UEA-delegito en Olomouc (Ĉeĥoslov.)

**Edziĝoj.** — S-ro *Zdeněk Misar*, delegito de UEA en Lysá nad Labem, Ĉeĥoslovakio, kaj F-ino *Tereza Jiranová*.

— S-ro *Václav Krajča*, membro de UEA kaj sekretario de Esperantista Klubo en Holešov, Ĉeĥoslovakio, kun F-ino *K. Trhlíková*.

— F-ino *Michalina Szczepanska* kun S-ro *Adam Schade* en Poznań, Pol.

## Redakcia noto.

### Holandaj florbulboj.

Volonte ni atentigas tiujn interesulojn, kiuj volas aĉeti holandajn florbulbojn por la ĝardeno aŭ ĉambro, je la anonco trovebla en tiu ĉi numero de la mondkonata **eksportejo de florbulboj Jansen-Hendrichs kaj filo, Bennebroek apud Haarlem, Holando.**

La bona reputacio de tiu firmo garantias unuaklasan kvaliton.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

### Solvoj:

98 = Pan-tero. — 99 = DV. — 100 = R, SEM, REIMS, MMM, S. — 101 = (duobla solvo): Fajro, flamoj. —

102. **Kvarvorta maksimo de Apelo.**

I = Nom' de cifero ronda | sed sen vokalo fina | kaj okcidenta parto | de lago jen al vi.

II = De diro jen duono | kaj konjunkcio (kiun oni uzas | kondiĉon por esprimi) renversita. —

III = Pronom' resenda en akuzativo | kaj dua el kvin fratoj. |

IV = Pronom' kaj adjektivo devenanta | el vort' uzata por | de ec' la mankon montri, | de ago la foreston.

* * *

103. **La Svastiko.*)**




1 ĝis 2 = Rigardas oni min por scii kia | la horo estas. | 2—3 = Loĝanto de ĉefurbo | de lando por Eŭropo orienta. | 1—4 = Tabako envolvita | en tre maldika folieto estas. | 4—5 = Skribaĵo kiu servas | por pruvi, por atesti. | 1—6 = Ĝi estas fortikaĵ' gardanta urbon. | 6—7 = En ludo tiu ĉi aĉetas oni | bileton aŭ biletojn por akiri | al gajno rajton, se | numeroj siaj el la lot' eliros. | 1—8 = La morojn de barbaroj kvietigi. | 8—9 = El famili' mustela | besteto raba jen | kun tre ŝatata pelto.

## ALUMETLUDO.

104. AZENO

Ĉu eble estas, ho leganto, ke | la Moŝto, kies nomon | vi supre legis flugu?... | Kredeble jes, mi kredas, kaj pro virto | supermetempsikoza. Vi al eroj | de ĝia nom' aranĝon | alian donu, kaj | la eks-pezanta, nefluganta besto | aliformiĝos en | besteton ĉarman, kiu | super belaj parfumaj aĵoj emas | malpeze flugetadi. —

### Ĝustaj solvoj alvenintaj:

87, 88, 90, 91: C. William (Stettin). — 87, 88, 90, 91: B. Weickhmann (Stettin). — 92, 93: Risuke Tsuji (Osaka, Japanlando). — 93: S. Franz (Paris).

*) *„Svastiko"*, religia simbolo de hindoj: kruco, kies kvar brakoj estas anguligitaj.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 154.**
*H. Steding*, Bremen.
(Originalo).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 155.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo).



Sinmato per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 156.**
*K. A. L. Kubbel*, Leningrad.
(České Slovo 1925).



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 157.**
*Fr. Hájek*, Praha.
(Originalo).



Blanko matas per la 3-a movo.

Problemo 154 konstruas la ŝlosilon sur la principo de blokado. La samon ni renkontas en la sinmato 155. La trimovuloj montras en la ŝlosilo movon ne plaĉan, kiun oni toleras sole en motivoj, en kiuj ne abundas je movoj kaj tial ne permesas al la verkisto iri la necesan vojon de absoluta beleco. En anbaŭ oni ŝirmas la blankan figuron per la ŝlosilo, samtempe rabante al la nigra R unu forkurkampon. Ĉi tiun malbelecon malpliigas iome la oferpropono de la ŝirmanta figuro, kiu okazas en la unua probl. cele de forlogo de la defendanta nigra figuro kaj en la dua cele de allogo de ĝi por kompletigi la matreton.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 150: 1. Tg2—g3 — Kb3, c4, d5, e6, f7, g8, b1 / 2. Db2, c3, d4, f6, g7, h8, d4 ktp.

N-ro 151: 1. Dd5—a8 — Kb2, c3, d4, e5, f6, T movas / 2. Ka3, b4, c5, d6, e7, Kh6 + ktp.

N-ro 152: 1. Dc4—c3 — Ke4, d3, c2, b1, e6—e5 / 2. De3, d2, d2, c1, Dc6 + ktp.

N-ro 153: 1. e2—e3 kaj la ses movoj de Nigro estas respondataj per la Turoj, kiuj alterne prenas la Peonon c6 aŭ g6.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 138, 139, 140 Brotomidjojo, Klaten (Java); N-ro 139 B. Ŝidani, Teheran (Pers.); 142, 143, 144, 146 ĝis 149 H. Steding, Bremen (Germ.)

*Korespondo:*

S-ro *B. Ŝidani.* — Solvo de 138. 1. f×e7, d7—d5, 2. Db8 neebla pro Td6.

# El la „Ora Libro" de UEA.

*Multaj eminentaj gastoj, kiuj venis al nia XVII-a, bonvolis eternigi siajn nomojn per la skribaĵoj en la memor-libro ĉe UEA. Ni prezentas ĉi tie kelkajn el ili al la atento de nia legantaro.*

„Ni laboru kaj esperu."

*Sofio Zamenhof.*

*

*„Plena je admiro kaj danko pro la bonega aranĝo de la XVII-a."*

*Walter Lippmann.*
*Elise Lippmann.*

*

„Ĝojega estas mi, post kvardek tagoj da vojaĝo,
trovinte urbon plena de amego . . . "

*Koogecu Niŝimura.*

*

*„Kun granda ĝojo mi pensos al la XVII-a pro ĝia bonega ordo kaj pro la afableco de la svisoj."*

*Karl von Frenckell*
Konsulo de Finnlando.

*

„Vizito al nia C. O. al mi montris, kiel danka devas esti la samideanaro al nia kapabla direktoro kaj al la sindona stabo de UEA. Ili povu longe labori en harmonio por la bono de nia Asocio kaj de la movado ĝenerale."

*P. Blaise.*

*

*„Granda estis la laboro,*
*Eterne vivos la memoro.*
*Nia kongresurbo bela,*
*En la pensoj restos hela,*
*Venu baldaŭ tempo, kiam*
*Esperanto regos ĉiam,*
*kaj*
*Unu rondo familia*
*En la mondo multnacia*
*Ame vivos. Volo mia."*

*J. D. Applebaum.*

*

„Estas granda honoro kaj plezuro nun fine viziti la mond-faman centron de kiu disvastiĝas nia kara lingvo, kaj kie niaj gvidistoj laboras tiel sindonante!"

*Dorothea Hyams (Tagulino).*

*

„La XVII-a kongreso estis unu el la plej bone organizitaj kongresoj, kiujn mi partoprenis, dank' al la spertoj de la organizintoj!

*D-ro Walter Döhler.*

*

*„Denove grandan paŝon ni faris al nia komuna idealo dum la XVII-a. Vivu la Ĝenevaj eminentuloj, kiuj tiel grandioze laboris."*

*Mihaelo Sárossy.*

# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ Ges-roj *W. R. Wood* el Torquay kore dankas al F-ino C. Sampson kaj S-ro J. Major pro granda helpo dum vizito al Paris, kaj al S-ro Raymond Schwartz kaj la Verda Kataro por la plej granda vidado de la tuta libertempo.

∴ S-ino *A. Hrbáčková* el Zlín, Ĉeĥoslovakio, tutkore dankas al ĉiuj gesamideanoj, kiuj helpis ŝin dum vojaĝo aŭ restado, nome al S-ino Sing, Zürich, S-ino Farges kaj S-ro Sandelyon en Lyon, S-ino Etienne, Nice, S-roj Durá, Montserrat, D-ro Bartomen el Barcelona, al S-ro Gervois en Paris kaj al del. de UEA en Versailles. Ili multe helpis kaj pliagrabligis la restadon en iliaj urboj.

∴ S-ro *J. Mačernis* kore dankas la delegitojn de UEA en Milano, Firenze, Romo, Genova kaj Lyon por ilia tre afabla kaj grava helpo dum vojaĝo kaj ebligo viziti lernejojn en ilia lando.

∴ S-ro *Ĝorĝe P. Radovanić*, del. en Sremske Mitrovice (Jugoslavio) tutkore dankas S-rojn Charles Marseille, del. en Paris, kaj Franz Franc, ano de Bohema Esperanto-Klubo en Wien, pro la afable plenumitaj servoj kaj donitaj gravaj sciigoj

∴ Profesoro *J. Bensaĥar* kore dankas la delegitojn de UEA S-ro T. Indra (Riga) kaj S-ro E. Jaunvalks (Liepaja, Latvujo), same kiel S-roj Butler, Edmonds kaj Epton (Brita Esperanto-Asocio) pro la tre afablaj servoj kaj helpo faritaj al li dum lia vojaĝo tra Latvujo kaj Britlando.

∴ *Ges-roj Thomas* el Clermont-Fd. kore dankas al S-ro Ploussu, del. en Grenoble, por afabla akcepto kaj servo.

∴ La *L. O. K.* de la X. Katolika Esp. Kongreso tutkore dankas S-ron Chilart, del. en Versailles, pro lia sindonema gvidado por la vizito de la palaco kaj parko.

∴ S-ro *B. Klajnerman*, Bydgoszcz, korege dankas al S-ro Louis Blot, delegito en Angers (Francio), por la farita gravega kaj neniam forgesebla servo.

∴ F-ino *Elli Aalström* al la samideanoj Pizzi, Secchieri kaj Rosetti en Venezia, delegitoj Arabeno en Genova, Roncati en Nice kaj Isnard en Marseille, esprimas sian koran dankon pro ilia granda helpemo kaj afableco dum antaŭkongresa vojaĝo.

∴ *D-ro Vilmos Austerlitz*, delegito en Bardiov, kore dankas al S-roj A. Sohrmann, delegito en Weinböhla, Karl Göll, delegito en Bodenbach, A. Korpelainen, delegito en Kemi, kaj al la samideanoj Jalava, Sandström kaj Lappalainen en Helsinki pro la senkalkuleblaj servoj, senlima gastamo kaj nepriskribebla afableco dum mia vojaĝo tra Germanio kaj Finnlando.

∴ La ĉefdelegito de UEA en Paris, S-ro Georges Delanoue, faris al ni tre grandan servon, kio instigas nin, esprimi al li ankaŭ publike nian plej sinceran dankon. *Ferdinand Hirt & Sohn*, Leipzig.

∴ S-ro *Gottfried Schwarz*, burĝlerneja instruisto en Eggenberg bei Graz, Aŭstrio, tre dankas al S-ro D-ro E. Rockwood, universitatprofesoro en Usono, pro senpagaj alsendoj de valoraj landkartoj amerikaj, kiuj nun ebligas al li siajn verkojn geografiajn.

∴ Mi estas dankema al S-ro Rudolf Strauss, tajloro kaj delegito de UEA, Scharrenstr. 10, en Halle, Germanio, por lia granda ĝentileco de la 9. 8. 1925, por plej rapida livero de tute fakaj sciigoj en lia lando Germanio. *Rudo Beneš*, Železný Brod (Bohemio).

¼ paĝo dukolona: 1-foje 30.— frankoj svisaj.

⅛ paĝo dukolona: 1-foje 15.— frankoj svis.

1/16 paĝo dukolona: 1-foje 7.50 frankoj svis.

¼ paĝo unukolona: 1-foje 30.— frankoj svis.

⅛ paĝo unukolona: 1-foje 15.— frankoj svis.

1/16 paĝo unukolona: 1-foje 7.50 frankoj svis.

**1 paĝo unufoje 120.— frankoj svisaj.**
**½ paĝo unufoje 60.— „ „**
**¼ paĝo unufoje 30.— „ „**

# TARIFO DE REKLAMOJ

# REKLAMO

*M.ALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al le ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Adresaro.** La granda intereso por ĈES-adresaro instigis nin aperigi tute senpage la nomon kaj adreson de ĉiu samideano kiu vere intencas interkonatiĝi kun la tuta mondo. Aliĝojn bonvolu sendi tuj al Ĉeĥoslovaka Esperanto-Servo, Praha II, Žitná 44, kiu eldonos ĈES-adresaron komence de la nova jaro. Skribu legeble! Varbu interesatojn!

**Adresŝanĝo.** S-ro Gustav Doktorczyk havas la honoron, sciigi al siaj estimataj gekorespondantoj, ke li por ĉiam forlasis Lodz (Polujo), ul. Magistracka 4, kaj restos en Verviers (Belgujo), 74 Rue Simon Lobet.

**Almanakojn.** Mi dankege ricevus malkarajn almanakojn (kalendarojn) de iu ajn jaro (prefere de la malnova speco ŝatata de la kamparanoj) pro kompara studo. Al ĉiuj sendontoj, kiuj ne sciigos min pri alia deziro, mi sendos ilustritajn poŝtkartojn de arĥeologia intereso. Marin Whiteway, Stroud (Glos.), Anglolando. (Ankaŭ se iu povus sciigi min pri kamparanaj monatnomoj aŭ primitivaj tempmezuriloj, mi ŝategus tian informajon.)

**Amikeco.** „Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo" kaj „Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj". Membroj en la tuta mondo, propra gazeto, jarkotizo 1 USA-dolaro. Prezidanto: Josef Groebel, administracio: Koblenz, Eltzerhofstr. , German.

**Astrologoj, okultistoj!** Helpu al mi klarigi mian vivan cirkonstancon. Malgraŭ ke mi estas energia kaj talenta, mi nek povas purigi mian karakteron kaj senmakuliĝi, nek ordigi miajn rilatojn al kunhomoj. Mi akiris neniam kontentecon, feliĉon, komfortan bonhavecon. Mi naskiĝis je la 58° 30' 30" de norda latitudo kaj je la 30° 17' 12" de orienta longitudo de Greenwich la 27 julio 1889 je la 11.45 h. Mi havas unu fraton (ĉu li vivas?). Niaj gepatroj mortis dum somero 1920 aŭ 1921. Mi estis militvundita la 23 julio 1915. Unue mi edziĝis la 18 decembro 1918, eksedziĝis la 24 aŭgusto 1923, duan fojon edziĝis la 4 novembro 1923. Mia filineto naskiĝis la 18 julio 1924 je 3.32 h. de nokto (15.32 h.). De la 22 majo 1922 mi ekservis. de la 1 decembro 1923 mi vivas je mia nuna loĝloko 57° 7' 25" de la norda latitudo kaj 27° 10' je la orienta longitudo. Mi petas sendu horoskopon radikan aŭ solaran kun detala priskribo. Se vi dezirus, mi povus pagi malgrandan kompenson aŭ rekompensi sendante PI, PM, fotojn ktp. Skribu esperante, germane, ruse aŭ france al la Centra Oficejo de UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

**Ekspozicio.** Esperantista grupo „Frateco", adreso: David Glizer, Berezno, Polio, Wolyn., petas alsendon de esperantistaj gazetoj, PM, papermonon.

**Filatelistoj!** 146 diversaj germanaj poŝtmarkoj (6 fr. valoron) por nur 3 svisaj frankoj aŭ saman valoron alialande; 200 diversaj germanaj (10 fr. valoron) por nur 5 svisaj frankoj. Skribu al S-ro O. Pfeiffer, Glienicke ĉe Beeskow, German.

**Gestudentoj-samideanoj!** S-ino M. Petit, 33 rue Chabot-Charny, Dijon (Franc.), instruas francan lingvon per Esperanto.

**Gvidlibro.** Aperis gvidlibro „La Mure kaj ĉirkaŭaĵoj", regiona enciklopedieto, lukse ilustrita. Franclingve, 164 paĝoj, aludas Esperanton. Prezo 11 fr. fr. Mendebla ĉe prof. Cailiet, La Mure, Isère, Francio.

**Kolekto de egiptaj antikvaĵoj.** Malofta okazo. Vi povas gajni monon per perado. Konsistas el 365 objektoj, kolektitaj dum 40 jaroj. Certigo de aŭtenteco flanke de famkonata profesoro egiptologa. Videbla ĉe D-ro R. Fulda, Berlin W. 15, Joachimstalerstr. 19. Nur tute seriozaj proponoj atentataj.

**Ligilo por vidantoj.** La apero de la dua numero de „Ligilo por vidantoj" prokrastiĝis pro nesufiĉe multnombra aliĝado, sed ĝi espereble baldaŭ aperos. La karaj subtenantaj membroj de UABE bonvolu pardoni. La estraro de UABE.

**Ofico.** Esperantistoj de la tuta mondo! Kiu scias por germana junulo, abituriento de reallernejo kaj kun tri-duon-jara praktiko en banko, bonan oficon en eksterlando? Skribu al: L. Loos, Bamberg, Pfarrgasse 1, Germanujo.

**Ofico.** Du amikinoj 22-jaraĝaj serĉas laboron kiel oficistino-stenografistino kaj vendistino de sinjoraj vestaĵoj. Deziras esti en sama urbo ĉu Aŭstrio, Germanujo aŭ Svislando. Skribu al F-ino Irma Lecke, Schützenstrasse 47a, Hagen i. W., Germanujo.

**Ofico.** Rudolf Gardelko, Kaiser-Josef-Park 3, Leoben (Aŭstrio), 23-jaraĝa, serĉas oficon kiel teknika minejoficisto. Preferas Nederlandon aŭ Ruslandon. Parolas ĉeĥe, esperante, germane kaj pole.

**Poŝtmarkoj.** S-ro M. C. Rodriguez, delegito de UEA, Apartado No. 2482, Mexico D. F., deziras ŝanĝi PM pogrande nur kun samideanoj de Afriko kaj Azio, escepte Japanujo, ankaŭ kun loĝantaj en anglaj kolonioj kaj Centra Ameriko. Por la unua fojo sendu almenaŭ 100 fr. Laŭ Yvert. Certan respondon. Kiel eldonanto de „Arguso", dumonata revuo, organo de meksikaj esperantistoj, li sendos al ĉiu interesonto du aŭ tri provekzemplerojn kontraŭ respondkupono.

**Prokasto de respondoj.** Pro la troa okupiteco antaŭ la Deksepa mi ne povis respondi ĉiujn miajn privatkorespondaĵojn. Plej gravaj estis miaj profesiaj. Mi do petas paciencon de miaj korespondantoj, al kiuj mi respondos nun unu post la alia. Mi ĝojos dume aŭdi pri ĉiuj. Robert Kreuz, Ĝenerala Sekretario de I. C. K., Chemin Furet 15, Genève, Svislando.

**Pruntepreno.** Fervora esperantisto, saksa instruisto, serĉas prunton de 1000 dolaroj je rentoj moderaj por konstruado de unufamilia domo. Bonvolu skribi al Rudolf Heimbold, Krimmitschau, Annenstr., Germanio.

**Reprezentantoj.** S-ro Paul Plate, Elberfeld, Ravensbergerstr. 32, serĉas eksterlandajn reprezentantojn seriozajn por artikloj germanaj.

**Serioza afero.** Mia direkcio (entrepreno por teknikaj aparatoj, speciale fluidajmezuriloj) deziras pligrandigi la eksterlandajn rilatojn. Por servi kaj montri la praktikan flankon de Esperanto, mi petas samideanojn de ĉiuj landoj (escepte Francujo kaj Germanujo), ke oni havigu al mi po unu ekzemplero de granda komerc-teknika ĵurnalo de sia lando. Samtempe mi bezonas adresojn de aŭto- kaj flugmaŝinentreprenoj. Rekompenco laŭ postulo kaj certa. Julius Kreibig, Paris XV, Bd. Lefebvre.

**Somera Universitato.** Respondante al multaj petoj kaj demandoj de la kongresintoj en Ĝenevo, ne sciigas, ke la resumaj prelegoj de P. Stojan ĵus aperis en la du lastaj numeroj 8 kaj 9 de „La Progreso". Prezo afrankite estas 80 svisaj centimoj, por malbonvalutaj landoj 60 svisaj centimoj. Administracio de „La Progreso", Socharska 333, Praha VII, Ĉeĥoslov.

**Teleskopo.** Por propagando! Kiu deziras posedi belegan teleskopon? Tre serioze. Aĉetebla: Bela forta astronoma teleskopo tutnova, 75 mm, longa 1.30 m, kun tri rigardlentoj pligrandigantaj 60-, 90-, 140-foje, kaj tera rigardlento pligrandiganta 45-foje. Tute el kupro, sur piedo, kun kupra subtenilo por konservi ekvilibron uzante teran rigardlenton. Precipe uzebla por vido malproksimen. Ĉio kune, transporto inkluzive, por 725 belgaj frankoj aŭ egalvaloro. Seriozaj aĉetemuloj skribu al S-ro Henri Campe, Vestingstraat 56, S-te Kruis-Brugge, Belgujo.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj.

#### Brazilo.

**Miracema (E. do Rio).** S-ro inĝeniero Raphael Nogueira, Wellington Street, PI esperante, france, angle kaj portugale kĉl.

#### Ĉeĥoslovakio.

**Böhmisch-Kamnitz.** S-ro F. Schwarzbach, Jonsbach 30, PM kĉl. Sendas saman valoron.

**Česká Skalice.** S-ro Karel Janovský, no 96, PI, PM. Nepre respondos.

**Dux X, 549.** S-ro Rudolf Weiss, PM.

**Gross-Mergthal** apud Zwickau. F-ino Thilde Kunze, L, PI bfl kun sinjoroj (fraŭloj) el ĉiuj landoj. Certe kaj tuj respondos.

**Jičín.** S-ino E. Macháčková, tržnice dopisnic N-ro 52, metalajn monerojn kĉl.

**Ústí n. O.** S-ro A. Barkman, UEA-del., instruisto ŝtate ekzamenita, PI, fot-aĵojn, PM, ilustritajn gazetojn, por si kaj siaj lernantoj 12—15-jaraj.

**Železnice u Jičína.** S-ro Jaromir Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

**Zwickau.** F-ino Emma Ullrich, Bahnhofstrasse N-ro 126, serĉas korespondantojn por gelernantoj 12—16-jaraj en la tuta mondo. Certe respondos.

**Zwickau.** S-ro Reinhold Bartel, fakinstruisto, Rumburgerstrasse, L, PI bfl kun sinjoroj el ĉiuj landoj. Certe respondos.

**Zwickau.** S-ro Richard Runge, Martinstalerstrasse Nr. 504, II, L, PI bfl kun fraŭlinoj kaj sinjoroj el ĉiuj landoj, precipe el Ĉinujo, Japanujo kaj Ameriko. Certe kaj tuj respondas.

**Zwickau.** F-ino Luise Ullrich, instruistino, Bahnhofstrasse 126, L, PI bfl kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj el ĉiuj landoj. Certe respondos.

#### Germanio.

**Dresden-N.** F-ino Margarethe Kunath, Kamenzer Str. 38, II r., PI bfl, PM, speciale kun eksterlandanoj.

**Ebersbach (Sa.).** S-ro Paul Reimann, Spreedorf 1059, PI, PM, librojn, monerojn.

**Freiburg i. Br.** F-ino Ursula Döring, Zasiusstrasse 6, plej juna partoprenisto de la XVII-a kongreso, PI kun geknaboj ĉl.

**Hagen i. W.** F-ino Lilly Kesting, Wehringshauserstr. 42, L, PK kĉl.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Otto-von-Guerickestr. 61, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 12—14-jaraj lernantoj konvenantan korespondadon.

**Stuttgart.** S-ro Emil Gassenmaier, Tulpenstr. 49, PI, PM, unue kaj multe, kĉl., bfl. Tuja respondo certa.

#### Hungario.

**Györ.** S-ro Ludoviko Marich, Czuczor Gergel u. 3, PI bfl nur kun ekstereŭropanoj.

#### Italio.

**Padova.** S-ro G. Saggiori, Corso V. E. 6, PM kĉl. nur laŭ reciproka mankolisto, bazo Yvert.

#### Latvio.

**Auce.** S-ro Aleksandro Kalei, L pri ĉiuspeca temo, PI kĉl.

**Rézeknè.** S-ro M. Bekers (lernanto). Glábéju ielà 8, L (preferataj pri literaturo), fot-aĵoj, PI (urbvidaĵon nur pitoreskan) kĉl. Mi nepre respondos.

#### Nederlando.

**Amsterdam.** F-ino G. Assenbroek, Elzenstraat 16, PI, L.

#### Pollando.

**Drohobycz.** S-ro Chaim Altmann, Garbarska 3, PI, L kun Oriento, precipe Palestino, esperantajn kaj naciajn gazetojn.

#### Sudslavio.

**Negotin-Krajina.** S-ro Svetislav Stefanovič, PM.

**Novi-Sad.** S-ro Andrija Berko, komercisto, Batorijeva ul. 52, PI bfl kĉl.

**Novi-Sad.** S-ro Stefano Beli, instrumentisto, Veres-Martijeva ul. 6, PI, PM kĉl.

#### Svedio.

**Sala.** S-ro S. Kronkvist, Svenhuset, nur PM kĉl.

*F-ino Michalina Szczepanská*
*S-ro Adam Schade*
*geesperantistoj en Poznan, Pol., ulica Zielona 3-III*
*anoncas sian geedziĝon.*
*Poznan, 29 Septembro 1925.*





# ALVOKO POR HELPO al malfeliĉuloj!

Kiel jam legeble en la gazetaro, la 10 aŭgusto okazis grandega ciklono, kiu detruis la tutan holandan urbeton BOREULO. Nekredeblaj estas la domaĝoj faritaj kaj la suferoj de la loĝintaro. Dek milionoj da guldenoj estas bezonataj por rekonstrui la tuton kaj helpi al la viktimoj. Kun morala subteno de la „Internacia Centra Komitato“ de la Esperanto-Movado mi alvokas monhavajn esperantistojn, ke ili afable monhelpu al la viktimoj. La mono estos transdonata al la urbestro por uzo laŭ speciala aranĝo. Ĉiu sumo ricevita estos kvitancata en „Esperanto“. Rapidu helpi tuj! Monsendaĵojn adresu al la subskribinto, por Monkolekto Boreulo. Jam antaŭe mi kore dankas la helpantojn

*G. van HEEK*
Delegito de UEA, Steynstraat 72
HENGELO (O)
(NEDERLANDO)

# LA SEKRETO MALKAŜITA

En la Julia numero de „ESPERANTO“ ni anoncis „*Grandan Novaĵon por la Tutmonda Esperantistaro*“ kaj oferis surprizon al ĉiu fervora esperantisto, kiu sendos al ni unu dolaron. Nun, dum vi legas ĉi tiun anoncon, nia surprizo jam estas disvastigata tra la mondo. Eble en ĉi tiu momento multaj esperantistoj ĝojege ekzamenis ĝin kaj diskutas pri ĝia granda valoro por la disvastigado de nia kara lingvo.

Nun ni deziras diri kelkajn vortojn al tiuj gesamideanoj, kiuj preterlasis la ŝancon fariĝi niaj agentoj aŭ akciuloj, ĉar niaj akcioj nun ne plu estas akireblaj je ia ajn prezo. Ni do, decidis fari alian oferon. Vere, ĉi tiu ne alportos iajn monajn profitojn, tamen ĝi estas kunigita kun certaj premioj, la plej grava do, estas la gajno por la esperanta movado, ĉar nia surprizo ne nur ekinteresigos vin mem, sed ĝi ankaŭ ebligos al vi ekinteresigi multajn novajn adeptojn.

En malmultaj vortoj la surprizo estas la nova „*Universala Esperantistigilo*“ de D-ro Benson. Ĉi tiu konsistas el la unuaj kvar lecionoj de kurso por memlernado de la esperanta lingvo por ĉiuj nacioj kaj popoloj de la mondo. Ĉiu leciono enhavas ĉirkaŭ 300 bildojn, kiuj difinas kaj klarigas ĉiun vorton, ĉiun frazon, ĉiun sufikson aŭ prefikson, ĉiun gramatikan regulon aŭ principon. La lernado mem, dank' al ĉi tiuj bildoj, estas tiel simpla kaj interesplena, ke ĉiu komencanto, ĉu li estu juna, maljuna aŭ eĉ infano, plezure donos sian tempon por studado same kiel li donus ĝin por ludado, sporto aŭ plezuro. Komencante kun tia simpla vorto kiel „*unu*“, klarigita per la cifero „*1*“, la lernanto, kiu ajn li estu, Japano, Turko, Eskimo, Ĉeĥoslovako aŭ Germano, estas kondukata, paŝo post paŝo, kaj ĉiam pere de bildoj, ĝis li atingas la majstrecon de la plej komplikitaj participaj frazoj.

Oni diras ke unu bildo valoras mil vortojn. Nun prezentu al vi, ke la unuaj kvar lecionoj enhavas ĉirkaŭ 1200 bildojn, speciale designitajn por ĉi tiu verko de artistoj, je granda kosto. Vortoj sole ne povas priskribi la belecon, elegantecon kaj grandecon de ĉi tiu verkego. Vi devas vidi ĝin, por ke vi povu havi ideon pri ĝia riĉeco; kaj kiam vi ekvidos ĝin, ni certigas vin, ke vi tuj ekvolos posedi ĝin je ia prezo.

Nia unua eldono, el mil ekzempleroj, estis presita speciale por esperantistoj, kaj ni tial forte rekomendas kaj konsilas, ke vi tuj mendu la unuajn kvar lecionojn dum ni ankoraŭ havas ilin. Ni ĉi tie promesas kaj garantias la repagon ne nur de via dolaro sed eĉ viajn poŝtelspezojn se ĉi tiu verkego ne tute plaĉos al vi, aŭ se ĝi ne estos la plej ŝatata verko en via libraro.

D-ro Benson, kvankam kuracisto mem, tamen li suferas de tre grava malsano. Nome, li havas manion por fari surprizojn. Nun, ĉiu ekzemplero de la unua eldono de mil ekzempleroj havas numeron. Sekve, ĉiu posedanto de unu el ĉi tiuj numeritaj ekzempleroj havas ŝancon profiti en maniero kiu ni ne povas malkaŝi nun, ĉar se ni dirus al vi, ĝi ne plu estus surprizo.

Nun, gesamideanoj, jen alia ŝanco, prenu ĝin aŭ lasu, sed pripensu antaŭe. Jes, pripensu bone antaŭ ol vi lasas ĝin. Permesu al ni diri, ke se vi vere estas esperantisto, kaj la esperanta movado havas lokon en via koro, vi ne devas preterlasi ĉi tiun ŝancon, ĉar nun, kiel neniam antaŭe, estas la plej oportuna tempo por agado. Nun estas la plej oportuna tempo por montri al la mondo ke la esperanta movado ankoraŭ posedas idealistojn kiuj estas pretaj doni siajn vivojn por granda idealo. Se vi havas nur unu fajrereton el ĉi tiu idealo en via koro, la „Universala Esperantistigilo“ ventumos ĝin en flamo kiu ekbruligos la korojn de ĉiuj kun kiuj vi kontaktiĝas. Se do, via animo jam nun sopiradas kaj esperadas la efektiviĝon de tiu belega sed malproksima sonĝo „*La homameco kaj homfrateco*“, nun, *vekiĝu* do! Ĉesigu la revemadon! Venu teren kaj *agu!* Vi nur devas montri la „Universalan Esperantistigilon“ al viaj amikoj kaj najbaroj kaj la monstra malproksimeco de tiu belega sonĝo alproksimiĝos.

Ne pensu, kamaradoj, ke tio nur estas reklamo, kaj nia celo estas nur eltiri de vi viajn dolarojn. Ho, Sinjoroj, vi faros al ni la plej grandan maljustecon per tiaj pensoj. Vi bone scias, ke ni povus enmeti nian monon aŭ nian laboron en pli profita entrepreno ol Esperanto, se nia celo nur estus mono. Ne, gesamideanoj, mono sole neniam farigus nin labori tage kaj nokte, por multaj monatoj, en multaj okazoj eĉ forgesante pri ripozo ĝis ni ekdormis ĉe la labortablo. Ne mono, amikoj, sed la grandega idealo estas la kaŭzo kiu farigas nin enmeti nian koron kaj animon, nian monon, nian laboron kaj nian tutan vivon. Viaj dolaroj eble nur helpos nin iomete, kaj eĉ tiam ni ne dezirus ilin, se ni ne povus doni al vi almenaŭ dekfoje la valoron. Kamaradoj, lasu nin pruvi, ke ni posedas la plej grandan propagandilon, kiu iam estis prezentita en la historio de esperanta movado. Lasu nin montri al vi, ke ni vere posedas la ŝlosilon kiu malŝlosos la pordegojn de nova mondo, *mondo*, plenplena kun amikeco, homameco, kaj kontenteco, la mondo, kiun nia nobla majstro antaŭvidis kiam li prezentis al la mondo sian genian lingvon.

Nun do, Kamaradoj, ne prokrastu!... *agu nun*... Donu al ni vian konfidon!... Ni agu kune por la plej granda idealo de la mondo. *Esperanto*, la sinonimo de *amo*, la magia vergo de interkompreniĝo. Esperanto, la kreado de la plej nobla animo kiu iam vivis. Esperanto, por kiu nia majstro oferis sian tutan vivon. Ho, Sinjoroj kaj Sinjorinoj, ĉu vi ne kuniĝos kun ni por ke ni kune disvastigu lian evangelion? Ĉu vi ne donos al ni vian manon por ke ni per kunigitaj penoj sukcesu defeti kaj detrui la dukapan monstraĵon „*malamo kaj malkompreniĝo*“? Ni esperas, ke vi kuniĝos kun ni. Ni estas certaj ke vi helpos al ni, ĉar la ideala fajrero ennaskita kun ĉiu homo instigos vin aliĝi al niaj vicoj, kaj batali nian batalon, vian batalon, *la batalon de la homaro.*

*P. S.* Ni tre petas, ke vi skribu plej legeble vian adreson. La prezo de la kvar lecionoj estas *unu dolaro (Usona)*. Vi povas sendi la dolaron en registrita aŭ asekurita letero aŭ per internacia monmandato de la loka poŝtoficejo.

**BENSON SCHOOL OF ESPERANTO, INC.**

**Delegito de UEA** **Ĉefdelegito de TEAJ**

**20 MERCER ST. :: NEWARK, NEW JERSEJ :: USONO**

Esperanto-Presejo, Paul Göring, Magdeburg-N.